**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7, Telefono 380—84.**

**Responda redaktoro: *Karlo Bodó***

**Redaktoroj:** ***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

**Ĉefkunlaborantoj:** *J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), J. Berger (Köln), S. Bartha (Budapest), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallin), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czestochowa), F. Karinthy (Budapest), E. Knutsson (Malmő), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloš Lukáš (Trnava), Alessandro Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylen (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), L. E. Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliks Zamenhof, Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (ĉiuj en Warszawa).*

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

## Kien sendi monon por abono kaj libroj?

### Al niaj reprezentantoj

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek, *Wien*, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**Aŭstralio** L. E. Thomson, *Pymble N. S. W.* Tallangetta, Church str.
**Belgujo:** Belga Esperanto Instituto *Antwerpen*, Kleine Horndstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58 Flandra Esperanto-Instituto. *Kortrijk*, Marckesteenweg 18, poŝtkonto no 196906.
**Britujo:** Alec Ventura, *Mitcham*, (Surrey) 42 Hawkes Road.
**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto« *Sofia* str. Maria Luiza 38.
**Ĉeĥoslovakio:** *Hradec-Kralové.* Otto Sklenĉka.
**Danujo:** Isosek, sro L. Friis *Aabyhöj*, Frodesvej 21.
**Estonio:** Helmi Dresen, *Tallinn*, Poŝtkest 6.
**Francujo:** Centra Esperanto Librejo *Paris* 6e, 51 rue de Sévres
**Germanujo:** Postĉekkonto de Vilmos Bleier, *Berlin* 138084
**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat, *Barcelona*, str. Provenza 75, 2—3a
**Italujo:** Itala Esperanto Centro *Milano*, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92.
**Jugoslavujo:** Sudslava Esperanto Servo *Zagreb*, Primorska 11.
**Latvio:** A. Libers, *Jelgava* »Jelgavas Audums«
**Nederlando:** Leo Moreau, *Arnhem*, Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.
**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa*, str. Leszno 99 Izrael Lejzerowicz, *Lodz*, Skwerowa 20. Poŝtkonto nro w. P. K. O. 68273.
**Rumanujo:** Esp.-Instituto Rumana, *Cluj*, str. Bravilor 15
**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578
**Svisujo:** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, *ST. Gallen* C. Gallusstrasse 34.
**Japanujo:** Japana Esperanto Instituto *Tokio*, Uŝigomeku, Ŝin Ogaŭamaĉi III.
**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) Sherlok Hotel

## REDAKCIA POŜTO

*S-ro V. Bondy, Falun.* En aŭgusto ni liveros al vi la petitajn kovrilojn.

*S-ro Friis, Aabyhöj.* Dankon por la vere ĝojiga karto. Post semajno ni sendos al vi la petitan.

*S-ro B. P. Kozlov.* Ni ekspedis al vi ĉion la 25-an de junio en du pakaĵoj. Bnv. skribi denove, se vi ne estus ricevinta pli ol unu pakaĵon!

## POŜTO DE LA ENCIKLOPEDIO

*Al multaj kunlaborantoj.* Ni denove akcentas, ke nia verko estas Enciklopedio pri Esperanto, do ni ne bezonas eĉ mallongan priskribon de historio aŭ nuntempa situacio de iu lando, aŭ ĝeneralan konigon de sociaj aŭ religiaj movadoj. Tamen kelkfoje estas necesaj aludoj, klarigoj, eĉ tre malofte priskriboj, kiuj helpas la ĝustan komprenon de la teksto. — *S-ro Echtner, Praha.* Dankon! La artikolon pri la blindula movado jam verkis d-ro Bánó, sed antaŭ la finpresigo rigardos ĝin ankaŭ s-ano Thilander. — *S-ro Major, Kameoka.* Ni bezonus pluajn detalojn pri la esperantaj rilatoj, la ĝeneralajn partojn ni mallongigos. Gratulojn kaj pluajn sukcesojn en Japanujo! — *S-ro Saldanha Carreira, Lisboa.* Viaj manuskriptoj estas bonaj, sed tre longaj. Mi sendos al vi la mallongigitan tekston, por kontroli nian laboron. — *S-ro Facchi, Brescia.* Ni antaŭvidas la malfacilaĵojn, sed ni devas venki ilin. Ĝis la revido por pli detala interparolo en Paris! — *S-ro Kenn Won, Canton.* Vi ne malfruis. Bonvolu pretigi ankoraŭ kelkajn biografietojn. La plej meritplenaj s-anoj ricevu nepre apartan titolvorton, eĉ se oni ne povas akiri multajn necesajn detalojn pri ili. — *S-ro Bruin, Enschede.* Via konscienca laboro ĝojigas nin. Jes, ni ĉiuj devas eviti erarojn, troigojn, eĉ se ili jam estis disvastigitaj. Se iu dato aŭ fakto ne estas tute certa, tamen oni devas mencii ĝin, oni metu post tiu detaleto en parentezon la demandsignon. Post kelkaj tagoj sekvas longa respondo. — *S-ro Bennemann, Leipzig.* Paciencon ankoraŭ dum iom da tempo! — *S-roj Arne Arnessen, Oslo.* Bonvolu skribi al ni la nomojn kaj adresojn de la s-anoj, kiuj ne respondis, kvankam ili estas menciindaj. — *S-ro Nylèn, Huddinge.* Se estas necese, vi povas ricevi kelksemajnan prokraston. — *S-ro Stamatiadis, Athen.* Ni atendas la aperigon de via artikolo. — *S-ro Adams, Seattle.* Gratulon pro la bona laboro! La historio de E en Usono estas kompletigota, la biografietoj estas bone aranĝitaj. — *S-ino Isbrücker en Haag, s-roj Behrendt, Berlin; Indra, Riga; Puhalo, Zagreb; Schoofs, Antwerpen; Simon, Wien; Solzbacher, Köln.* Ni atendas informojn pri via laboro, parte eĉ la manuskriptojn.

PARIZA NUMERO

**Nia sekva numero aperos la 5-an de septembro**

# KLAĈ... KLAĈ... ANTAŬ LA KONGRESO

— RAYMOND SCHWARTZ —



Se ni fidas al la neoficiala etimologio, ni povas aserti, ke Dio prezidis la inaŭguron de Parizo jam en la pratempoj, tuj post la malfermo, de l' mondo. Tiuepoke nia bona urbo estis ja la paradizo.

Sed Adamo estis sperta filologo. Oni rajtas mire sin demandi, kial li ne fariĝis la granda patrono de nia Lingva Komitato. Ĉu ne estas li, kiu kreis la unuan lingvon kaj publikigis la unuan zoologian terminaron? Efektive, la Genezo konfirmas: »Kaj kiel la homo nomis ĉian vivan estaĵon, tiel restis ĝia nomo.« (Genezo 2,19) Kaj la Ak-Adam-io estis fondita.

Do, kiam niaj prapatroj konstatis, post la fatala pomomanĝo, ke la paradiza periodo tro rapide forpasis, Adamo dekretis: »Tio, kio ne daŭras, ne povas enhavi la sufikson ad.« De tiu tempo Parizo fariĝis sinonimo de paradizo.

Kiel oni scias, la lingvoj poste evoluis kaj la modernaj popoloj elparolas la nomon de Parizo plej diversmaniere. Francoj, ekzemple, silabas »Pari' — «, — germanoj taktas »Pariss« dum angloj gargaras »Peri«. Sed plej trafe pruvas ĝustan komprenon la italoj, kiuj melodias »Pariĝi«. — Pariĝi, jen tuta programo de Parizo. Kaj se, laŭ la proverbo, oni ne portu strigojn al Ateno, nek bieron al Munĥeno, estas ankaŭ nenecese veni Parizon kun sia edzino. Ho ve! Estus aliflanke tro domaĝe, se la edzinoj hejme, ĉar en neniu alia kongresurbo ili trovos tiom da interesaj magazenoj. Eĉ unu el la plej famaj parizaj gigantvendejoj invitos la kongresanojn al lunĉo, kaj tiun ĉi sukceson ni dankas al la L. K. K. (Loka Kongresa Komitato), pri kies utileco oni nun ne plu dubos. Sed ne nur utila ĝi estas, — ĝi estas ankaŭ necesa. Supozu, ke la kongreso malbone sukcesos, en tiu ĉi okazo oni nepre bezonos iun, al kiu oni povos direkti ĉiajn riproĉojn kaj insultojn. Tial, ĉar oni devas ĉiam antaŭvidi la eblecon de fiasko, tial prudenta L. K K. devus ĉiam havi inter siaj membroj almenaŭ unu.. fiktivan personon, sur kies ŝultrojn ĝi povus poste siaflanke ŝovi la tutan respondecon pri akcidento. Ĉar tiu respondeca ĉefkulpulo fakte ja ne ekzistas, estas verŝajne, ke li akceptus senproteste ĉiujn malbenojn kaj daŭriĝos kortuŝa harmonio de l' granda rondo familia.

Nu, en Parizo oni preskaŭ atingis tiun idealan staton. Preskaŭ, ne jam tute, ĉar la fiktiva membro de l' L. K. K. laŭdire tamen ekzistas. Kelkaj personoj certigas, ke ili jam vidis lin. Jen la danĝero, ĉar se poste oni provos kulpigi lin, povos okazi, ke li brue eliros el sia mallumo por manifesti sian vivkapablon. Sed feliĉe ne temas pri tia eventualeco. La pariza kongreso sendube estos triumfo, malgraŭ la stereotipe fama krizo, kiu lamigis multajn vojaĝemulojn.

Sukceson garantias la L. K. K. mem, kiu estas majstre, ĝuste, juste kaj science dozita, kiel evidentigas la sekvanta statistiko. — Inter ĝiaj dek membroj kvin estas laŭprincipaj nefumantoj. Kvin portas okulvitrojn, dum kvin estas normalaj vidantoj. Sed por definitive difini homojn, plej saĝe estas observi kion ili trinkas. Do sciu, ke kvin trinkas alkoholon sub ĉiuj formoj (ni ne nomos ilin, por ne embarasi la aliajn!), dum kvin preferas ĉokoladon, lakton, kafon, teon kaj.. akvon.

Entute: perfekte komponita L. K. K.

El la multegaj allogaĵoj de la pariza kongreso ni citu nur kelkajn: Jen — Scherer, la fama mondvojaĝinto, kies cirkulon tra nia planedo manaĝeris I. C. K., promesis neĉeesti. Kompense oni havos la teatrajon »Knock«, kiun ludos eminentaj aktoroj kaj, tuj post la kurtenleviĝo, ankaŭ aŭtomobilo. Estu certaj, ke malgraŭ ĉi tiu komenca Knock-aŭto la teatraĵo daŭros ĝis fino de l' tria akto. Oni havos ankaŭ vesperon de Literatura Mondo, dum kiu bone konataj aŭtoroj intencas, laŭ sia kapablo, paroli en Esperanto. Kaj eble, eble, eble, oni ĝuos nian oratoron, d-ron Privat. Malgraŭ diversaj onidiroj kaj senbazaj suspektoj li ĉiam fervore okupiĝas pri nia movado, ankaŭ post sia vojaĝo tra Hindujo. Lia fiera devizo restas senŝanĝe la sama: »Unu celo — propa-Ghandi Esperanton!« Nur unu vorto iomete modifis sian ortografion. Ĉu tio gravas?



# LA ERMITO

**– GUY DE MAUPASSANT –**

Ni iris viziti kun kelkaj amikoj la maljunan ermiton loĝantan sur malnova tombmonteto, kovrita de grandaj arboj, meze de la vasta ebenaĵo inter Cannes kaj la Napoule.

Revenante ni parolis pri tiuj strangaj laikaj soluloj, multnombraj iam, kies speco hodiaŭ malaperas. Ni serĉis moralajn kaŭzojn, ni penis difini la specojn de ĉagrenoj, kiuj iam instigis la homojn loĝi en dezertoj.

Unu el niaj kunuloj diris subite:

Mi konis du solulojn: viro kaj virino. La virino ŝajne ankoraŭ vivas. Ŝi loĝis antaŭ kvin jaroj en ruinaĵoj, supre de absolute dezerta monteto sur la Korsika marbordo, dekkvin aŭ dudekkilometrojn for de ĉiu ajn domo. Ŝi vivis tie kun servistino; mi iris viziti ŝin. Ŝi certe estis iam distingita, monduma virino. Ŝi akceptis min kun ĝentileco, eĉ kun afabla ĉarmeco, sed mi scias nenion pri ŝi; mi divenis nenion.

Koncerne la viron, mi tuj rakontos lian teruran aventuron.

Turnu vin malantaŭen. Vi ekvidas tie tiun pintan kaj arbaran monteton, kiu videbliĝas malantaŭ la Napoule, tutsola antaŭ la pintoj de l' Esterel; en la regiono oni nomas ĝin Monto de Serpentoj. Tie vivis la solulo, inter la muroj de antikva templeto, antaŭ proksimume dekdu jaroj.

Aŭdinte pri li, mi decidis, konatiĝi kun li kaj mi forrajdis el Cannes iun matenon de marto. Lasinte mian ĉevalon en la gastejo de Napoule, mi ekgrimpis tiun strangan konuson, cent kvindek aŭ ducent metrojn altan. Kovritan de aromaj kreskaĵoj, precipe cistoj, kies odoro estas tiel akra kaj penetrema, ke ĝi konfuzas kaj kaŭzas kvazaŭ sveneton. La grundo estas ŝtona kaj oni vidas ofte longajn kolubrojn, kiuj glitas sur la ŝtonetoj. Kaj malaperas en la herboj. Pro tio la monto havas la pravan Kromnomon de la Serpentoj. La rampuloj ŝajnas naskiĝi sub la piedoj, kiam oni surgrimpas la deklivon, elmetitan al sunbrilo. Ili estas tiel multnobraj, ke oni ne kuraĝas marŝi, kaj ke oni sentas strangan ĝenon, ne timon, sed specon da mistika teruro. Mi havis plurfoje la strangan impreson, suprengrimpi la antikvan sanktan monton, strangan parfumitan kaj misteran monteton, kovritan de cistoj kaj loĝatan de senpentoj kaj kronitan per templo.

Tiu templo ankoraŭ ekzistas. Oni ja certigis al mi ke tio estis templo. Sed mi ne klopodis. ekscii plion, por ne difekti miajn revojn.

Do mi grimpis tien, iun matenon de marto, sub la preteksto admiri la pejzaĝon. Atinginte la supron mi fakte ekvidis murojn kaj viron sidantan sur ŝtono.

Li ne estis multe pli ol kvardekkvinjara, kvankam liaj haroj estis tute blankaj, sed lia barbo restis preskaŭ nigra. Li karesis katon, ronde kuŝantan sur liaj genuoj, kaj ŝajne ne atentis pri mi. Mi rondiris tra la ruinoj, kies unu parto, tegmentita kaj fermita per branĉoj, pajlo, herbo kaj ŝtonoj, estis loĝata de li, kaj mi revenis al lia flanko.

De tie la vidaĵo estas admirinda. Dekstre estas l' Esterel kun pintaj supraĵoj, strange eltranĉitaj, poste la senmezura maro, etendiĝante al la malproksimaj, italaj bordoj kun ĝiaj multaj terpintoj kaj kontraŭ Cannes, la insuloj de Lerins, verdaj kaj plataj, kiuj ŝajnas flosi, kaj kies lasta prezentas al la plenmaro altan kaj malnovan kastelon kun dentitaj turoj, konstruita en la ondoj mem.

Poste stariĝas la Alpoj, kies pintoj estas ankoraŭ kapuĉitaj de neĝo. Ili superstaras la verdan bordon, sur kiu, de tiel malproksime, oni vidas, simile al senmombraj ovoj, demetitaj laŭlonge de la bordo, la longan rozarion el vilaoj kaj blankaj urboj, konstruitaj meze de arboj.

Mi murmuris: »Kristi« estas bele«.

La viro levis la kapon kaj diris »Jes, sed se oni vidas tion la tutan tagon, estas unutone«.

Do li parolis, li babilis, kaj li enuis, mia solulo! Mi do povis ion ekscii.

Mi ne restis longtempe tiun tagon, kaj mi nur klopodis trovi la specon de lia homevitemo. Li precipe ŝajnis al mi estaĵo laca je la aliaj kaj je ĉio, senhelpe seniluzigita, kaj tedita de si mem kiel de la cetero.

Mi forlasis lin post duonhoro da interparolado. Sed mi revenis ok tagojn poste, kaj ankoraŭ unufoje la sekvintan semajnon, poste ĉiusemajne; la rezulto estis, ke ni fariĝis amikoj antaŭ du monatoj.

Nu, iun vesperon fine de majo, mi opiniis ke la taŭga momento venis, kaj mi kunprenis manĝaĵojn por vespermanĝi kun li sur la Monto de Serpentoj.

Estis unu el tiuj sudaj vesperoj, tiel odoraj en tiu lando, kie oni kulturas florojn same kiel oni kulturas tritikon en la Nordo, en tiu lando, kie oni fabrikas preskaŭ ĉiujn esencojn, kiuj parfumos la virinajn karnojn kaj robojn, — unu el tiuj vesperoj, dum kiu la spiroj de la sennombraj oranĝarboj, plantitaj en la ĝardenoj kaj ĉiuj valetaj sulkoj, malserenigas kaj sopirigas je amorevoj eĉ maljunulojn.

Mia solulo akceptis min kun videbla ĝojo; li volante konsentis partopreni mian vespermanĝon.

Mi trinkigis al li iom da vino, kion li ne plu kutimis; li pli vigliĝis kaj ekparolis pri sia antaŭa vivo. Li ĉiam loĝis en Parizo kaj vivis kiel gaja fraŭlo, ŝajnis al mi.

Mi demandis lin neatendite: »Kian strangan ideon vi havis venante loĝi sur ĉi tiu pinto?«

Li respondis tuj: »Ha! ĉar mi havis la plej akran emociegon, kiun homo kapablas percepti. Sed kial mi kaŝus al vi tiun malfeliĉon? Ĝi igos vin pri plendi min, eble! Kaj . . . mi neniam tian diris al iu . . . neniam . . . kaj mi volus scii . . . unu fojon . . . kion alia pensas pri tio . . . kaj kiel li tion prijuĝas.

Mi naskiĝis en Pariso, mi estis edukata en Parizo, mi grandiĝis kaj vivis en tiu urbo. Miaj gepatroj postlasis al mi renton de kelkaj miloj da frankoj, kaj mi ricevis per protekto modestan kaj trankvilan oficon, kiu, ĉar mi estis fraŭlo, igis min riĉa.

Mi pasigis, ekde mia viriĝo, fraŭlon vivon. Vi scias, kio ĝi estas. Libera kaj senfamilia, decidinte ne havi leĝan edzinon, mi pasigis de tempo al tempo tri monatojn kun unu, ses monatojn kun alia, poste unu jaron sen kunulino, elektante el la amaso da preneblaj aŭ aĉeteblaj knabinoj.

Tiu malboneta kaj banala vivo preskaŭ plaĉis al mi kaj kontentigis miajn denaskajn inklinojn al ŝanĝo kaj sencelaj promenadoj. Mi vivis sur la bulvardoj, en teatroj kaj kafejoj, ĉiam ekstere, preskaŭ senloĝeje, kvankam mi havis decan hejmon. Mi estis unu el tiuj miloj da estaĵoj kiuj kvazaŭ korkoj lasas sin flosigi, en la vivo; por kiuj la Parizaj muroj estas la muroj de la tuta mondo, kaj kiuj havas zorgojn pri nenio, ĉar ili havas pasion por nenio. Mi estis, kion oni nomas bona tipo, senbonkvalitoj kaj sen miskvalitoj. Jen! Kaj mi juĝis min senerara.

Do, de dudek ĝis kvardek jaroj, mia vivo fluis malrapide kaj rapide sen grava okazaĵo. Kiel ili rapidas, la unutonaj Parizaj jaroj, dum kiuj neniu epokfara rememoro eniras la spiriton, tiuj longaj kaj rapidaj jaroj, banalaj kaj gajaj, dum kiuj oni trinkas, manĝas kaj ridas, nesciante pro kio, kun lipoj etenditaj al ĉio gustumebla kaj al ĉio kisebla, sen deziro al io ajn! Mi estis juna, mi fariĝis maljuna, ne farinte, kion la aliaj faras, sen ia ajn amligeco, sen enradikiĝo, sen rilatoj, preskaŭ sen amikoj, sen parencoj, sen edzino, sen infanoj.

Do mi trankvile kaj rapide fariĝis kvardekjara, kaj por festi tiun datrevenon mi regalis min mem per bona vespermanĝo en granda kafejo. Mi estis solulo en la mondo; mi opiniis amuza, festi tutsole tiun daton.

Post la manĝo mi hezitis pri la sekvo. Mi ekdeziris iri en teatron; poste mi havis la ideon, pilgrimi al la »Latina Kvartalo«, kie mi iam studis la jursciencon. Mi do trairis Parizon kaj eniris sen antaŭdecido en unu el tiuj biervendejoj, kie knabinoj alportas la trinkaĵojn.

Tiu, kiu atentis pri mia tablo, estis tute juna, beleta kaj ridema. Mi proponis al ŝi trinkaĵon; ŝi tuj ĝin akceptis. Ŝi sidis antaŭ mi kaj rigardis min per siaj ekzercitaj okuloj, por scii pri kia speco de viro temas. Ŝi estis blondulino aŭ, pli bone, blondetulino, freŝa, tute freŝa estaĵo, kiun oni divenis rozkolora kaj diketa sub la ŝvelita korsaja ŝtofo. Mi diris al ŝi la amindumajn kaj malspritajn aferojn, kiujn oni ĉiam diras al tiuj estaĵoj; kaj, ĉar ŝi estis vere ĉarma, mi subite havis la ideon, ŝin forpreni... tio ankaŭ, por festi mian kvardekjarecon. Ne daŭris longe nek estis malfacile. Ĝuste ŝi estis libera... de dekkvin tagoj, ŝi diris al mi... kaj ŝi unue akceptis veni noktmanĝi kun mi en la Haloj, kiam ŝia servado estos finita.

Ĉar mi timis, ke ŝi malplenumos la rendevuon, — oni ne scias, kio povas okazi, nek, kiu povas eniri en tiujn bierejojn, nek, kiu vento povas blovi en virina kapo — mi restis tie la tutan vesperon por ŝin atendi.

Ankaŭ mi estis libera de unu aŭ du monatoj kaj mi demandis al mi, rigardante iri de tablo al tablo tiun infanĉarman novulon de l' amo, ĉu ne bone estus, fari aranĝon kun ŝi por kelka tempo. Mi rakontas al vi unu el la banalaj ĉiutagaj aventuroj de la vira vivo en Parazo.

Pardonu al mi tiujn maldelikatajn detalojn; tiuj, kiuj ne amis poete, prenas kaj elektas la virinojn, kiel oni elektas kotleton en la buĉejo, okupiĝante nur pri la kvalito de ilia karno.

Do mi kondukis ŝin en ŝian ĉambron. Estis laboristina loĝejeto pura kaj malriĉa, sur la kvina etaĝo; mi pasigis tie du ĉarmajn horojn. Tiu junulino havis maloftajn allogon kaj ĉarmon.

Forironte mi iris al la kameno, por tien meti la kutiman donacon, post kiam mi fiksis duan renkonton kun la knabineto, kiu restis en la lito: tiam mi malprecize vidis horloĝon sub kloŝo, du florvazojn, kaj du f o t o g r a f a ĵ o j n, kies unu, tre malnova, estis survitra kopio, nomita »dagerotipo«. Mi hazarde kliniĝis al tiu portreto kaj mi restis konfuzita, tro surprizita por kompreni... Estis mia, la unua el miaj portretoj... Kiun mi farigis iam, kiam mi studente vivadis en la »Latina Kvartalo«.

Mi subite prenis ĝin por ĝin pli atente ekzameni. Mi ne eraris... kaj mi havis emon ridi, ĉar tiu trovo estis tiel neantaŭvidita kaj gajige stranga.

Mi demandis: »Kiu estas tiu sinjoro«?

Ŝi respondis: »Estas mia patro, kiun mi ne konis. Patrino lasis tiun portreton al mi kaj diris, ke mi ĝin konservu, ke eble ĝi iam utilos al mi...«

Ŝi hezitis, ekridis, kaj rediris: »mi cetere ne scias, por kio ĝi povus utili al mi, mi pensas, ke mia patro ne venos min leĝe filinigi...

Mia koro batis rapidege, kiel la galopo de timfurioziĝinta ĉevalo. Mi remetis la bildon, kuŝigante ĝin sur la kameno, metis sur ĝin, eĉ ne sciante kion mi faris, du banknotojn centfrankajn, kiujn mi havis en la poŝo, kaj mi forkuris kriante: »Ĝis baldaŭ, ĝis la revido, karulino mia, ĝis la revido!«

Mi aŭdis, ke ŝi respondis »Ĝis mardo!« Mi estis sur la malluma ŝtuparo, kiun mi malsupreniris esplorpalpante.

Kiam mi eliris, mi konstatis, ke pluvis, kaj mi foriris grandpaŝe tra iu strato.

Mi iris antaŭen, frenezeta, konsternegita, serĉante rememorojn! Ĉu eble? — Jes — mi subite rememoris pri knabino, kiu skribis al mi ĉirkaŭe unu monaton post nia disiĝo, ke ŝi estas graveda de mi. Mi disŝiris aŭ bruligis la leteron kaj forgesis la aferon. Mi estus devinta rigardi la fotografaĵon de la virino sur la kameno de la



P. Ysern-Alié — *Fraŭlino Lolita Mas.*

# Du poemoj

— *Amalia Nunez Dubus* —

## Ŝtelara voĉo

Stelaroj malproksimaj, belserenaj,
brulantaj kiel la anĝelokul',
el kiaj florherbejoj lumoplenaj
flugpendas hele via stranga tul'?

Ĉu en vi, senmezura fajrujaro,
ankoraŭ la platen' estas vapor',
aŭ tegas vian mason nigra maro
sen fiŝoj, sen koraloj, sen kolor'?

Ĉu viajn ebenaĵojn primitiva
Mistero superregas en silent',
aŭ vin trairas la bestar' ekviva:
praelefantoj, megatera gent'?

Ĉu estas ĉe vi homoj, miaj fratoj,
regantaj super Viv' kaj super Am',
aŭ, kiel ni, la teraj mortpunatoj,
ekkonis la doloron ili jam?

Per kiaj mitoj ili reprezentas
la idealajn revojn de la em'?
Ĉu pri idoloj ili fundamentas,
aŭ kredas esti dioj ili mem?

Miljarojn teraj homoj ja sopiris
je l' Ver', sed penoj vane servis ĝin.
Ĉu ili, pli maljunaj, ĝin akiris?
Pli junaj, ili ĉu konservis ĝin?

Ho, kiu scias, steloj senmezuraj,
ĉu la Mister' ne estas jam ĉe vi,
kaj vi, tra l' spacoj de l' ĉiel' lazuraj
sciigas nin per via harmoni'!

Ho jes! ĉar tra ĉiela stelvizio
rakontas vi, per via vigla brul',
misterojn de la Ĉio kaj Nenio,
al mi, malgaja ĉiam revemul'.

Sed estas vane: homa karno mia
komprenon baras ja de via vort'.
Nun diru: ĉu mi do dum tago ia
komprenos vin, libera post la mort'?

## Nokta bildo

**(Aŭtuna nokto)**

Sonas el la turo du hor' kaj duono.
Mi revas sendorma post mia balkono:
sed dormas la eta provinca ĉefurb'
Velkintajn branĉetojn la vento frakasas.
Per paŝoj laŭritmaj policano pasas.
La luno vojiras tra ĉiela kurb.'
Drinkulo lamanta zigzagas la straton.
Vesperto skuigas la elektran draton
Malproksime ridas nokta belulin'.
Heroldo de morto — la popolo diras —
Noktua ekkrio silenton traŝiras.
— Ĉu pro birda amo? Ĉu pro homa fin'?

---

junulino. Sed ĉu mi estus ŝin rekoninta? Ĝi estis, ŝajnis al mi, fotografaĵo de maljunulino.

Mi atingis la kajon. Mi vidis benkon kaj mi sidiĝis. Pluvis. Homoj pasis de tempo al tempo sub pluvombreloj. La vivo ŝajnis al mi abomeninda kaj indigniga, plena de mizeroj, hontoj, volitaj aŭ senkonsciaj krimoj. Mia filino! Mi jus seksposedis eble mian filinon! Kaj Paris, tiu granda, malluma, malbrila, kota, malĝoja, nigra Paris kun ĉiuj tiuj ŝlositaj domoj, estis plena de tiaj aferoj, adultoj, sangadultoj, seksperfortitaj infanoj. Mi rememoris, kion oni diris pri la pontoj vizitataj de aĉaj malvirtuloj.

Mi agis, ne sciante kaj nevole, pli malbone ol tiuj malnoblegaj estaĵoj. Mi eniris la liton de mia filino!

Mi preskaŭ volis min ĵeti en la akvon. Mi estis freneza. Mi vagadis ĝis la sunleviĝo kaj poste revenis hejmen por pripensi.

Mi faris tiam, kio ŝajnis al mi plej saĝa. Dirinte, ke mi estas komisiita de amiko, mi petis notarion, voki tiun junulinon kaj demandi ŝin, en kiuj cirkonstancoj ŝia patrino donis al ŝi la portreton de tiu, kiun ŝi supozis sia patro.

La notario plenumis miajn ordonojn. Kiam ŝi mortis, tiu virino estis nominta la patron de ŝia filino antaŭ pastro, kies nomon oni diris al mi.

Poste, ankoraŭ en la nomo de tiu nekonata amiko, mi transdonigis al tiu infano la duonon de mia havaĵo: cent-kvardek mil frankojn proksimume, kies renton nur ŝi povas ricevi, poste mi eksiĝis el mia ofico kaj jen mi estas.

Vagante laŭ tiu marbordo mi trovis ĉi tiun monteton kaj mi haltis... ĝis kiam... mi ne scias!

»Kion vi pensas pri mi... kaj pri tio, kion mi faris?«

Mi respondis, etendante mian manon al li:

»Vi faris kion vi devis fari. Multaj aliaj estus donintaj malpli da graveco al tiu abomeninda fatalaĵo.«

Li rediris: »Mi tion scias, sed mi, mi estis preskaŭ freneziĝonta pro tio. Ŝajnas, ke mi havis senteman animon, kvankam mi neniam tion eksentis. Kaj mi nun timas Parizon, kiel la kredantoj devas timi la inferon. Mi ricevis baton sur la kapon, jen ĉio... baton similan al la falo de tegolo, kiam oni pasas sur strato. Mi estas pli bona de kelka tempo.«

Mi forlasis mian solulon. Mi estis tre emociita de lia rakonto.

Mi revidis lin ankoraŭ du fojojn, poste mi foriris, ĉar mi neniam restas en la Sudo post fino de majo.

Kiam mi revenis la sekvan jaron, la viro ne plu estis sur la monteto de la Serpentoj, kaj mi neniam aŭdis paroli pri li.

Jen la historio de mia ermito.

El la franca: *R. Richet.*

# Vizito al Stellan Engholm

— Jean Forge —



*St. Engholm, S-ino Engholm kaj Jean Forge*

Dum mia trimonata vojaĝo tra Svedujo urboj, urbetoj, vilaĝoj aperis kaj malaperis kiel sur filma rubando, vizaĝoj, vizaĝoj rigardis min, en la oku!oj ekbrilis samideana entuziasmo — en la haveno de Göteborg mi aŭdis la sirenojn de oceanoj ŝipegoj, en Stockholmo salutis min la blankaj mevoj, flugantaj super la bluaj akvoj, en miajn orelojn penetris la krio de l' grandurbo, tramoj kaj aŭtoj, homoj svarmantaj — la bildoj rapide pasis kiel sur sonĝa ekrano...

Kaj jen — el tiu tumulta kaoso, sur tiu sonĝa ekrano aperas unu rava bildo, unu mallonga sed neforgesebla bildo: Nyberget! Jes, subite post kelkhora veturado fervoje kaj aŭtomobile mi estas en Nyberget. Ne, verdire ie profunde en la arbaro, en densa sveda arbaro. Tie loĝas Stellan Engholm. Malproksime de la homoj, for de la grandurba bruo staras lia domo. Post tiom da bruo, da nervojn vipanta ĵazritmo de la nuna tempo, mi duoble sentegas la subitan kvieton de la naturo. Tie vivas la verkinto de la novelo »Al Torento«...

Malofte direktas homo siajn paŝojn en tiun solecan domon, ĉirkaŭitan de densa arbaro, kaj tamen — kiel interese! — venis al tiu kaŝita idilia loko konataj Esperantistoj: pastro Cseh, Tiberio Morariu, Henriko Seppik, la hindo Sinha kaj aliaj...

»Sinha estis ĉe ni kelkajn semajnojn,« rakontas la edzino de Engholm, perfekta esperantistino. »Li pilkludis kun svedaj knaboj, fiŝkaptis kaj banis sin en la proksima lago! Kiel domaĝe, ke li devis tiel frue reiri Hindujon. Li faris veran propagandon por Esperanto.«

Dum la vespermanĝo ni parolas pri la »verda politiko«, pri novaj pli modernaj propagandmetodoj. Sinha montris unu el tiuj vojoj: praktike uzi la lingvon. Ni devus havi 100 tiajn prelegistojn el plej diversaj rasoj kaj popoloj. Ili devus veturadi tra la landoj kaj prelegi en Esperanto pri interesaj temoj. Mi rakontas pri mia »nigra inafno« la negro Kola Ajayi, kiu volas fariĝi la nigra Sinha.

Stellan Engholm estas silentema, modesta homo, ŝajnas ke liaj pensoj forvagas en malproksimajn regionojn. Kiam mi sciigas, ke »Literatura Mondo« sendas min por fari intervjuon kun li, li diras: »Mi tute ne ŝatas la reklamon!« Ankaŭ la fotoaparaton li malŝatas, kiel mi poste konstatas.

Engholm estas instruisto. En la jaro 1920 li eklernas sola Esperanton, sed nur en la jaro 1927 li fariĝas pli aktiva, kiam li renkontas d-ron Privat kaj aŭdas unuafoje esperantlingvan lian paroladon. Li estas verkisto jam fruaĝe, verkas poemojn kaj novelojn en sveda lingvo. Poste komencas verki en Esperanto.

»Kiel tio okazis? Por konfesi la veron, unue mi ekskribis malgrandan skizon por ekzerci la lingvon, sed poste tiu ĉi skizo fariĝis pli kaj pli longa kaj fine el ĝi rezultis mia unua originala novelo »Al Torento«.«

Venas la tempo, kiam li tradukas la Andree-libron. Ĉiun liberan minuton li uzas, por fini tiun ofte malfacilan tradukon. Ĝis la unua, dua nokte li laboregas kun helpo de sia edzino. La lingvo, kiun li uzas, estas majstra, la stilo bonega, la formo unuaranga. La lingvaj lerteco kaj perfekteco estas la unua nepra eco de la originala Esperanto-verkisto. Engholm posedas ĝin en alta grado.

»Kion vi opinias pri la originala verkado en Esperanto?« mi demandas.

»Mi ne konsentas pri la aserto de kelkaj esperantistoj, ke Esperanto estas nura helplingvo taŭga por tradukoj. Laŭ mia opinio ĝi estas vivanta lingvo, en kiu ĉiu povas libere verki. La evoluo de la lingvo laŭ mia opinio estas akcelata ĝuste per la originalaj verkistoj. Tamen mi ne ŝatas neologismojn.«

»Do, laŭ vi Esperanto estas memstara literatura lingvo,« mi diras, »sed ĉu vi verkante ne sentas kelkfoje ĝian artefaritecon, ĝian konstruitecon? Ekzemple la multaj pre- kaj sufiksoj laŭ mia sento malaltigas la literaturan forton de la lingvo. Vortoj kiel malami, varmeta, malvarmega, malhela ktp. ofte havas specialan esprimon aŭ terminon en la naciaj lingvoj, ili por tiel diri estas pli »palaj« en Esperanto ol en la nacia lingvo. Al mi ofte ŝajnas — mi faris kelkajn tiurilatajn eksperimentojn — ke teksto bone tradukata el Esperanto en nacian lingvon en sia tradukita formo pli impresas ol en sia antaŭa origina formo.«

»Tion mi ne sentas,« kontraŭdiras Engholm, »sed ni konsideru, ke ni staras ankoraŭ en la komenco de la literatura lingvo Esperanto. Ĝi ankoraŭ estas uzata tro malmulte en la praktiko kaj tial la vortoj ankoraŭ ne penetris tro profunde en la sentojn de la esperantistoj — kiel tio okazis ĉe la ĉiutage uzata nacia lingvo, kaj eble ankaŭ la verkistoj.«

»Mi komprenas,« mi interrompas, »vi estas prava: oni uzas Esperanton tro malmulte en la praktiko! Ni devas lerni rektan pensadon kaj sentadon en la lingvo, precipe la originala verkisto devas liberiĝi tute de sia nacia lnigvo. Kaj la simpleco de Esperanto, ĉu ĝi ne ĝenas dum la verkado?«

»La facileco kaj simpleco de Esperanto tute ne malfortigas la literaturan kvaliton, kapablon de nia lingvo. Mi mem ekzemple ne ŝatas la modernajn verkistojn de hodiaŭ.«

»Kial ne?«

»Ĉar ŝajnas al mi, ke la modernaj nacilingvaj verkistoj faras tro multajn vortojn. Ili ofte uzas strangan »vortlingvon«, ili konstruas modernajn barikadojn de frazoj kaj vortoj, malantaŭ kiuj oni vane serĉas valorajn pensojn.«

Kaj la taskoj de la orginala Esperanto-verkisto? mi demandas.

»Antaŭ ĉio ili verku serioze! La temoj povas esti diversaj. Eĉ romani pri la vivo de la esperantistoj mem, pri ilia laboro, feliĉo kaj malĝojo povus esti interesa valora literaturaĵo, se oni priskribus la esperantistojn kiel homojn kaj serioze klopodus trovi la veron...«

Jes, tiel agas ja la verkisto kaj poeto Engholm. Li observas ĉion, kio lin ĉirkaŭas, la homojn de la svedaj arbaroj, la svedajn gejunulojn de hodiaŭ, la problemojn, kiajn prezentas la nuno, kaj projekcias per plej delikata sentospegulo iom de tiu nuno en la animon de la leganto!

»Homoj sur la tero« estas la titolo de lia nova romano. El la angla originalo li ĵus tradukis verkon de hinda profesoro S. Radhakrishnan en Esperanton. Kaj jam atendas lin nova tasko: por granda Stockholma eldonejo »Tiden« traduki sveden mian romanon »Mr. Tot aĉetas mil okulojn«...

Kiu verkisto influas lian verkadon? Li ne povas diri.

# Iom da Parizo

**– Knut Hamsun –**

Min ĉirkaŭas belo kaj forto, preter mi pasas la blindiga kaj rapidege kuranta vivo. Tio estas nacio, kiu paŝas kun brulantaj torĉoj, — pro plej sensignifaj cirkonstancoj venas en pli altan animstaton, lanĉas raketojn kaj ĵetas ĉirkaŭ si fajrerojn.

Ĉio tie ĉi miksiĝis, — malvirto, malĉasto kaj ree belo kaj forto. Inter la harmonio de arkitekturo kaj arto aŭdiĝas falsa kanto kaj naiva muziko. Kiaj gurdoj kaj kiaj strataj kantistoj estas en Parizo. La homoj ofte fajfetas marŝon, irante tra la strato, sed mem ne iras laŭ takto. Kiam tra la urbo marŝas la nacia gvardio, aŭ la versajla armeo, la militistoj tiel malbone atentas la takton, ke ili elvokas nur kompaton. Eĉ la Marsejlezon oni povas aŭdi en pli bona plenumo eksterlande ol en Parizo.

Sed tiu popolo kantetas, muzikas kaj ludas plej diversajn instrumentojn kun plezuro. La ĝojo kaj vivo ĝin ebriigas kaj levas de la tero. En la stratoj la homoj intervokas sin, krias al la ĉevaloj, surdige klakas per la longaj vipoj. Kaj samtempe, kun la konscio pri sia supereco kaj malŝato al fremduloj, ni vidas en ili infanan scivolemon. Sufiĉas ke ili renkontu en la strato ĉinon aŭ eĉ nur arabon por ke ili haltu, sin turnu kaj rigardu. En San Francisco neniu eĉ ekpensus halti antaŭ sovaĝulo kun ringo en la nazo.

*

Ili marŝas subsaltante dumire, kiel gajaj dancistoj, kiel plej juna kaj plej facilanima popolo en la mondo. Kaj malofte, tre malofte vi vidos, ke ili rompus la fiksitajn formojn. En ilia sango estas malnova kulturo, ili penas eviti maldelikatecon kaj konservas la ekvilibron. Kiel ĉiuj aristokratoj, ili estas konservativaj, ĝis nun ili gluas siajn leterojn per oblatoj kaj uzas alumetojn, kies terura odoro povas konkuri nur kun la odoro de la alumetoj amerikaj. Ilia pasinteco estas grandega kaj ili vivas per ĝi; generalo en uniformo fariĝas ilia dio kaj ili sopiras je l' grandeco de monarkio. La sendatoj en la ministrejoj portas ankoraŭ ĝis nun triangulajn ĉapojn.

Monsieur-monsieur.

Foje vespere antaŭ hotelo sidas kuireja knabo, lavante ion, kaj tien elvenis unu el la kuiristoj. Ili sidas kaj babilas inter si post tago labora. Sed jen la knabo leviĝas kaj diras:

— Bonne nuit, monsieur!

Kaj la kuiristo respondas:

— Bonne nuit, monsieur!

La formo ne estas forgesita...

Foje venas letero. Ĝi estis respondo je peto pri rendevuo. Juna sinjorino ĵus vidviniĝis, ŝi portis funebrajon kaj respondis sur funebra leterpapero. Sed al rendevuo ŝi konsentis veni.

Mi scias, ke tio estas vero. Mi mem vidis tiun leteron, skribitan sur funebra papero.

*

Iu rakontas:

Estas la kvina matene. Mi jam estas leviĝinta, ĉar la tutan nokton mi ne povis fermi okulon. Mi estas forlasita kaj malfeliĉa; mi sentus min bonege se ne estus la letero, kiun mi ricevis, kaj el kiu mi eksciis ke mi estas forlasita.

Mi eliras el mia ĉambro en la straton kaj eniras en koĉer-drinkejon. Mi mendas kafon kaj konjakon. Tie jam sidas kelkaj koĉeroj kaj ĝuas sian unuan matenmanĝeton, — ili estas entute kvin, ili laŭte interparolas kaj manĝas.

Mi portas malgrandan fotografaĵon en la mano, rigardas ĝin kaj por la centa fojo tralegadas la du-tri vortojn, skribitajn sur la inverso. Ŝi min petis bruligi la fotografaĵon, sed mi ne bruligis ĝin tiun nokton. Mi ĝin prezentas al koĉero sidanta apud mi, li rigardas ĝin, ridetas kaj diras, ke mi havas bonan guston.

— Vi eraras — mi diras, — tio estas mia fianĉino.

Tiam li laŭdas min ankoraŭ pli pro mia bona gusto. Li transdonas la fotografaĵon al siaj kamaradoj kaj klarigas al ili, ke tio estas mia fianĉino. Ĉiuj estas ravitaj, ĝojas pro mi, laŭte parolas kaj ridetas.

— Verdire ŝi ne estas plu mia fianĉino, — mi klarigas. — Ĉar ĝuste hieraŭ vespere mi ricevis de ŝi la lastan leteron. Mi havas la leteron kun mi ĉi tie, kaj jen kion ŝi skribis.

Mi montras al ili ankaŭ la leteron kaj turnas ilian atenton al tiu loko, kie estas skribite, ke ŝi forlasas min. La koĉeroj ne scias legi en mia lingvo, sed kiam mi montras al ili, kie tio estas skribita, ili kapskuas kaj fariĝas seriozaj pro kunsento je mia malfeliĉo.

Ni trinkas kune.

Estas jam la sesa horo.

En la drinkejeton ridege enfalas kelkaj viroj kaj virinoj. Eble ili revenas de balo tiun matenan horon, ili estas en balaj kostumoj, palaj post nedormita nokto, sed infekte gajegaj. Ankaŭ ili havis la ekpenson eniri en tiun ĉi drinkejeton; ili mendas kafon kaj konjakon. La koĉeroj montras ankaŭ al tiu fremda kompanio mian fotografaĵon kaj rakontas mian historion. Ĉiuj rigardas min kunsente kaj alta juna fraŭlino enpensiĝas.

Mi trinkas ankoraŭ kafon, precipe pro la konjako, la koĉeroj trinkas ankaŭ. La fremda kompanio partoprenas en nia societo, kapskuas al ni kaj trinkas por nia sano.

Subite la alta juna knabino aliras al mi, prenas el sia zono du rozojn kaj prezentas ilin al mi. La ceteraj sidas kaj rigardas. Mi leviĝas kaj dankas kaj staras antaŭ ŝi konfuza kaj konsternita. Ŝi prenas mian kapon en siajn manojn, kisas min sur la lipoj kaj iras al sia loko.

Aŭdiĝas ĝenerala aprobo.

La rozoj ĉifiĝadis la tutan nokton kaj komencis jam velki; sed ili estis grandaj kaj malhelruĝaj. Mi volas ilin alkroĉi al mia brusto kaj mi serĉas pinglon. Iu tuj prezentas al mi pinglon. Ĉiuj volas helpi min kaj vidigi ian servon. Ĉiuj ĉi homoj estas allogitaj de minuta agordo; unu fiakristo demandas min, kie mi loĝas kaj proponas

---

Li ŝatas la hispanan poeton Cervantes kaj lian verkon »Don Quixote«, li ŝatas la rusan verkiston Dostojewski plej multe. Li eĉ studas la rusan lingvon. Kaj li ŝatas kaj admiras la genian mortintan Berlinan pentriston Heinrich Zille.

»Zille? Kia surprizo por mi!« mi elkrias, Ĉu vi scias, ke ankaŭ mi estas admiranto de tiu pentristo, kiu majstre desegnis la proletojn kaj malriĉulojn de Berlino kun unika ironia trajto? Ke laŭ mia manuskripto ni turnis en tiu »milljöh« (medio) unu el la plej sukcesaj artnivelaj filmoj?«

Tio estas nova bazo por vigla diskuto. Estas malfrua nokto, kiam ni fine enlitiĝas.

Matene la suno brilegas en miajn fenestrojn. De la lerneja korto sonas la ĝojkrioj de svedaj geknaboj. Engholm jam komencis la instruadon en la lernejo...

Bedaŭrinde la tempo ne permesas resti pli longe en la agrabla gastama hejmo de gesinjoroj Engholm, babili kun la poeto pri niaj »verdliteraturaj« demandoj, promeni tra la sorĉa sveda arbaro, senti la kvieton de la naturo.

Stellan Enholm adiaŭas dum la paŭzo. Li esperas veni al Parizo. »Mi ne ŝatas la reklamon!« li ripetas. Certe — ankoraŭ li staras en la komenco de sia Esperanta verkado. Sed mi estas konvinkita, ke li donacos al ni ankoraŭ grandajn valorajn verkojn, pri kiuj povos fieri la Esperanta popolo, ke li estos unu el la pioniroj en la batalo por la ekzistrajto de nia originala literaturo — li, la delikatsenta psikologo, la kvietvorta poeto el la alta nordo: *Stellan Engholm!*

veturigi min hejmen senpage. Sed kiam mi pagas la plenan kalkulon, ĉiuj fiakristoj protestas, svingas per la manoj kaj evidentiĝas simptomojn de forta ekscitiĝo; ili akompanas min ĝis la pordo kaj postkrias korajn vortojn, ĝis mi malaperas, Bonjour, monsieur! Merci, monsieur!

*

Ĉe la angulo de bulvardo Saint-Michel kaj strato Vaugirard staras homo. Lamulo. Li vendas krajonojn. Tiu ĉi homo tedas neniun, ne parolas eĉ unu vorton, kvankam li treege dezirus vendi krajonon. Foje, matene, mi aĉetas de li krajonon kaj li ne parolas eĉ unu vorton, krom la kutiman: Merci, monsieur! Kaj jen, mi komencis aĉetadi de li ĉiutage krajonon dum tri semajnoj. La homo tiel kutimiĝis al mi, ke tuj li prezentis al mi krajonon, kiam mi nur proksimiĝis al li; jes, kaj per ĉiuj fortoj li penis elekti por mi plej bonan krajonon, kiun li nur havis. Sed li parolis al mi nenion krom: Merci, monsieur!

Fine li foje al mi diris:

— Mi ĝojas, monsieur, ke vi trovis krajonon kiu taŭgas por vi.

Sed tion li diris al mi post kiam mi aĉetis de li dudek krajonojn.

*

Foje vespere mi sidas en granda restoracio kaj trarigardas ilustritajn ĵurnalojn. Subite la pordo malfermiĝas kaj en la salonon eniras sinjorino. Ŝi haltas momenton kaj rigardas ĉirkaŭen. Ŝi estas eksterordinare belega, sed harojn ŝi havas, kiel kutime havas la sinjorinoj de l' duonmondo — heligitajn je flaveta koloro, kaj ŝia tuta figuro esprimas arogecon.

Ŝi turnas sin al mi kaj diras:

— Estu afabla, eliru kaj pagu mian fiakriston.

Mi tute ne sidis pli proksime al ŝi ol aliaj, tamen ŝi turnis sin al mi. Mi ekmordis la lipojn, metis la manon en la poŝon, vokis kelneron kaj diris al li:

— Iru kaj pagu al la fiakristo de tiu sinjorino.

Mi ĵetis al li moneron dudekfrankan. La sinjorino komencis min observi kun scivolemo kaj kun miro.

Sen plua parolo mi ree komencis studadi la ilustritajn gazetojn kaj interne ĝojis, ke la sinjorino ricevis bonan instruon de mi. Ŝi eksidis ĉe alia tablo. La kelnero revenas, donas al ŝi la monon, kiun li reste ricevis, ricevas frankon trinkmone, riverencas kaj foriras de la sinjorino. La restaj moneroj kuŝas antaŭ ŝi.

Eniras sinjoro kiun ŝi konas kaj ŝi kapsigne vokas lin al si. Ili interparolas mallaŭte, ŝi komunikas al li mian maldelikatecon, konsistantan en tio, ke mi sendis la kelneron, montras la monon sur la tablo, skuas la kapon kaj levas la ŝultrojn. La sinjoro sendas al mi kelneron kun mia armonero, kaj mi akceptas ĝin kun konvena al tiu kazo trankvileco, kaj lasas la moneron en la veŝtan poŝon.

Sed nun la sinjorino ree aliras al mi. Mia neŝancelebla trankvilo incitas ŝin, ŝi volas, ke la lasta vorto apartenu al ŝi.

— Ĉu vi ricevis vian monon? — ŝi demandas.

— Jes, mi dankas, — mi respondas kun miro.

— Ĉar mi prunteprenis de tiu ĉi sinjoro dudek frankojn, — ŝi diras al mia najbaro. Kaj ŝi denove klarigas kiel mi agis kaj kiel mi sendis la kelneron. Ŝi turnas sin ankoraŭ al unu el la ĉeestantoj, kaj poste ankoraŭ al unu, — estas klare, ke ŝi sentas sin forte ofendita kaj serĉas kunsenton ĉe unu tablo post la alia tra la tuta salono. Oni komencas ĉie paroli pri tio ĉi, mi aŭdas la vorton fremdulo, ĉiuj konsentas kun ŝi.

Meze de ĉio ĉi mi povis nur silenti. Se mi provus senkulpigi min kun la du dekoj da francaj vortoj, kiujn mi havas en provizo, mi fariĝus nur ridinda kaj eble oni min eĉ forpelus. Kaj tial silente mi aŭskultas, kio okazas ĉirkaŭ mi.

— For lin! — aŭdiĝis el ie en la salono.

— For lin! — oni respondis en alia loko.

Mi vokis la kelneron kaj pagis la kalkulon. Farinte tion, mi trankvile refoje sidiĝis. Ĉirkaŭ mi okazadis malkvietaj interparoloj.

En tiu momento malfermiĝis la pordo kaj eniris sinjoro, kiun mi konis. Tio estis d-ro Goldman, la korespondanto de »Frankfurter Nachrichten«. Li sidiĝas ĉe mia tableto kaj volas ekscii, kio okazis. Kiam mi en kelkaj vortoj klarigas al li la situacion, li diras ke tiu sinjorino estas la fama mademoiselle G. Kaj li aliras al mademoiselle G. kaj diras al ŝi kelkajn vortojn, tenante la ĉapelon en la mano.

Post tio ĉi la uragano mallaŭtiĝas. Mi trinkas kun la doktoro vinon kaj la sidantoj ĉirkaŭ ni komencas rigardi min eĉ kun certa favoro. Sinjoro demandas la doktoron

— De kiu nacio estas via amiko?

Kaj la doktoro respondas:

— Ruso.

— Ruso — ruso, — disportiĝas murmuro tra la tuta salono. Mi estas savita. Kiam mi forlasis la restoracion, mi ricevis bukedon da violetoj de m-elle G.

Du semajnojn poste mi famiĝis kiel ruso en pafejo. Kaj malgraŭ tio, ke mi pafadis tre malbone, ĉirkaŭ mi aŭdiĝadis laŭtaj aklamoj ĉiufoje, kiam mi de tempo al tempo sukcesis trafi en la celon.

Tradukis: *E. Wiesenfeld.*

## *AŬTUNA KANTO*

*— Ch. Baudelaire —*

### I.

Ni baldaŭ dronos funde de la mallumoj frostaj;
adiaŭ, viva klaro de ĉi somer' tro fuĝa!
Mi aŭdas jam, ke falas, kun skuoj morte tristaj,
sur kortpavim' la ligno, resonadante muĝa.

En min la tuta vintro eniros tuj: kolero,
malamo, trem', hororo, penego truda, dura,
kaj, kiel sun' en sia polusa frost-infero,
jam mia koro estos nur glaciblok' purpura.

Tremante mi aŭskultas la ŝtipojn, kiuj falas;
ne eĥas ja pli surde eĉ eŝaford' farata falas;
Mia spirit' similas al tur', kiun ŝancelas
la frapoj de arjeto senlace, peze bata.

Kaj ŝajnas, dum min lulas ĉi tiu monotono,
ke oni najlas ĉerkon per martelado hasta.
Por kiu?... Jus someris; jen estas la aŭtuno!
Ĉi bru' mistera sonas kiel foriro lasta.

### II.

Mi amas verdan lumon de l' longa okulparo,
vi, milda Bel', sed ĉion mi trovas nun amar';
neni', nek via amo, fajruj', nek buduaro
valoras por mi sunon, radian sur la mar'.

Tamen, min amu, estu patrino, kor' tenera,
patrin' eĉ por maldanka, eĉ por malbona vir';
amo aŭ frate, estu la mildo efemera
de la aŭtuno glora, aŭ de la sunsubir'.

Mallonga task'! Atendas, avidas ja la tombo!
Ho, lasu min, gustumi, kun frunt' ĉe via zon',
bedaŭre pri la blanka kaj varma somerpompo,
la brilon flavan, mildan de la malfru-sezon'.

El la franca: *G. Waringhien*

# Prezentado de Parizo je la kvina vespere

— JULES ROMAINS —

Antaŭ la pordego del Sankta-koro provincanoj, fremduloj, alvenintaj nur hieraŭ, rigardis Parizon atingitan de la ondaj movoj del ombro, k indikigis al si la monumentojn. Aliaj, malproksime, forlasis la lanternon del Panteono, la turojn de Notre-Dame, malfruadis en la ŝtuparo del Eiffelturo, tute frostigitaj de vento k vakuo. Del balkono de sia laborejo, en Caulaincourt-strato, pentristo vidis ondeĝi la nordajn antaŭurbojn, kun siaj fabrikoj, siaj fumoj, kun la blankaj neĝeroj del lokomotivoj, ĝis la montetoj de Pierrefitte ... En la centro la vastaj vespermovadoj, la longaj supreniradoj al Nordo k Easto, similaj al senfina spirado, apenaŭ komenciĝis. La homfrekvento jam forlasis la internon de la Dorso k del bankoj, malpliiĝis ĉe la etaĝoj del komercejoj, sed pliiĝis k plidensiĝis en la stratoj. La butikoj eklumiĝis ekde la fundo ... Uzintrumpoj fajfadis; la stacidomaj horloĝoj montris la kvinan. Kvar, sep, dekunu ekspresaj trajnoj rulis al Parizo. La kvar, kiuj malproksime rampadis, eliris apenaŭ el provinco. Ili jus deiris de la lastaj urbegoj, kiujn Parizo lasas kreski je kelka distanco; ĉi tiuj signas, palisoj, cirklon, kiu estas kvazaŭ la desegno de ĝia ombro. De kiam oni penetras kiel en ĝin, Parizo nesenteble jam komenciĝis.

Tri aliaj, multe pli proksimaj, trairas kamparojn ensorbitajn k konkeritajn, sed ankoraŭ belajn, en la oblikva fluo de orbruna sunsubiro. Ili alvenis al la dua cirklo, al tiu, kiun difinas, ĉirkaŭ dekdu legvoj for de Notre-Dame, la ĉeflokoj del maljunaj landoj de Ile-de-France.

La kvar ekspresoj kiuj alkuradis la unuaj, jam atingis la najbaran ĉirkaŭurbon, sin enŝovis en ĝin, malrapidiĝante. La unua venis de Lyon, alia de Lille, alia de Bordeaux, alia de Amsterdam.

Parto de centro komencis malstreĉiĝi: vigla fluo de veturiloj progresis en direkto al uesto, k kontinua svarmado de piedirantoj ŝtopadis ĉiujn vojojn, kiuj iras de Concorde al Bastille. Estis la horo, kiam en la stratoj la proporcio de riĉuloj estas plej granda; kiam la magazenegoj, akre iluminitaj, pleniĝas de virinoj; kiam la virinoj ŝajnas esti ĉie pli multaj k pli feliĉaj ol la viroj; kiam laŭtiĝas en preĝejoj delikata bruo de preĝado, sub la sola lumo del kandeloj; k kiam la infanoj del popolaj kvartiroj kriante sin pelas sur la trotuaroj.

En la stacioj del subtera fervojo, vojaĝantoj, ne ĉesante gvati la estontan tondron de trajno, ekzamenis la planon, serĉis straton. Aliaj, kiuj vidis ilin tiel agi, rimarkis la planon, ankaŭ rigardis eble por la unua fojo ili klarigis al si la formon de la urbo, pripensis ĝin, ekmiris pro la orientado de bulvardo, pro la dimensio de arondismento. Koĉeroj, ŝoforoj akceptis klientojn, aŭskultis nekutiman stratnomon; tiam Parizo malvolviĝis en ilia kapo, en ilia korpola, netuŝebla Parizo farita el vivantaj linioj, el sensitaj distancoj, sorbigita de movadoj kiel spongo k misformita de la senĉesa fluo del proskimiĝantaj k foriĝantaj aferoj. Subite en tiu Parizo, kiun ili identigis al si mem, la strato pikis ilin ĉe preciza punkto, k ili iris al ĝi kvazaŭ al juko.

En la oficejoj del Prefektejo, ĉel ekstremo de ĉiam malpuraj koridoroj, homoj kun lustrinaj manikoj adiciis naskiĝojn, difterikazojn, akcidentojn per ĉeval- k motorveturiloj, kvadratmetrojn da asfaltita ŝoseo, centkilogramojn da vivviando, biletojn de subtervojo laŭ stacioj k linioj, kostojn po vojaĝanto-kilometro. Kliniĝintaj kiel anatomoj super ia sensanga Parizo, ili detranĉis de ĝi longajn rimenojn da ciferoj.

La homoj en la dekunu ekspresoj pensis al Parizo. Kiuj jam konis ĝin, tiuj reprezentis al si precizajn stratangulojn, hejmojn, vizaĝojn; faris jam antaŭe siajn klopodojn, gestojn, respondojn en ĝustaj lokoj; sternis sin jam antaŭe en liton, en kiu la dormo atingos ilin laŭ preciza maniero. La novevenintoj metis al si demandojn, metis ilin al la kamparo trans la vitroj, al siaj pakaĵoj, al la rapide preterpasantaj stacidomoj, al la konvekса lanterno del kupeo, al la vizaĝo de silenta apudsidanto. Ili angore serĉadis kaj kolektis ĉiujn viziojn, kiujn ili imagis al si pri Parizo. Ili malvolvis fantaziajn dekoraciojn ĉirkaŭ konataj estaĵoj. Ili dotis per ia voĉo, rigardo, korpulenteco la nomojn, kiujn oni skribis al ili sur paperpecetoj. Ĉirkaŭ la periferio, teren-spekulaciistoj padelis en la koto de nefinitaj stratoj, levis la kapon por rekoni laŭ la lumoj del sunsubiro la direkton del nordo, del sudo; okulesploris pasantan maljunulinon, stratlanternon, la drinkejon ĉe la angulo, aŭskultis la rulbruon de aŭtobuso, flaradis la venton, kvazaŭ la estonto parolus tuj al ili, mallaŭte. Vendisto de laĉoj kaj krajonoj, forlasante la regionon ĉirkaŭ la pordego Saint-Denis, malsupreniris tra la bulvardo Sèbastopol al la Châtelet kaj Urbdomo, kvazaŭ fiŝeca instinkto antaŭsentigus al li, ke iaj akvoj laŭ la horoj estas pli aŭ malpli favoraj. La poŝŝtelistoj, ankoraŭ pli impreseblaj de la nuancoj del homama so, fordonis sin al analogaj migradoj. Kaj la publikulinoj, kiuj ne havas kapricojn, iris fidele reokupi sian postenon sur la gvatvojo de l' korpa amo.

Tiam la liceanoj, en la studĉambroj, mordetante sian plumingon aŭ taŭzante al si la harojn, sekvis la lastajn tagrebrilojn pelitajn de la gaslumo sur la

---

## La Kokoso

— Toŝon Simazaki —

De insuleto fora, nekonata,  
Tra l' maroj albordiĝis jen kokoso.  
La hejmon forlasinte, laŭ supozo  
Ĝi venis post vagado multmonata.

Forpelis min la sorto senkompata,  
Kaj sola kaj malseka de la roso  
Mi litas ĉe l' marbordo por ripozo,  
For de la hejmo, arde sopirata.

Mi prenas la kokoson ekkarese.  
Ho, bolas nun denove la doloro  
Kaj varmaj larmoj fluas for senĉese.

La sun' subiras jam en orkoloro.  
Ho, kiam hejmenvenos mi sukcese,  
Vagulo? Ve, respondas sole ploro!

El la japana: *K. H. Sisido, Kioto.*

*Rim, de l' trad':* La originalo, poemo de nuntempa poeto japana, ne estas soneto; la japana verso ne havas rimojn, do ankaŭ soneto ne povas en ĝi ekzisti. Mi tamen aranĝis ĝin kiel soneton, ĉar, laŭ mia sento, ĝia strukturo, ĝia interna formo estas tute konforma al soneto.

glacea kurbo del grandaj geografiaj kartoj. Ili vidis la tutan Francujon; Parizon, metitan kiel dika glueca guto sur la 48-a paralelo, kaj fleksante ĝin sub sia pezo; ili vidis Parizon strange kroĉitan al sia rivero, haltigitan per ties buklo, kojnumitan kiel perlo sur tordita fadeno. Oni eksentis deziron maltordi la fadenon, glitigi Parizon almonte ĝis la kunfluejo del Marne, aŭ alvale kiel eble plej malproksime, al maro.

Aliloke, en hotelĉambro, en iu kerno del homamaso, en kupeo de ekspreso, estis iu, dum minuto, kiu revis pri la formo aŭ la grando de Parizo. Iu serĉis ciferon en sia memoro, komparis, ekmiris. Kelkaj konsultis dokumentojn, librojn, gvidfoliojn. Vojaĝantoj, kiuj estis rigardintaj Parizon de la alto de turo, konjektis, malsuprenirante la helikŝtuparon, la radion de tiu tutplene humana horizonto. Aliaj, de malproksime venintaj, sin demandis: »Ĉu estas ĉi tie pli da homoj ol en la subway? Ĉu mi estas pli puŝpelita ol sur la ŝtonplatoj de Cheapside?«

Ŝed la liceanoj turnis la okulojn al la eŭropa karto. Kaj tie oni vidis ankoraŭ Francujon, oni ekvidis ĝin tuj, kiel ion arkiĝintan, preskaŭ prancintan jel antaŭo del kontinento, ion tamen kelke retiriĝintan, grandvaloran, ŝirmitan de pli riskemaj elstaraĵoj. Azio k Eŭropo turnas al si la dorson; Eŭropo fluegas al uesto; Eŭropo estas marŝado al okcidento. Parizo, reduktita ĝis punkto, pikita tro alte por la oportuno de Francujo, ŝajnis okupi la lokon deziritan de Eŭropo. Malpli taŭge lokita por la provincoj ol por la nacioj, kaj por la savo de unu el ili ol por la renkonto de ĉiuj, Parizo donis sian nomon al la probabla situo de metropolo del popoloj. Eĉ ĝia malproksimo for del maro ĝojigis nun la vidon. Metropolo sur la bordo ŝajnos ĉiam tro ekstera kaj tro vundebla, tro forlasita ankaŭ al la ir- k reiroj del maro, kaj tutapertita antaŭ la trafiko. Por ŝirmi la koron del Okcidento, estis ja necesa tiu dikaĵo da franca tero.

El »Julieta en la virlando«: *G. Waringhien*

# Preĝo sur la Eiffelturo

**— J. Giraudoux —**

. . . Jen la Eiffelturo! Dio mia, kian fidon en la universa gravitado havis ĝia inĝeniero! Sankta Virgino, se por sekundkvarono la hipotezo pri la pezoleĝo estus miselpensita, kia grandioza rubo! Jen kion oni konstruas per hipotezoj! Jen realigita el fero la ŝnuro, kiun ĵetas al ĉielo la fakiro, k per kiu li invitas siajn amikojn grimpi . . . Mi konis Eiffel'on, mi grimpas . . . Dio mia, kiel ĝi estas bela, vidite de la deirkaĝo, kun sia larĝa surtrikaĵo, stebita ĝis la dua etaĝo, kiel al impona ŝtrumpeto! Sed ĝi ne estas konstruaĵo, ĝi estas veturilo, navigilo. Ĝi estas maljuna k flikita kiel ŝipo, samaĝa kiel ĝi, kiel ankaŭ mi, ĉar mi naskiĝis la monaton, dum kiu ĝi eliris al tero. Ĝi havas tiun aĝon, kiam oni plezure sentas sin surgrimpata de infanoj k amerikaninoj. Ĝi havas tiun aĝon, kiam la koro ŝatas provizi sin per SFT k koncertoj je sia supro. Ĉion, kion mi amas en la transatlantikaj ŝipoj, tie mi retrovas. Nekompreneblaj parfumoj, demetitaj en ŝtala lozanĝo de unu pasinto, k tiel fiksaj en sia alto, kiel ĉerko en maro, tenata de sia kuglego; sed precipe nomoj de sirianoj, de kolombianoj, de aŭstralianoj, gravuritaj ne sur la pavezoj, sed sur ĉiuj vitroj, ĉar la materio plej impresebla k modlebla de tiu turo estas la vitro. Ne unu fremda vizitinto, kiu tien supreniris sen diamanto . . . .

Oni translokas nin ĉiuminute de lifto al lifto, por erarigi mi ne scias kian persekuton, k kelkaj vojaĝantoj, senembarasigitaj de siaj nomoj k antaŭnomoj ekde la dua etaĝo, vagas sur la tria kun malprecizaj okuloj, serĉante pseŭdonimon aŭ idealan patronon.

Oni permesas kvaronhoran halton sur tiu ĉi plataĵo. Sed por tiuj dekkvin minutoj da izoleco, Eiffel kolektis ĉion, kio sufiĉas por dekunu monatoj al la pasaĝeroj del ŝipo, kiu rondiras la teron, dek barelludojn, dek aŭtomatajn orakolojn, mekanikajn birdojn laŭ dekduoj k la friziston. Ĉiu ekspozicio lasis tie alte sian aluvion, iom da universala aluvio. Tiu de 1889, stereoskopajn aparatojn, en kiu oni vidas la negrinojn, de ĉiu tribo en Kongolando disetendi la okulojn k la mamojn antaŭ miregiga spektaklo, kiu povas esti, tiel similaj estas iliaj surprizoj, nur la aspekto del fotografisto. Tiu de 1900 rusajn vortojn. Moskvo, Kronstadt ascendis ankaŭ por gravuri siajn nomojn . . Sed kiel la muzeo Gallièra estas bela de tie ĉi! Kaj tiuj disputoj, per kiuj malpacas sube Notre-Dame k la Sankta-Koro, la Panteono k la Lyon-stacidomo, kiel oni vidas de tie ĉi, ke ili estas tromparanĝitaj por iom amuzi homojn, k male, ke estas inter ĉiuj tiuj konstruaĵoj nur akordo k nur konsento! Elaksigitaj hodiaŭ per magneto, kiu estas sendube la amikeco, la Aleksandra ponto k la ponto del Konkordo preskaŭ sin proksimigas k kunigas . . .

Do, mi havas sub miaj okuloj la kvin mil hektarojn en la mondo, kie estis plej multe pensate, plej multe parolate, plej multe skribate. La vojkruco en nia planedo, kiu estis plej libera, plej eleganta, malplej hipokrita. Tiu delikata aero, tiu malpleno sub mi estas la tavoliĝoj, kiom akumulitaj! del spirito, del rezonado, del gusto. Do, pri ĉiuj tiuj malpliiĝoj k stumpigoj, kiujn suferis homoj, estas pli probable ĉi tie ol ie ajn, inkluzive de Babilono k Ateno, ke ilin kaŭzis la lukto kontraŭ la malbelo, tiraneco k materio. Ĉiuj laborakcidentoj estas tie ĉi pensakcidentoj. Pli probable estas ol aliloke, ke la kurbigitaj dorsoj, la faltoj de tiuj burĝoj k metiistoj estas ricevitaj pro la legado, la presado, la bindado de *Descartes* k *Pascal;* ke tiuj nazumoj iĝis necesaj pro *Commines* k *Froissard;* ke tiu malforto ĉe la palpebroj estis ricevita dum kopiado del heraldika gvidlibro, aŭ, en metiejo, pro tio ke homoj ne volis kompromisi pri ia kromflavo aŭ skarlato; ke tiu stumpulo perdis, trančitajn, la fingron, poste la manon, poste la alian manon retenante apud la radiumo la barkon (se vi volas k ekkomprenis la aludon al tiu Salamina batalo) de niaj doloroj. Jen la hektaro, en kiu la kontemplado al Watteau kaŭzis plej multajn tempifaltetojn. Jen la hektaro, en kiu la komisioj por enpoŝtigi Corneille, Racine k Hugo estigis plej multajn varikojn. Jen la domo, en kiu loĝas la laboristo, kiu rompis al si la kruron riparante la memorplaton de Danton. Jen, ĉe la angulo del Volterkajo, la centiaro, en kiu oni akiris plej da renŝtonetoj batalante kontraŭ la despotismo. Jen la kvadratcentimetro sur kiun, en la tago de lia morto, falis la sango de Molière. Okazas, ke en tiu strika tago, kiam la metioj ŝajnas nelabori en Parizo, kiam la laboristoj, kredante kontraŭstari al sia naturo, k obeante nur al la ava kutimo, reiris al kamparo, Parizo plenumas la puran metion de Parizo; k Notre-Dame, k la Louvre, k ĉiuj ĝiaj monumentoj estas hodiaŭ tiel kompaktaj k senmovaj, kiel la rado del helico turniĝanta po mil turnoj . . .

El »La homoj de bona intenco«: *G. Waringhien*

# Fligelman

— H. D. Nomberg —

*Daŭrigo*

## Fligelman kaj la amo

Pri amo Fligelman havis altan opinion. — Amo — li kutime diras, — estas la ĉefa principo de l vivo. La vivo sen amo havas nenian sencon. Homo, kiu denature ne emas ami, pli malmulte valoras, ol homo, kiu scias nek legi, nek skribi. Fligelman estis tre inklina por amo, sed se oni kondutas en la vivo honeste kaj prudente, oni devas apartiĝi de l' mondo. »Mi povas nek mensogi, nek komplimenti«, li sin konsolis, pro sia malkapablo interrilati kun virinoj.

Li esperis ĉiam trovi tian animon, kiu kunsentos la lian, li kredis, ke neniu kruda animo povas lin ami.

Iam post translokiĝo en alian loĝejon, li rimarkis en la kontraŭa fenestro palan figuron kun nigraj haroj, vestitan en hela bluzo kun neĝblanka malelasta kolumo. Okuloj grandaj, nigraj rigardis rekte al lia fenestro. Estis malfrue. Ekstere estis lume, hela lumo kuŝis sur la duona kontraŭa muro. La fenestroj estis malfermitaj, la knabino tenis la manon super la okuloj kaj rigardis, ankaŭ Fligelman rigardis. La knabino mallevis honte la okulojn, ŝia brusto ekmoviĝis, ŝajnis, kvazaŭ ŝi ekĝemetus. Fligelman daŭre rigardis al ŝi kun ravo, sed la knabino jen ree levis la okulojn jen ree mallevis ilin, honteme, denove la brusto ekmovis sin... Fligelman frapetis per du fingroj sur la fenestro kaj diris al ŝi: sufiĉe!

Kaj li foriris de la fenestro, kontente, ke li sin mem venkis ne rigardante plu, kvankam li tion volis.

»La plej granda venko estas, kiam oni sukcesas sin superforti« li poste pensis irante tra la strato al iu el siaj lernantoj. Sed sidante ĉe la leciono, li sentis, ke li estas iom maltrankvila, io tuŝis la koron: la nigraj haroj kaj la hela bluzo kun la blanka kolumo tremis en lia cerbo. Krome li estis iel bonhumora, vigla, kiel iam en sia hejmo, nur dum la antaŭpaska tago, antaŭ multaj jaroj:

»Hm ... jes« li pensis dum la tuta tago, frotis per la manoj la lipharojn, eligante preskaŭ nenian superfluan vorton, kaŝante pri si ian sekreton. Lia vizaĝo ridetis la tutan tagon.

Nokte kuŝante en la lito, kiam nur li fermis la okulojn, la lito iom forturniĝis, kaŭzante, ke liaj okuloj estis en flanko de la fenestro. Li senĉese pensis pri la figuro, kaj en la malluma fono kuris multaj punktetoj, kaj io blanka posttreniĝis, kvazaŭ malpeza nebulo. Ŝajnis, ke la punktetoj flugante faris rektan geometrian linion de tiu fenestro al lia. Subite li rememoris, ke li kuŝas turnita kun la kapo al la fenestro kaj komencis orientiĝi. Kiam li atingpalpis la muron, malfermante la okulojn, la liteto ree forturniĝis kaj lia rigardo nun fiksiĝis sur la blanka forno.

Li eksidis, returnis la kapon. Vid-al-vide estis mallume. Li rekuŝiĝis kaj post kelkaj minutoj la liteto denove situis alimaniere.

— Hm... li ridetis por si kaj ree ekdormis sonĝante.

Morgaŭ matene la knabino denove sidis ĉe la fenestro. Ŝi legis libron kaj Fligelman povis rigardi kiom longe li nur vidis, la knabino subite levis la okulojn kaj rigardis rekte al li, en la rigardo sin kaŝis io. »La animo de la homo respeguliĝas en la rigardo kaj rido.« li ripetis por si ian frazon, kiun li delonge jam estis leginta. »Rimarkinde bona sentenco.«

Li paŝis al sia malgranda speguleto, rigardis en ĝin, konstatante, ke lia rigardo estas tute simila al tiu de ŝi, sendube tial ŝi plaĉas: »animo animon sentas.«

Tio ripetiĝis dum du semajnoj. La knabino sidis ĉe la fenestro kaj Fligelman rigardis. Unufoje, dum li rigardis ŝin, ŝi subite levis la okulojn, kiel kutime, kaj ŝi ne mallevis ilin kiel kutime, sed ŝi konstante rigardis fiere en la liajn, tiel obstine, ke fine Fligelman ne plu ĝin eltenante, honteme mallevis la okulojn. Poste, kiam li kaŝe ĵetis al ŝi rigardeton, sur ŝia vizaĝo kuŝis rideto kaj ŝia brusto libere sin movis... Fligelman sin sentis venkita de fraŭlino.

— Forta popolo estas la virinoj — li diris la saman tagon sidante kun Levantkovski.

— Oho — Levantkovski respondis kaj komencis ion rakonti pri sia edzino.

— Atendu, Levantkovski. Vi min malĝuste komprenas. Mi ne eliras de tiu ĉi vidpunkto. Mi parolas pri tio, ke batalante ili havas pli da takto kaj certeco ol viroj, ĉar ili estas certaj pri siaj forto kaj beleco; verdire beleco entenas ja ĉion, la estetiko ja estas la plej alta mondkoncepto.

Levantkovski — kiel kutime, kiam lia amiko parolis pri gravaj aferoj — silentis, trinkante nun teon, pozante seriozan mienon simile al infano, kiam la avo ĝin benas. Foje li rigardis al Fligelman, ekĝemis kaj reprenis la antaŭan pozon. Fligelman parolis plue:

— Por diri la veron, mi jam nenion scias. La psikologiaj elementoj estas tiel komplikaj, ke estas tre facile fariĝi mistikulo. Ekzemple: vi renkontas iun surstrate, mi diru, ekz. fraŭlinon, vi ŝin rigardas, ŝi vin rigardas kaj la rigardoj kvazaŭ disputis, interhaltis. Unu venkis... Kiel tio okazis?... Jen komenciĝas spiritualismo. Sed komprenu: la pura logiko ordonas serĉi por ĉio klarig-respondon, ligi ĉion laŭ la leĝo de objektiveco kaj kion mi ne scias, pri tio starigi demandsignon, ne fidante al okultaĵoj. Mi scias certe de propra praktiko, ke se ne mia saĝo, mi delonge jam fariĝus mistikulo. Jes!

— Vi multe legis...— Levantkovski ekĝemis.

— La ĉefa afero ne estas legi — diris Fligelman fariĝinte tre serioza — komprenu; la filozofio volas krei el teorio la vivon, sed la vivo estas multe pli larĝa, multe .... oni devas pri la vivo, pri la praktiko, serĉi la veron ... komprenu kaj pripensu tion...

Nokte lumis ronda kaj pura luno. Ĝi eliris el sub la kameno de la kontraŭa tegmento. Sur la ĉielo portiĝis etaj nuboj kaj la luno inter ili kuris, kuris kaj staris tamen en la sama loko, en la korto ĉion surverŝis lazura aero, en la kontraŭa fenestro estis ankoraŭ lume, nur la rulkurteno estis malsuprentirita. Fligelman sidis ĉe la fenestro kaj lia rigardo fiksiĝis jen sur la ĉielo, jen sur la fenestro.

La rulkurteno leviĝis kaj montriĝis la konata kapo. Montriĝis du nudaj brakoj de juna fraŭlino kun distaŭzitaj haroj... la okuloj de Fligelman rapide leviĝis al la luno.

»Ruza popolo« li ekpensis kaj nervoze endormis.

Foje ĉirkaŭ vespero Fligelman sidis kaj legis libron. Ekstere estis pluvego, fulmis kaj la tondroj estis tiel fortaj, ke post ĉiu tia bruego Fligelman alkuris la fenestron por konvinkiĝi, ĉu ĉio estas en ordo.

Kaj jen li rimarkis, ke vidalvide ŝi elrigardas.

Ŝajnis, ke ŝi lin ne rimarkas, sidas apogante per

# Galope tra kelkaj francaj pensuloj

— L. Bastien, Paris —

En kelkaj linioj, kompreneble oni ne povas resumi la gravegan verkon de la francaj klasikaj pensuloj, kaj apenaŭ citi kelkajn karakterizajn vortojn el la plej famaj.

DESCARTES (1596—1650) estis matematikisto, sed precipe filozofo. En la *Parolado pri la Metodo* li provis atingi sciencan certecon per severa metodo, forlasante la argumenton »Magister dixit« (La Majstro diris). Tiel li elservutigis la modernan penson.

*(La kvar principoj de la metodo)*

*La unua estis akcepti vera nur tion, kion mi konas evidente vera.*

*La dua, dispecigi ĉiun ekzaminotan malfacilaĵon en tiom da partetoj, kiom mi povas, kaj kiom postulas ĝia plej facila solvo.*

*La tria, vicigi miajn pensojn en ĝusta ordo, komencante per la objektoj plej simplaj kaj plej facile koneblaj.*

*La lasta, ĉie plenumi nombradojn tiel senforgesajn kaj kontrolojn tiel kompletajn, ke mi estu certa, ke nenion mi preterrigardis.*

*El tio mi eksciis, ke mi estas substanco, kies tuta esenco aŭ naturo konsistas nur en penso . . . ; sekve mi, tio estas la animo, dank' al kiu mi estas tio, kio mi estas, estas tute aparta de la korpo kaj eĉ pli facile ekkonebla ol ĝi.*

LA ROCHEFOUCAULD (1613—1680) estas fama pro siaj Maksimoj, amara kritiko de la homaj inklinoj, ofte troa, sed ĉiam energia.

*Memestimo estas la plej granda flatulo.*

*Profitemo parolas ĉiuspecajn lingvojn kaj ĉiuspecajn rolojn, eĉ tiun de neprofitemulo.*

*Tio, kion ni opinias virtoj, estas ofte nur miksaĵo el diversaj agoj kaj el diversaj interesoj, kiujn favora sorto aŭ nia lerteco scias kunaranĝi.*

*Virtoj dronas en profitemo, kiel riveroj en maro.*

*Sincereco. — Ĝi estas malfermo de koro. Oni trovas ĝin ĉe tre malmultaj homoj, kaj tio, kion plej ofte ni vidas, estas nur subtila kaŝemo por allogi la konfidon de la aliaj.*

*Modesteco. — Kiu rifuzas laŭdon, deziras duoblan laŭdon.*

*Kuraĝo. — Amo de gloro, timo de honto, aspiro al riĉeco, emo al vivo oportuna kaj agrabla, kaj deziro malaltigi la aliajn, jen ofte la kaŭzoj de tiu braveco tiel fama ĉe la homoj.*

*Donacemo. — Tio, kion oni nomas malavareco, estas plej ofte nur donvanteco, kiun ni ŝatas pli ol kion ni donas.*

PASCAL (1623—1662), genia matematikisto kaj pensulo, kunigis sentemon kaj sciencan ekzaktemon. Unu el liaj plej famaj verkoj estas la »Pensoj«.

*La homo estas nur kano, la plej malforta en la naturo, sed li estas kano pensanta. Ne necesas, ke la tuta universo sin armu por lin frakasi. Haladzo, guto de akvo sufiĉas por lin mortigi. Sed, eĉ se la universo frakasus lin, la homo tamen estus pli nobla ol lia mortiganto, ĉar li scias, ke li mortas, kaj la universo ne scias pri sia supereco super la homo.*

LA BRUYERE (1645—1696) pentras la homaron en siaj famaj »Karakteroj«, pli melankolie ol pesimisme.

*Granda animo staras pli alte ol ofendo, maljusto, doloro, moko, kaj ĝi estus nevundebla, se ĝi ne suferus pro kompato.*

*Ni ne koleru kontraŭ la homoj, vidante ilian malmildecon, sendankemon, maljustecon, fierecon, la memamon kaj la forgeson pri la aliaj — tiel ili estas faritaj, tia estas ilia naturo; kvazaŭ ni ne tolerus, ke ŝtono falas aŭ fajro leviĝas.*

*Ni devas ridi antaŭ ol esti feliĉaj, por ke ni ne mortu ne ridinte.*

*Iuj noblaj sentoj, iuj noblaj kaj altaj agoj devenas malpli de la forto de nia spirito ol de la boneco de nia naturinklino.*

MONTESQUIEU (1689—1755) skribis, krom diversaj pensoj, famajn verkojn, inter ili »l' Esprit des Lois«, en kiu li montras la kialon de la leĝaroj.

*Se mi konus ion, utilan por mi kaj malprofitan por mia familio, mi forpelus ĝin el mia spirito. Se mi konus ion, utilan por mia familio kaj ne por mia patrujo, mi provus ĝin forgesi. Se mi konus ion, utilan por mia patrujo kaj malprofitan por Eŭropo kaj la homaro, mi opinius ĝin krimo.*

---

la manoj la kapon, la okuloj estis teruritaj: ili rigardis al la nigra nubo kaj en ili kuŝis funebro multe pli peza, ol la nuboj supre . . . Fligelman senpacience iradis en sia ĉambro.

La fulmotondro finiĝis, la ĉielo sereniĝis, montriĝis jam sunlumo, ĉio estis nun lavita kaj freŝa. Fligelman staris ĉe la fenestro kaj daŭrigis la rigardadon. Kelkfoje ankaŭ la knabino levis la okulojn kaj ŝia rigardo estis kuraĝa. Fligelman komence iom honteme, sed poste jam pli kaj pli kuraĝe rigardis al ŝi senĉese, lia vizaĝo alprenis mienon ridetan. La knabino ree levis la okulojn kaj subite foriris kelkfoje revenante kaj havis aspekton maltrankvilan.

»La ĝusta tempo« Fligelman ekpensis, penante kuraĝiĝi . . . ekbalancis la kapon kaj dolĉa rideto superverŝis lian vizaĝon . . .

La knabino rapide sin levis, montriĝis granda ruĝa lango kaj la rulkurteno rapide malsuprenfalis . . .

Kelkaj sekundoj pasis, ĝis kiam Fligelman rekonsciiĝis, kaj kiam li fine ĉirkaŭrigardis, li rimarkis, ke la rulkurteno estas malsuprentirita. De unu flanko vidiĝis la ĉielarko.

Kuŝante nokte en la lito li mordpremis la lipojn, ne povante trovi la ĝustan esprimon por la sento, kiun li nun portis en la koro por la knabino. Malŝato aŭ kolero? Denove fajreroj ŝvebis kiel en tiu nokto, sed nun ili kuris senorde, disportiĝis ĉiuflanke, antaŭ la okuloj restis nigro, la liteto antaŭ la endormiĝo turniĝis kaj ruliĝis en libera kaj malplena spaco.

Li vekiĝis kun la penso, ke li devas streĉi la penson, por batali kontraŭ la malfeliĉo, ke saĝa kaj prudenta homo ne devas malkuraĝiĝi — parolante poste kun Levantkovski li diris:

— Homo devas esti singardema. Oni ĉiam devas rezervi al si fortojn por povi kontraŭstari ĉian neatenditan malfeliĉon, kiu nin atendas ĉie. Mi povas kuraĝe diri, ke sen mia konstanta sinpreparo kontraŭ ĉiu eventuala akcidento — komprenu Levantkovski — nun estus tre malbone, jes, tre malbone.

### Pri lia intenco edziĝi kaj kiel li freneziĝis

Pasis du jaroj, sed la vivo de Fligelman apenaŭ ŝanĝiĝis. Kreskis en lia koro sopiro je edzino, la sopiro lin ofte igis distrita, kaj poste eĉ ekscitis liajn nervojn, malhelpante lin en la legado. Okazis, ke li subite forgesis bone konatan vorton. Ofte svensignoj montriĝis antaŭ liaj okuloj, en la kapo ĉio kvazaŭ maldensiĝis kaj renversiĝis.

Tre ofte li rememoris pri sia infanaĝo. Li bone memoris la patron, etan kaj malgrasan homon, kiu

senĉese tusis. Li memoris pri malvarma nokto: la patro eliris el la lito tusante, kaj li, Fligelman, sentis tiam malvarmon, restante sola en la lito. Li bone memoris la morton de la patro: kuŝante sur la planko li aspektis tiel malgranda, kvazaŭ la kadavro estus kuntiriĝinta por dormi.

La sola, pli aĝa, fratino de Fligelman ploregis, viŝante per sia antaŭtuko la nazon. Reveninte el la tombejo, ili malpacis pro duono de oranĝo, restinta sur la tablo... poste li *manĝis tagojn.**

La fratino nun, plej verŝajne, instruas abocon al infanoj, malamante la edzon pro lia malpieco.

Verŝajne ŝi jam havas multajn infanojn proprajn, kiuj, simile al tiuj de Levatkovski, ne havas konvenan vestaĵon kaj sin kovras per ĉifonoj kaj malsataĵs. Kaj li, Fligelman, estas ilia onklo. Kiel stranga estas ĉio ĉi.

En la nova pasporto, ĵus ricevita el lia naskurbeto, estas notita, ke li aĝas 36 jarojn. Turnante la pasporton tien kaj reen, li iom enpensiĝis. Lin maltrankvigilis la penso, ke li eble malfruos edziĝi.

Li komencis serĉi gekonantojn diversajn, li faris tion kun granda peno.

Laste li konatiĝis kun fraŭlino, dentistino. Ŝi ne estis tre bela; diketa ŝi estis, havis plenan vizaĝon, laŭte ridegis, tiel, ke estis malfacile aŭdi siajn dirojn, kutimis ofte kunplekti kaj malplekti siajn harojn. Fligelman komencis ofte venadi al ŝi kaj en lia koro kreskis ia espero.

Li parolis kun ŝi ĉiam nur pri libroj, verkistoj kaj filozofoj. Ŝi sidis ĉiam silente, ĉion aŭskultante, sed tamen ofte interrompis: Ĉu vi volas teon?

Pasis monato. Foje ŝi estis enirinta en la apudan ĉambron por alporti teon, Fligelman restis sola dum momento, li ĉirkaŭrigardis ĉion, li ne konsciiĝis momente, kion li faras tie ĉi. Li prenis speguleton de la tablo kaj turnis ĝin kontraŭ sian vizaĝon. En la sama minuto ŝi revenis kun la teo.

— Vi ankaŭ spegulumas? Jen, vi, viroj, riproĉas nin, ke ni estas koketaj! Je mia honoro, estas ridinde!

— Jes! — Fligelman tiris la vortojn — ankaŭ mi volas plaĉi — precipe al vi!

La lastajn vortojn li eldiris mallaŭte, kun malcerteco en la voĉo, la knabino demandis ion, kvazaŭ mirante? ĉu? — kaj poste eksilentis. Ankaŭ Fligelman ne parolis plu, en la ĉambro estiĝis peza situacio. La knabino malfermis libron kaj li longe rigardis la fornon.

— Kiom, ekzemple, povas kosti tiu ĉi forno? Bela forno... — li diris mallaŭte kaj sentis, ke li diras ion ege stultan; li ektiris la ŝultrojn.

Ŝi sidis longtempe, nenion dirante, la libro kuŝis malfermite antaŭ ŝi, subite ŝi ekridegis:

— Ridinde, ridinde! — ŝi eldiris pene, montrante al la libro, kiun ŝi nun fermis. Fligelman ne sciis, ĉu ŝi ridis pri li, aŭ pri rimarkinda legaĵo en la libro. En la ĉambro daŭre estis peze kaj maloportune. Envenis konato, ŝi vigliĝis, sed Fligelman tuj eliris por ĉiam kaj ne plu revenis al ŝi.

La tempo rapide pasis, tago post tago forkuris kaj Fligelman senŝanĝe vivis en soleco.

Liaj nervoj dum tiu tempo plimalkvietiĝis, lia pasporto jam montris la aĝon de 38 jaroj...

Ekestis malseka aŭtuno, sur la strato estis ĉiam kote pro konstanta pluvado, tio ĉi tre mise influis al Fligelman. Aĉetante galoŝojn, li aĉetis, forgesinte la ĝustan numeron, galoŝojn pli grandajn je unu numero, kaj irante poste en la strato, li eĉ dum minuto ne povis elpeli la misaĉeton el sia kapo. La galoŝoj ĉiam formoviĝis de la piedoj, kio lin ege suferigis.

Lastatempe li ofte vagis en la stratoj, sencele, kaj preskaŭ nenion li legis.

Sur la stratoj daŭre estis malseke kote, la fiakroj, veturante tien kaj reen, ŝprucigis kotaĵojn ĉiuflanken; enterigprocesioj sin tiris ĉiaspecaj. Knabinoj, kun libroj subbrake, trapasadis rapidante, en la manoj ili tenis la jakojn kaj la blankaj jupoj estis plenŝprucigitaj de koto. Vespere iu strata portisto, zonita per ŝnurego, ĵuradis, ke eĉ unu groŝon li ne perlaboris dum la tuta tago.

Fligelman sentis sin tre laca, en la cerbo ĉio maldensiĝis, antaŭ la okuloj montriĝis svensignoj, la dorso kvazaŭ rompiĝis...

Li iris al kuracisto, la kuracisto, esplorante lin, demandis, ĉu li jam estas edziĝinta. Fligelman mensogis, respondante »jes«. Poste li ĉagreniĝis pro la mensogo.

— Mi sentas — li diris poste al Levantkovski — ke mi fariĝas pesimisto. Gustadire ja la pesimismo estas la lasta vorto de la filozofio.

Li menciis ion pri Ŝopenhaŭer, sed ĵetis rigardon al Levantkovski, kiu sidis trankvile kaj preparis al si cigaredojn, penante enpuŝi kiel eble plej multe da tabako.

Tion Fligelman ne povis toleri: kolere li pensis

* Al malriĉaj junuloj fremdloke studantaj en religia lernejo, aŭ al malriĉaj orfoj, oni kutimas donaci tuttagan manĝon, en ĉiu semajntago ĉe alia difinita familio. Tion oni nomas: *manĝi tagojn.*

## Anton Wildgans
### Profunda rigardo

Soleca povas esti vi sen fin',
Eĉ inter homoj ekkaptadas vin
Subita hontosento kaj teruro.
Kelkiam vi pelate de sopir'
Je iu, kiu konus vin, — kun mir'
Nur propran bildon vidas en spegulo.

Amikojn, familion havas vi,
Sed via koro plenas je glaci',
Similas arbon, ĝi en frosta vento —
La ĝoja amikar' ĉirkaŭas vin,
Dumnokte dormas vi kun la edzin',
Al la infano ligas vin amsento.

Kaj tamen estas ĉiu via vort'
Por ili sen enhavo kaj sen fort',
Gin ja anim' ilia ne bezonas —
Por via ĝojo mankas la kompren',
Kunsenton vane serĉas la ĉagren',
Nur scivolemon ili al vi donas.

Kaj fremda iĝas vi eĉ al vi mem,
Ekludas komedion vi sen ĝen',
vizaĝon kovras vi per masko deca —
Kaj nur kelkfoje, timigite vi
Demandas vin: »Ĉu tio, estas mi?« —
Jen kiel povas esti hom' soleca.

El la germana: *Hilda Dresen*

pri la indiferenteco de Levantkovski, ke lin ŝajnis tute ne koncerni tio, ke Fligelman haltis en la parolo ne finante.

— Vi scias, Levantkovski, — vi estas stultulo. — Levantkovsky tion kvazaŭ ne rimarkis, trankvile tiris la fumon de la cigaredo, plenigante la ĉambron per fumo. Fligelman longe lin rigardis kaj fine eldiris: — Efektive, kial vi devas havi tiel multajn infanojn, Levantkovski? Vi estas facilanima.

Levantkovski diris ridetante:

— Mi havas ses, vi — neniom, imagu ke ĉiu havas tri, ĉu do ne estas bone? diru mem.

Levantkovsky estis kontenta pro la deca respondo, laŭte ekridis, sed tio eĉ pli denervis Fligelman'on.

— Aŭdu, Levantkovsky, vi estas stultulo, stultulo, mi diras al vi, stultulo, aŭdu bone, kion mi diras al vi, stultulo . . .

Fligelman sentis, ke li denerviĝas kaj ĉesis.

Levantkovski faris malkontentan mienon, ĉio ĉi lin strange mirigis, li adiaŭis malkontente kaj foriris.

Fligelman restis sola en la ĉambro, li komencis pensi pri pesimismo, sed la pensoj perdis la firmecon, li forgesis frazon sciitan parkere.

Li iradis en la cambro ripetante por si: »li estas stultulo, pura stultulo, stultulo . . . stultulo . . . stultulo« io igis lin multfoje ripeti ĉi tiun vorton.

Kelkajn tagojn li sentis sin tute distrita, nokte li faladis kun la liteto en abismojn, forte ĝemante dum la dormo.

La sekva tago estis malserena, nuba. Fligelman decidis resti hejme. En la domo, kie li loĝis, iu mortis, tra la korto aŭdiĝis ploregoj kaj lamentoj, ĝis venis la nigra veturilo, kiu forportis la mortinton. Poste silentiĝis la korto.

Li komencis legi, sed traleginte ion, li haltis, oscedis, antaŭ liaj okuloj ree montriĝis vertiĝsignoj, li kuŝiĝis, apenaŭ ekdorminte li komencis sonĝi:

Li portis longan rigidan kadavron envolvitan en nigra littuko. La tukon li tenis ambaŭmane kaj iris kliniĝinte. Li venis el malantaŭ la urbo portante la kadavron por enterigo. Estis mallume. Kun li iris du ŝamesoj interparolantaj. El la interparolo li sciiĝis, ke li portas sian fratinon mortan. Li iĝis tre laca, ĉe butiksojlo li glitfalis, la kadavro eliĝis el liaj manoj kaj falis sur la sojlon. El la tuko aŭdiĝis ploro simila al pepo de infano. Unu ŝameso diris: »Portu, Fligelman, portu, ŝi estas malviva, tio ĉi estas nur reflekso.«

Li portis plu. La voĉo iĝis pri tremplora, li pli laca, eĉ lacega, la ŝamesoj lin puŝis, frapis, je la ŝultroj instigante, ke li iru pli rapide. Fligelman volis plori, sed timis, ke tio estos reflekso, ke li estas morta.

Li fartis tre malbone kaj vekiĝis kun ĝemego.

La kapo doloris, en la ĉambro estis mallume, nokte, ekstere nuboplena ĉielo. Surkorte kato miaŭis terurege, jen ĉesante, jen rekomencante. Tio ŝajnis tre kortuŝa, kaj ne estis eble kompreni, kian mankon ĝi sentas, pri kio ĝi plendas tiel malfrue en la malluma nokto. Fligelman sin envolvis per la kovrotuko, la kato plu lamentadis. Li ne dormis plu, pasigis sendorme preskaŭ la tutan nokton.

Je l' sekva tago, sidante ĉe leciono, iu lernanto forte lin ekscitis per malĝusta traduko: anstataŭ »la verdaj lampoj de viaj najbaroj« li tradukis »la lampoj de viaj verdaj najbaroj«. Fligelman korektis lin, sed la lernanto nun tradukis »la lampoj de niaj verdaj najbaroj«. Fligelman ekkoleris, kaptis la knabon ĉe la ŝultroj, skuis lin, kriante ne kun sia voĉo: »Verdaj najbaroj! Kiamaniere povas esti verdaj najbaroj! Kiel povas esti!«

Subite li ŝanĝis la voĉon, kaj komencis paroli pli delikate: »Nu, diru mem! Ĉu estas eble? kiamaniere?« Sed tamen lia voĉo kaŝe tremis, la koro batis kaj li spiris tre pene. La knabo ploris.

— Komprenu! . . . komprenu, tio ja ne estas ebla . . .



Karl Krahl

*Kartono por la kurteno de la Viena Operdomo*

# RIMITAJ ENIGMOJ

— ALESSANDRO MAZZOLINI —

*Al la plenkreskaj infanoj de Andreo Cseh*

1. OSCEDO.
Jen, vokalo
en vokalo
naskas tedon
kaj oscedon.

2. NENIIGO.
Forprenu linion
el kapo de besto,
la resto
prezentas nenion.

3. EFIKO DE ABOMENO.
Se el la literaro
vi iun abomenas,
devenas
loĝanto de la maro.

4. UTILA ALIIGO.
Mi: nomo
de homo,
ofte nur tedbabila
kaj senutila.
Sed se vi el mi ŝiros
la koron, vi akiros
tuj utilon:
kuirilon.

5. BARBARA BARBIRO.
Kun barbo tufa,
duhufa
sinjor' razejon iris,
deziris
iĝi senbarba viro.
Sed la barbiro
anstataŭ garbo
de barbo,
ampute
fortranĉis lian kapon tute, tute,
do, li tre funde razis,
sed kio nun okazis?

La eksbarbulo ŝanĝis sian veston,
kaj en sovaĝan beston
transformis sin subite.
Kaj la barbir' kaptite
de la teruro,
sin savis per forkuro.

6. MISTERA SAVO.
En la kaptil' sekreta
baraktis besto eta,
korŝire ĝi lamentis,
neniu ĝin atentis,
sed fine, jen, alvenas
sorĉisto, kaj li tenas
super la beston krian
signon magian.
Miraklo kaj enigmo!
Per tiu eta signo
ŝanĝiĝis la aspekto,
estiĝis fluginsekto,
per zumaj flugilbatoj
rifuĝis inter dratoj.

7. ENSORĈITA REĜO.
En kapornamo festa
de reĝ' majesta
literoj du elŝanĝas
la lokojn, kaj aranĝas
hazardo blinda,
ke l' reĝo kompatinda
pro ŝanĝo de litero,
ve, ŝajnas rinocero.

8. MULTKOLORA AĴO.
Jen aĵo, laŭ koloroj tre multflanka.
Ĝi en Eŭropo norde estas blanka,
sed se kondukas vin la vojo migra
al Oriento, vi ĝin trovos nigra.
Ĝi en la granda kontinent' praava
maldekstre estas ruĝa, dekstre flava.

*Solvoj.* 1. en-u-o; 2. mulo-nulo; 3. fi-ŝo; 4. poeto-poto; 5. kapro-apro; 6. muso-muŝo; 7. krono-korno; 8. maro.

---

La knabo leviĝis, eniris al la patrino kun plorego.
La patrino venis. Fligelman sentis, ke li nun devas al ŝi komprenigi, ke la »verdaj najbaroj« estas neeblaĵo, sed li ne sciis kiamaniere tion fari. Ŝi demandis: kio okazis inter ili. Fligelman silentis dum momento, la patrino staris kaj atendis. Fligelman ekbalbutis:

— Nenio. Mi hodiaŭ estas iom distrita, mia fratino mortis.

La patrino interesiĝis pri la fratino. Fligelman multe mensogis, diris, kio nur venis al li en la kapon, mem ne sciante de kie. Elirante li multfoje ripetis al si: »Mi estas malsana, mi estas malsana ...« — pro la ripeto estiĝis al li pli facile. Al la ceteraj lecionoj li jam ne iris. Antaŭ vespero li venis hejmen, lin timigis la ĉambro, li kuŝiĝis sur la lito kaj endormiĝis.

Li vekiĝis ĝemante, ŝvite, en la ĉambro estis mallume, la blanka viŝtuko ektimigis lin, li rapide ekkaptis la palton, eniris al Levantkovski. En la ĉambro de Levantkovski oni vidis ĉirkaŭe nur litaĵojn, infanajn vizaĝetojn.

En unu lito ĝemis lia edzino. Fligelman sidiĝis sur seĝon kaj dormetis. Subite, dum la duondormo, li eksentis sur si ies manon, ĝi estis la mano de Levantkovski. Li malfermis la okulojn kaj vidis, ke Levantkovski, duone malvestiĝinta, ridetas al li; li diris, ke li estas ebria... Fligelman estis denervita de tiu rideto, li volis diri ion akran, por ke Levantkovski ĉesu ridi.

— Mi iras al la Vistulo ... — li diris pene.

— Iru dormi, estas malvarme.

Fligelman efektive eksentis, ke al li estas malvarme, en la ĉambro estis vaporo, Levantkovski ridetis kaj Fligelman foriris.

Li trairis multajn stratojn kaj rimarkis nur, ke li preterpasis jam multajn stratlanternojn, ke lia ombro jen plimallongiĝas, jen elkreskas ... En iu strato por momento haltigis lin fraŭlino, ŝi ridetis, turniĝis, balancis gaje la kapon; kiam ŝi foriris, aŭdiĝis putra tusego, kiu longtempe tremigis la aeron ... kaj ĉion ĉi ne estis eble kompreni.

Li haltis sur la ponto de la Vistulo kaj ĉirkaŭrigardis. Policano lin sekvis per rigardoj. — Mi havas ja pasporton — pensis Fligelman, tenante la manon en la ĉebrusto.

Sur la ponto li longe staris. De malproksime vidiĝis du vicoj de lanternoj brulaj, iliaj radioj balanciĝis en la akvo, sur la ĉielo moviĝis diversspecaj nuboj kelkloke intermiksite kun la akvo; sur la ponto oni veturis kaj ĉio ĉirkaŭe tremis.

La mallumo en malproksimo alproksimiĝis, la nuboj malleviĝis kaj antaŭ liaj okuloj moviĝis kaj moviĝis senĉese . . .

Fligelman eksentis, ke lia tuta korpo balanciĝas; aŭdiĝis radbruo de veturiloj sur la malmola ponto. Iu parolis al li ruse, sed li ne komprenis.

Li tradormis en la policejo la tutan nokton, sentis, kvazaŭ li kuŝus en akvo, tra la okuloj tiriĝis blua fluo, fariĝis al li pli facile, sed sub la kapo doloris kaj al li ŝajnis, ke li falis sur ŝtonon.

La sekvan tagon matene, kiam la policano perforte volis lin starigi sur la piedojn, li neniel povis rememori, kion li faras ĉi tie, li rigardis ĉirkaŭen per rigidaj okuloj. Nur kiam li vidis antaŭ si paron da epoletoj kun glavo kaj aŭdis severan voĉon, tiam ia penso venis en lian kapon. Li metis la manon en la ĉebruston kaj eligante ion el tie, li diris:

— Mi havas la honoron subiĝe kaj humile peti... enterigu min, mi havas pasporton, jen!

El la juda: *S. Guterman.*

# La diablo-bonfaranto

— S. G. Frug —

I.

La reganton de la infero atingis teruraj famoj: diablo perfidis.

Io neaŭdita, senekzempla en la kronikoj de la subtera regno.

Perfidadis kaj faladis anĝeloj. Tio estis antaŭ la diluvo. Faladis dioj antikvaj. Faladis kaj faladas idoloj, tiuj malfeliĉaj idoloj, kiuj estas kreataj de homoj de multaj miljaroj — kaj ĝis nun tre malbone. Sed, ke perfidu diablo — tio ĉi estas tute nebla.

Sed tio ĉi estas fakto: li perfidis — perfidis sian reganton, perfidis la inferon, perfidis tiun grandan elementon, de kiu li estis naskita por servi al ĝi senripoze kaj e'erne.

— Terure! — ekkriis Belzebubo.

— Terure! — ripetis la sennombraj aroj de la subtera militistaro.

— Terure! Terure! — eĥe ondis sub la arkaĵoj de la senlima abismo.

Kaj demonoj, diabloj, satanoj are kuris al la trono de sia reganto por ĝui la vidaĵon de severa juĝo kaj prava puno pri ilia kunfrato malhonoriginta ilin por jarcentoj.

II.

Severe kaj majeste sidis Belzebubo sur sia alta trono, kunmetita el la kranioj de plej grandaj pekuloj de la mondo kaj ornamita per surskriboj el la traktatoj de plej antikvaj herezuloj kaj apostatoj.

Kaj antaŭ la trono staris la diablo-perfidinto.

Milionoj da flamantaj rigardoj falis sur lin kun indigno kaj teruro kaj li, fiera kaj belega, kiel li estas fandita kaj hardita en lermontova jambo, staris antaŭ la timiga potenculo kaj unutone kaj sonore aŭdiĝis lia voĉo sub la arkaĵoj de la regno de ombroj.

— Jes, — li diris — mi perfidis. Mi logis la homojn ne nur al peko kaj malbono, sed direktis kaj entuziasmigis ilin ankaŭ por heroagoj de bono kaj favorkoreco ... Ho, mia timigesevera potenculo, kaj vi, fratoj, kolegoj miaj! Aŭdu kaj indignu!

III.

Estis vintra nokto.

Nek stelo sur la ĉielo, nek vojeto sur la neĝaj ebenoj. Kaj la glacio krakis kaj rompiĝis sur la rigidiĝintaj lagoj, kaj la neĝa turnovento ĝemis kaj blekis kiel la animoj de ĵurrompuloj en la nigra turblovo de la subtera elemento. Bona estis tiu nokto, bona pro tiu sovaĝa, pereiga beleco, kiu teruras la anĝelojn, mortigas la homojn, kaj ĝojigas vian animon, glorplena potenculo mia.

En tiu nokto mi traflugis la ĉirkaŭaĵojn de granda urbo.

En unu el la plej senhomaj stratetoj mi ekvidis nigran figuron, malrapide moviĝantan laŭlonge de ligna barilo. Mi vidis, ke ĝi estas maljunulo-almozulo, apenaŭ kovrita per ĉifonaĵoj. La maljunulo pene movis siajn malsanajn piedojn kaj ĉiuminute pli kaj pli forte raŭkis en lia brusto la astmo, pli kaj pli minace bruis la enradikiĝinta tuso kaj pli malrapidaj fariĝis liaj movoj. Nun per la ŝultro li apogis sin al la glaciiĝintaj lignoj, ekŝanceliĝis kaj falis sur ĵusfariĝintan neĝamason. Lia kapo nudiĝis kaj la maldensaj haroj kuniĝis kun la blanko de l' neĝo. La maljunulo komencis morti de frosto. Malproksime lumetis la fajroj de la riĉa urbo, kien li iris almozpeti. Nun estis lia lasta nokto. Rigidiĝinta korpo, iam juna kaj forta, videbliĝis tra la truoj de la forputrinta vestaĵo ... La spirado fariĝis pli kaj pli intermita kaj obtuza ...

— Kaj vi?

— Kaj mi savis lin.

— Malbenon! ...

— Jes, potenculo, mi savis tiun ĉi malriĉan kadukulon: mi alvokis molkorajn homojn helpi lin, — oni lin transportis en komfortan ĉambron, oni varmigis lin, nutris ... Vi indignas, potenculo mia! Sed aŭdu plue:

IV.

Estis varmega, somera tago. En granda malluma salono sidis juĝistoj sur oportunaj molaj brakseĝoj, kaj sur la malhonora benko sidis akuzato. Li estis ankoraŭ junulo, preskaŭ infano, kun korpo malforta, velka kiel ĉe maljunulo, kaj kun senkoloraj okuloj, en kiuj esprimiĝis stulta, apatia laciĝo.

Antaŭe sidis la defendanto. Lia frako estis tro malkomforta en la varmega somera tago, kaj la blanka brusttolaĵo, kiu kurbiĝis laŭlonge de la brusto, maltrankviligis lin, devigante lin ĉiuminute ŝanĝi la situacion de la manoj kaj de la kapo. Krom tio, li troviĝis ĉitie laŭ la destino de la juĝantaro kaj, ĝuste tiutempe sin preparante por brila defendo en fama proceso, li ne sukcesis eĉ iel orientiĝi pri la nuna procesafero, tiel enuiga kaj seninteresa ... Laŭmemore — ion diris la akuzato, ke vagante de infaneco sen parencoj, sen hejmo kaj prizorgo, li trovadis azilon en malpuregaj nestoj, en la societo de homoj kripligitaj de malvirtoj kaj malriĉeco ... Ie, de tempo al tempo, li laboradis ... malsatadis, frostadis ... Kelkfoje li ŝtelis, — malgrandaĵojn nur, kiujn li vendis por kelkaj kopekoj ... Tiuprintempe, pasigante la nokton en arbaro, li malvarmumis, tri tagojn kuŝis, plejparte senkonscie.. komencis resaniĝi kaj — ŝtelis ... feltŝuojn, ŝajne en la kortistejo ... Ne, tio estis antaŭe, pri la feltŝuoj, kaj nun — ĉapelon sentaŭgan, disŝiritan veturigistan ĉapelon ... Kun la ŝtelaĵo oni lin kaptis ...

V.

Sufoke, varmege kaj enue estas en la salono. En la oreloj de la defendanto sonas la voĉo de la kulpiganto, jam delonge konata — unutona kaj tre enuiga voĉo.

Enuas la juĝistoj, enuas la defendanto, enuas eĉ la akuzato ... Bone estas nun en la arbaro, sed en la malliberejo, kien oni lin certe venigos de ĉi tie ... estas nudaj fumnigrigitaj muroj, ŝtona planko polvoplena kaj kraĉita, odoro de ŝvito kaj putraĵo, korpo kaj ĉifonaĵoj ...

Mi aliris al la defendanto, kliniĝis kaj komencis flustri al li en la orelon ...

Vi scias, Belzebubo, kian perfektecon de elokvento kaj forton de konvinkiĝo ni atingas, kiam estas necese.

Kaj inspiriĝis la pastro de Themis. Torente ekfluis, ekverŝiĝis lia parolo. La vangoj ekflamiĝis, ekardis la okuloj ... Li parolis — kaj larmoj fluis sur lia vizaĝo, kaj larmoj videbliĝis sur la okuloj de gravaj, majeste trankvilaj juĝistoj. Sur la fatala, malhonora benko antaŭ ili estis ne mizera ŝtelisto-vagulo, sed malfeliĉa, malriĉa infano sen pano, sen rifuĝejo, sen

Karl Krahl



*La akcepto de Manfredo.*

defendo kaj konsolo ... Kaj li estus punota? Ja, tio estus terura moko pri vero kaj favorkoreco.

— *Ne, li ne estas kulpa,* — diris la juĝistoj, kaj mi, kontenta kaj fiera, eliris el la salono de la juĝejo... Haltu, haltu, Belzebubo, kvietigu la justan koleron, vin atendas ankoraŭ unu bonfaro — atendas, kiel homoj ĝin nomas, sankta heroago por la triumfo de virgeco kaj virto.

VI.

Bona, simpatia antikveco, kun la piaj domoj, ĉe kies muroj estas tiel timige kaj agrable al ni vagi — kun turoj de maljunaj alĥemiistoj kun nestoj de strigoj kaj vespertoj, feraj maskoj en la profundoj de la kastelaj subterajôoj kaj dolĉegaj idilioj ĉe la kamenoj, apud kies fajreto sin varmigis kaj sin dorlotis la Margaretaj kaj Julietaj, la Doraj kaj Mignon-oj ... Aminda, naiva antikveco!

— Ne, glora antaŭulo mia, bona gajulo Mefistofelo! Mia Grethen ne sidos antaŭ radŝpinilo, ne kantos pri la reĝo de Thule kaj lia multekosta pokalo ... ne.

Infano de »nerva tempo« — ŝi tro frue iĝis virino, kaj mi ĝuplene observis la gradan sed neeviteblan alproksimiĝon de ŝia malmoraliĝo. — Ŝia Faŭsto, ŝia »aminda Henriko« estis ankaŭ tute alia, li estis multe pli simpla, sed ankaŭ multe pli juna, almenaŭ lia juneco estis ne renovigita, sed efektiva propra. Mi konfesas, ke en pek-aferoj mi estas iom estetikulo, mi amas la pekon belan, kun varmega sango, kun forta blanka korpo... Kaj cetere ĝi fariĝas maloftaĵo en la nuna tempo. Sed mi daŭrigas: tiu belulineto, gracia kaj nerva, kiel serpenteto, havis patron, tre ŝatindan sinjoron, kaj patrinon, tre indan virinon. Nek tiu, nek la alia, ĝuante unufoje la posttagmanĝan ripozon, kompreneble, eĉ suspektis, kio tiutempe okazas en la malnova laŭbo de la maljuna, ne prizorgata ĝardeno... Ho, kun kia plezuro mi observis la alproksimiĝon de la dezirata minuto... Gi estis venonta... Tiam mi forte vipis per branĉo de l' plej proksima arbo la verdan flankon de la laŭbo kaj — malhelpis okazi la pekon...

Poste...

VII.

Sed daŭrigi la rakonton iĝis neeble. Milionoj da surdigaj voĉoj kuniĝis en komunan obtuzan bruon de indigno kaj teruro... kia honto, kia malhonoro por la infero! ...

Sed jen li levis la manon, ridete ĉirkaŭrigardis la sennombrajn arojn de l' indignantaj kunfratoj, ridete ekrigardis rekte en la flamantajn okulojn de la reganto kaj en la estiĝinta silento ekaŭdiĝis tiu obtuza, rompsona diabla rido, de kiu kun teruro retiriĝas la plej malbenita pekulo...

— Jes, li diris — mi savis la maljunulon de morto, la junulon de malliberejo kaj la junulinon de malmoraliĝo. Sed ĝuste per tio mi helpis al la afero de la peko pli, ol se mi ne malhelpus al la maljunulo mortfrostiĝi, al la junulo esti malliberigita kaj al la junulino malmoraliĝi.

La maljunulon oni rekonsciigis, varmigis, nutris, oni donis al li trinkaĵojn, permesis pasigi la nokton en oportuneco kaj varmo, kaj — la sekvintan tagon jam denove elpelis en la sama frostan malvarmon kaj malsaton. Anstataŭ unufoje, li frostiĝos dek, cent fojojn.

La junulon oni liberigis de la puno, kaj — elĵetis en la saman malsaton, sendefendan solecon. Ja dum tiuj monatoj, kiun li devus pasigi en la malliberejo, li almenaŭ estus sata kaj ne ŝtelus...

Kaj tiu ĉi junulino... Mi savis ŝin de malmoraliĝo, de morala falo en la ĉirkaŭprenoj de amata junulo, kiam la peko almenaŭ valoris ion kaj ĝi ne ventumis tiun trivialan kaj vulgaran prikalkulon, ofere al kiu oni poste donos ŝian puran korpon, ŝian junan sangon, ŝiajn varmegajn junulinajn revojn, — donos ŝiaj gepatroj. Mi rifuzis al mi la plezuron rigardi la moralan falon de la junulino, kiam ŝia koro ardis kaj soifis la kison de amataj lipoj, la dolĉan odoron de l' unua dezirata ĉirkaŭpreno, kaj kun plezuro rigardis poste tiun ĉi junan koron, rompitan inter la premiloj de »profitdona« edzeco, sen amo, sen aspiro, sen deziro...

VIII.

Kaj de komenco ĝis la fino, de l' unua ĝis la naŭa rondo de la subtera regno ekbruis, ekflamis, eklaŭtiĝis komuna krio de admiro kaj ĝojego!

— »Gloron al vi! Gloron al la saĝa granda diablo, al la *diablo-bonfaranto!!*

Tradukis: *J. Ŝapiro.*

# GASO

**— Kálmán Sándor —**

Tagiĝis. Frumatena krepusko. Kvina horo. La urbo dormis. Dormis la arboj, dormis la domoj, dormis la stratoj kaj en la fundo de ĉambroj, kies fenestroj estis kurtenitaj, sub molaj kovriloj, ronkante, ŝvitante, inkube sonĝis la dormantoj.

La verkistspeca homo staris en nigra vesto, striita pantalono sur la fervoja ponto en la supra parto de la urbo kaj rigardis la akvon. Tagiĝis. Venteto blovis, milde ondigis la akvon. La akvo estis flaveta kaj iom malklara, sed cetere pace ĝi fluis malsupren. Sur la vizaĝo de la viro vidiĝis duataga barbo.

— Nu, ĉi tio estos bona — pensis kontente la viro kaj profunde enspiris la fumon de sia cigaredo. — Ĝuste konvena — li balancis poste amare sian kapon — la romanon mi jam certe ne verkos. Romanon skribi estas ege malsaĝe, belan romanon. Sukceso...mono...ĉio... eh — li mansignis — kial denove komenci. Sur la ponto vagonaro trabruis, sur la koridoro de la dormvagono piedpinte iradis la konduktoro, en la vagonoj ankoraŭ brilis dormemaj elektrolampoj.

— Mi havas la honoron — diris moke la sinmortiganto al la vagonaro — ĉi tie nun mortos verkisto — kaj li senzorge eklevis sian ĉapelon. — Chemins de Fers de l' Est — li legis laŭte sur unu vagono — la verkisto ne verkis romanon, li nun mortas. Li suprenŝovis sian jakon, poste sur siajn okulojn tiris sian ĉapelon, kun decida movo forĵetis sian cigaredon, kiun la aĉetis por siaj lastaj du fileroj kaj — li transpaŝis la parapedon.

— Ne bone, tute malbone — li pensis kun kurbiĝintaj lipoj, farante transkapiĝon en la aero — malbone, ke mi estas lerta naĝanto, longe daŭros.

Kaj tiam, ĝuste dum la transkapiĝo, en la aero, li ekaŭdis la fajfegadon de la sirenoj.

*

La suno leviĝis. La sinmortiganto kun laŭta plaŭdo atingis la akvon. La bato estis forta, preskaŭ li svenis de ĝi... Sub la akvo li malfermis siajn okulojn. Malklara flaveta balanciĝo. Super lia kapo heliĝas. En liaj pulmoj ĝiskreve streĉiĝas la eluzita aero, la vesto falde gluiĝas al lia korpo. Tre malvarma estas la akvo.

— Nu — diris teruriĝinte la sinmortiganto — kio estas — kaj lia buŝo pleniĝis de akvo. Malespere li frapadis ĉirkaŭ si. Li volis kriegi, malpura akvo eniĝis en lian buson.

— Ho... upp — li diris kaj forte piedsvingis. Kelkajn regulajn movojn li faris, kaj li estis supre, sur la supro de la akvo. — Diablon — li pensis amare — ĉu tiel malfacile estas morti?

Tre malvarma estas la akvo. La vesto malseke gluiĝas al lia korpo. Li mortos. Kial li ne razis sin antaŭe. Malbenita mono. Liaj brakoj estas lacaj pro la frapadoj, lia hararo falis en la okulojn. Weissmüller dum 58 sekundoj naĝas cent metrojn kaj li spiras sur la maldekstra flanko. La sinjoro verkisto mortos. En vesto estas pli malfacile. Portas lin la akvo, li mortos. Li ne skribos la romanon.

— He, homoj — li volis kriegi kaj li ektimis de sia ĝemanta akvogluta voĉo. Malvarma estas la akvo. Ĉi tie sinmortiganto baraktas. Skandalo, kie restas la savboato de la polico? Verkisto dronas ĉi tie en la malvarma akvo kaj nun oni lasas lin morti. For la registaron! Ĝeneralan sekretan balotrajton ankaŭ por la mortintoj — li pensis amare kaj ekkuŝis sur sian dorson. Profunde li spiris. Tiel jam estas pli bone. Tiel, jes — li diris, ĉi tion li legis kiel infano en ia kamparanromano kaj nun subite li rememoris. Malrapide portas lin la akvo. Sed li restas supre. Ĉu ne egalas, kie li atingos la bordon?... ĉe la buĉejo... aŭ ĉe la panfabrikoj... aŭ ĝuste en la mezo de la urbo. Jarcento pasis, de kiam li saltis en la akvon. Malsaĝajo. Kiu naĝi povas, tiu kuŝiĝu sub vagonaron, ne saltu en la akvon. Droni estas pli malfacile ol skribi romanon. Ne estas bone. Se li elnaĝos, li kuŝiĝos antaŭ vagonaron.

*

Malrapide lin portis la akvo. — Chemins de Fers de l' Est, la sinjoro verkisto nun mortas — li pensis malvigle kaj rigardis la ĉielon. Triumfa vojo de sinmortigkandidato, malsupren, sur la rivero. Ambaŭflanke la urbo. Dormas la urbo. Neniu helpas lin. Li vojaĝos sub la pontoj, surdorse kuŝante. Sur la pontoj brilas ankoraŭ la lampoj, oni forgesis estingi ilin. Kulpa urbo.

Estas stranga la ĉielo. Sirenoj fajfegas. Groteskformajn, flavetajn nubojn pelas la vento supre en la aero. Strangaj nuboj. Ie motoroj de aeroplanoj muĝas.

— Malbonodoro estas, jam eĉ en la akvo estas malbonodoro — pensis lace la homo, ĉar li ankoraŭ ne sciis, pri kio propre temas. Li grimacigis sian nazon. Groteskaj, flavetaj nuboj. Estus bone jam atingi ie la bordon. Poste ja denove komencigos ĉio.

Kelkajn movojn li faris per la piedoj kaj li venis en la bordan fluon. Plaŭdante portis lin la akvo. Ankoraŭ kelkaj metroj. — Nun — li pensis kaj lace elrampis sur ŝtonŝtuparon. Li sidiĝis sur ŝtonŝtupo. Malseke, taŭzite. La aero estas prema kaj sufoka, strangaj odoroj kaŝiĝas ĉie. La urbo estas nekutime silenta.

— He, kio povas esti ĉi tio? — diris la sinmortiganto maltrankvile — ĉu haltis la tramoj kaj la aŭtoj? — Li rigardis la ĉielon. La suno iris alte jam. Ĝia telero estis tamen pala, ĝia lumo senforta. — Suneklipso — miris la homo. Li stariĝis, viŝis sian frunton, suprenrigardis en la aeron kaj tiam denove li rimarkis la flugantajn, flavetajn nubojn. Super la etaĝaj domoj supreniĝante flugadis jam la flavetaj nuboj. Satigitaj, laborfinintaj, kaŝmurdaj, flavetaj gasnuboj.

Sed ĉi tion ne povis scii la sinmortiganto, ĉar la sinmortiganto ignoris la mondpolitikon, li estis verkisto,

kaj li estis la sola homo en la tuta urbo, kiu vive rifuĝis de la gasatako de l' Aliancaj Potencoj.

Malrapide, enpensiĝinte li ekiris sur la kajo supren. Lia vesto sekiĝis iomete. Nenie li vidas homon. Tie, sur la reloj, staras flava tramo. Tie ne estas haltejo, kial staras tiu tramo? Per hezitaj paŝoj li aliris la tramon. Ĉe la fenestroj kun balanciĝantaj kapoj, sidas la vojaĝantoj. La kondukisto staradas strange kliniĝante sur la aerbremson. — Nu, kial ni ne iras — demandis la sinmortiganto kaj scivole li ascendis la tramon. La kondukanto spasme premis la tenilon de la aerbremso. — Ĉu estas ia akcidento, sinjoro kondukanto? — demandis ĝentile la sinmortiganto. La kondukanto, dorsmontre al li, staris senmove kaj ne respondis. — Nu, — diris senpacience la sinmortiganto kaj ekskuis la ŝultron de la kondukanto. La kondukanto ŝanceliĝis kaj flankenfalis sur la teron, lia dekstra mano, per morta gesto, ektiris la premilon de la kontakto kaj la tramo malrapide ekiris. — Ho. . . o — diris la sinmortiganto — kio estas, kio okazis? Ja mortis la gvidanto! — Li flankenŝovis rapide la fenestropordon kaj eniris la internon de la tramo. La konduktoro transverse kuŝis sur la planko, maljuna sinjoro sidis sur la benko, lis kapo antaŭenfalis, gazeto en lia mano. Kvazaŭ ĝin li estus leginta. — Mi petas vin — komencis la sinmortiganto — ne moku, mi petas vin, la tramo iras. . . nu, kio, estas . . . helpon . . .

La vizaĝo de la maljunulo estis nigra, la vizaĝo de la konduktoro estis nigra, la vizago de la kondukanto estis nigra, la tramo malrapide iradis, poste alpuŝiĝis al la staranta antaŭ ĝi tramo kaj haltis. Kaj la sinmortiganto kun klakantaj dentoj malsuprensaltis de la ŝtupo de l' tramo kaj komencis' sian migradon en la mortinta urbo. Mortintoj, ĉie mortintoj.

Ĉe la unua kadavro gapa teruro tranĉis en la koron de la homo. Ĉe la dua li kredis, ke li freneziĝos. Ĉe la tria, ĉe la centa kadavro li jam apatiiĝis. Li trairis la urbon. Li vizitis ankaŭ la vendejojn. La spicisto kun nigra vizaĝo kurbe apogis sin ĉe la pupitro, la ŝuisto antaŭenkliniĝante sidis apud la ŝutenilo, en la kafejoj mortintaj homoj legis la gvidartikolojn de la ĵurnaloj kontraŭ la panamoj. La tramoj haltis, ĉi tie rompite kuŝis aŭtomobilo. Tie, la trafikpolicisto ĵus suprenlevis sian brakon por signi liberan vojon al la aŭtisto. La aŭtisto mortinte sidis ĉe la direktrado, lia piedo estis sur la gaspedalo. La motoro bruis malplene, la mano de la mortinta aŭtisto estis ĝuste sur la unua rapideco. La maŝino muĝas, sed la aŭtomobilo jam neniam ekiros. En la tombejo, kadavro kuŝas en ĉerko, kvar aliaj kadavroj ĝin volas ĝuste levi, por enterigi. En banko monon kalkulas la kasisto, en dikaj faskoj ĝi kuŝas antaŭ li sur la pupitro. La sinmortiganto alpaŝis la pupitron kaj karesis la dikajn faskojn.

— Malbenita mono — li diris kaj poste kun malamo li kraĉis — mi nun foriros, mi nun kuŝiĝos sub la vagonaron. Kia terura epidemio estis en ĉi tiu urbo! Li ekiris al la stacidomo. En la giganta vitrohalo silente staris la vagonaroj. La nigraj literoj de la elpendigita horaro moke kaj mensoge rikanis al li. Ne ekiras vagonaro.

— Hu — diris la sinmortiganto malkontente — ĉi tie do eĉ morti ne eblas? — Diablon — li blasfemis — oni trompis min, oni tre trompis min.

Li sentis sin pritrompita kaj prirabita. Larmoguto aperis en liaj okuloj, poste, kun klinita kapo, malgaje, denove li reiris al la urbo. Sur unu el la stratoj, sur la asfalto, kuŝis amaso da flavaj afiŝpaperoj. La sinmortiganto malsuprenkliniĝis kaj levis unu. — Gaso — estis skribite sur la afiŝeto. — La unua gasatako de la aeroplana taĉmento de l' Aliancaj Potencoj. Okaze de neplenumo de l' kondicoj sekvos aliaj urboj.

— Ehe — diris la sinmortiganto. — Gaso! — Li jam komencis kompreni la aferon. — Gaso, nature, gaso. — Ja li eĉ aŭdis pri ĝi ion en la lastaj semajnoj. Li, kompreneble, ne komprenas la eksterlandan politikon, oni parolis pri ia konflikto, sed li estis ĝuste tiam okupita pri sia propra vivo kaj nur ĉi tiun unu vorton li notis: Gaso!

Sed nun, ja nun ĉio estas klara kaj komprenebla. Kial koncernas lin la konflikto? Tra la ondoj de la rivero ne penetris la gaso. Li estas verkisto, li volis morti. Ne lia kulpo, ke li ne sukcesis. La romano, jes, la romano. Li ja vere faris ĉion eblan. Li ekspiris profunde. Nun ĉio estas simpla. Skribi li devas la romanon. Mallaŭte li ekridis.

— Gaso, hahaha, gaso, hihi, gaso, jen, jen ĉi tiu gaso — li levis idiote sian montrofingron dum oftaj ekridoj. Nun li montros ion!

Li eniris en papervendejon kaj elektis por si kelkajn foliojn da delikata papero, enpoŝigis dikan fontoplumon, sidiĝis en kafejon apud la fenestro kaj kun febra ambicio li komencis skribi senprokraste la romanon.

La savtaĉmentoj nur post du semajnoj kuraĝis eniri la ekstermitan de gaso urbon. Kornikoj cirklis super la mortintoj. Kadavrodoro kaj mortintoj ĉie. La satigitaj kaj kaŝmurdaj gasnuboj jam delonge forflugis de super la urbo. Kaj la singarde proksimiĝantaj savtaĉmentoj trovis entute nur unu mirindmaniere rifuĝintan homon en la urbo. La homo sidis en la fenestro de kafejo, ĉirkaŭ li la tero estis plena de tasoj de nigra kafo, antaŭ li sur la tablo amase kuŝis plenskribitaj paperoj. Lia barbo pendis sur lian kolumon kaj ĝuste cerbumante pri ia epiteto li maĉis sian plumingon. Verkistspeca homo li estis, kaj ian romanon li verkis, pri malĝojo, birdoj kaj pri malfeliĉa amo. Oni devis lim perforte forporti de la tablo.

Sur la stratoj ŝvebis peza kadavrodoro. La verkistspecan homon oni portis en la frenezulejon.

El la hungara: *Parvus Piscis.*

# La vidvino de Efezo

**— Titus Petronius Arbiter —**

El la fragmenta kultura romano de la roma verkisto Petronius ni en antaŭa numero prezentis la rakonton pri la festeno ĉe Trimalĥiono. Ĉisube ni prezentas alian eltirajon el la sama verko, la rakonteton pri la vidvino de Efezo, per kiu la rakontanto volas pruvi la ŝanĝemon kaj malfidelecon de la virinoj.

Vivis foje en Efezo edzino, kiu estis tiom famkonata pro sia ĉasteco kaj fideleco, ke eĉ la virinoj de la najbaraj popoloj venis por ŝin vidi.

Nun okazis, ke la edzo de tiu ĉi virino mortis, kaj en sia kordoloro ŝi ne nur laŭ la kutimo iris en la funebra procesio kun disliberigitaj haroj kaj batis sian bruston por montri al la homoj sian doloron, sed ne kontenta je tio ŝi sekvis la mortinton eĉ en la tomboĉambron subteran, kaj tie ŝi nun grekmore prigardadis kaj priploradis sian mortintan edzon tagojn kaj noktojn senĉese. Vidante ŝian grandan kordoloron kaj ke ŝi, dezirante morti, nenion manĝas, ŝiaj gepatroj kaj parencoj provis ŝin forvenigi el la tombo, sed vane. Eĉ la reprezentantojn de la estraro ŝi forsendis malatentitaj. Kaj ĉiuj homoj kompatis la eksterordinare fidelan virinon, kiu nun dum kvin tagoj estis sen manĝajo. Ĉe si ŝi havis sian fidelan sklavinon, kiu plorante partoprenis en la malĝojo de sia malfeliĉa estrino kaj de tempo al tempo metis novan kandelon sur la tomban monumenton, kiam la antaŭa forbrulis.

Tiel la fidelega vidvino iĝis la sola interparola temo en la tuta regiono, kaj ĉiuj homoj, nobluloj kiel simpluloj, interkonsentis, ke ili neniam vidis tian pruvon de fideleco kaj amo ...

Nun okazis tamen, ke la estro de la provinco krucumigis nombron da rabistoj najbare apud la tombo, en kiu priploradis la virino sian mortintan edzon, kaj soldato ricevis la ordonon gardadi la krucojn, por ke neniu forŝtelu iun el la kadavroj por enterigi ĝin. Kiam tiu ĉi soldato en la unua nokto vidis inter la tombaj monumentoj kandelon pli klare lumantan ol la aliaj kaj aŭdis funebran ĝemegadon, li kompreneble (li estis ja nur homo) ekscivolis, kiu estas la ploreganto kaj kion li faras, kaj pro tio li malsupreniris en la tomboĉambron subteran.

Vidante la belegan virinon en la tombo li konsternite haltis, kvazaŭ li vidus fantomon el la regno de la mortintoj. Sed kiam li post tio vidis la kadavron kaj observis la larmojn kaj la ungovunditan vizaĝon de la virino, li komprenis, ke ŝi estas vidvino, kiu ne povas sin forŝiri de sia kara mortinta edzo. Tuj li alportis sian manĝaĵon kaj komencis peti ŝin, ke ŝi finu tiun senutilan funebradon kaj ne turmentu sin per tiu vana ĝemegado: la sama sorto kaj la sama ejo atendas ja nin ĉiujn ... Unuvorte: li diris al ŝi ĉion, kion oni ordinare diras al malesperantoj por ilin konsoli. Sed la konsolaj vortoj de la fremdulo nur turmentis ŝin, kaj ŝi komencis ungovundi sian bruston eĉ pli ol antaŭe kaj forŝiri siajn harojn super la korpo de la mortinto.

La soldato tamen ne senkuraĝiĝis, sed provis persvadi la vitinon akcepti iom el la manĝajo. Fine la sklavino, verŝajne venkita per la odoro de la vino, etendis sian manon kaj akceptis la manĝajon, kiun ofertis la bonkora soldato, kaj post kiam ŝi fortigis sin per manĝajo kaj trinkajo, ŝi komencis ataki la obstinecon de sia estrino.

— Kian utilon vi havos, ŝi diris, se vi forvelkos per malsato, se vi enterigas vin mem viva, se vi senkulpa mortos antaŭ la tempo, kiun fiksis la sorto.

»Ĉu vi opinias, ke la fantomo, la cindro ĝin sentas«?*

Ne, revivu. Forigu vian eraran opinion, kaj ĝuu la ĝojojn de la vivo, dum vi povas. Eĉ la morta korpo tie devas vin admoni, bone uzi la vivon ...

Ĉiu homo aŭskultas ne malvolonte, kiam oni instigas lin manĝi aŭ konservi sian vivon. Kaj tial la virino, senforta post la longa nemanĝado, ne protestis, kiam oni neniigis ŝian obstinecon, kaj ŝi manĝis ne malpli avide ol la sklavino antaŭe.

Sed same kiel la soldato persvadis la vidvinon daŭrigi sian vivon, tiel li nun per flataj vortoj komencis ataki ankaŭ ŝian ĉastecon. Kaj la sklavino kunhelpis gajni ŝian favoron por la soldato dirante:

— »Ĉu vi eĉ la bonvenan amon rifuzos,
kaj ĉu vi ne pripensas, en kies lando vi vivas?«*

Ŝajnis ankaŭ al la virino, ke li estas sufiĉe bela kaj elokventa junulo. Unuvorte: ankaŭ en tiu ĉi rilato la virino ne kontraŭstaris la bravan atakon de la soldato. Kaj ili kunkuŝis ne nur tiun ĉi unuan nokton, en kiu ili solenis sian unuiĝon, sed ankaŭ la sekvan kaj la trian — sed kompreneble nur post kiam ili fermis la pordon de la tomboĉambro, por ke, se iu konato aŭ alia persono venos al la tombo, li kredu, ke la fidelega edzino mortis super la korpo de sia edzo.

La soldaton tre plaĉis kaj la beleco de la virino kaj la sekreto, kaj tiel ofte kiel li povis li aĉetis ĉiuspecajn frandaĵojn kaj portis ilin nokte al la tombo.

Kiam nun la gepatroj de unu el la krucumitoj observis, ke la gardado ne estas tiom zorga kiom antaŭe, ili nokte dekrucigis la korpon de sia filo kaj enterigis ĝin. La sekvan tagon la soldato, vidinte unu el la krucoj senkadavra, tre ektimis, kaj antaŭvidante la punon li rakontis al la virino, kio okazis, kaj deklaris, ke li volas antaŭveni la juĝon kaj per sia glavo mem puni sian malatenton. Ŝi do aranĝu tombon por sia mortonta amanto.

Sed la virino, kiu estis tiom kompatema kiom ĉasta, diris:

— Malpermesu la dioj, ke mi samtempe vidu mortintaj la du virojn, kiujn mi amas pli ol ĉion alian! Ne — mi pli volonte krucumas mortinton ol mi mortigas vivanton!

Tion dirinte ŝi eligis la korpon de sia mortinta edzo el la ĉerko kaj krucumigis ĝin ĉe la kruco, kiu ne havis kadavron.

El la latina: *Einar Knutsson*

* Vortoj el la Eneido de Vergilius, adresitaj al Dido, kiam ŝi hezitas edziniĝi kun Eneas post la morto de sia unua edzo.

# Skizo de esperanta metriko*

— G. Waringhien —

### Antaŭparolo

Mi ne intencas, en la sekvanta verko, instrui la poetojn pri ilia metio, sed simple kompili k klasifiki la rimarkojn de mi faritajn dum vasta legado k kontrolitajn per longa diskutado. Mi ne opinias mian provon tro frua: se oni konsideras, ke nur en la lastaj jaroj tradukiĝis *Faŭst* de *Goethe*, age de *Barthelmess*, *La Tragedio de Homo* de *Madach*, age de *Kalocsay*, *Eŭgeno Onegin* de *Puŝkin*, age de *Nekrasov*, estas tradukata *La Dia Komedio* de *Dante*, age de *Kalocsay*, (mi ne volas paroli pri originalaj poemoj), oni konsentos, ke venis la tempo skizi sisteman studon pri la Esp-a metriko.

Sed antaŭ ol entrepreni ĝin, stariĝas la demando — ne ĉu Esp-o estas poezia lingvo (la cititaj ĉefverkoj estas sufiĉa respondo), sed laŭ kia mezuro ĝi pruvis sian poeziecon. K se ni esploras la temon laŭ tiu vojo, ni konstatos, krom grandaj kvalitoj, kiel la stilfleksebleco k la riĉo el kunmetitaj formoj, ankaŭ unu gravan mankon: nia lingvo ne estas sufiĉe *elvokanta*. Oni nomas elvokiveco de iu vorto ĝian kapablon veki en la spirito de la leganto vidimpreson, imagbildon; la vorto »neĝo«, ekz-e, estas elvokanta, ĉar aŭdante ĝin, ni mense vidas la blankan k malvarman teron glimbrili de pala suno. Nu, tiun kapablon havas tro malmulte da esp-aj vortoj: ĉiu povos konstati, ke plejofte nacilingva traduko de poemo estas pli elvokanta ol la, eĉ pli perfekta, esp-a. Tiu manko havas tri kaŭzojn, el kiuj ne ĉiu estas same grava.

La unua estas la granda signifamplekso de pluraj esp-aj radikoj, t. e. ilia abstrakteco. Estas fakto konata de ĉiuj filologoj, ke vorto estas des pli elvokanta, ju malpli multajn objektojn ĝi signas, t. e. ju pli konkreta ĝi estas. Plej elvokantaj el ĉiuj vortoj estas la propraj nomoj (»Zamenhof«), aŭ loknomoj (»Parizo«); poste venas komunaj nomoj, kiuj signas tre malvastan k bone difinitan kategorion el aĵoj, kiel »suno, eburo, nigro«: laŭ la mezuro, kiel la signata aĵ-kategorio estas pli ampleksa, la elvokiveco malgrandiĝos ĝis plena malapero: »Bela Joe« estas pli elvokanta ol »vertrago«, »vertrago« pli ol »hundo«, »hundo« pli ol »kvarpiedulo«, »kvarpiedulo« pli ol »besto«, k »besto« pli ol »estaĵo«, kies elvokiveco estas ĝuste nula. Nu, al multaj radikoj Zamenhof donis tre larĝan k malprecizan signifon, celante kiel eble plej maldikigi la vortaron. Sufiĉas malfermi nacilingva-esp-an vortaron por konstati, kiel la naturaj lingvoj estas pli precizaj. La sola »pinto« signifas F. »pointe, bout, sommet, cime, faite« -G. »Spitze, Stachel, Gipfel, Wipfel« — A. »point, peak, summit, apex, pinnacle, top, tip, nib«. »Rando« estas F. »bord, lisière, arête, contour, rebord, tranche« -G. »Rand, Saum, Grat, Krämpe, Umritz« — A. «Edge, brink, brim, rim, rand, verge, ledge, sharp corner, cant«. Kompreneble tiaj esp-aj vortoj estas multe pli konfuze elvokantaj ol ĉiu el la respondaj nacilingvaj.

Dua kaŭzo estas la maloftega uzado de Esp-o en la ordinara, familiara vivo; ĝi estas precipe skribita lingvo, kiun oni parolas nur post longaj intertempoj k nedaŭre. Nu, la ĉiutaga uzado havas tiun efikon, ke ĝi nedisigeble ligas la objekton aŭ ĝian imagbildon kun la vorto. Se mi neniam havis okazon indiki markrutaĵojn per ilia nomo, mi ja scios per mia vortaro, ke »klifo« signifas F. »falaises«; sed la franca, ne la esp-a vorto estos elvokanta. Same okazas pri la kunmetitaj vortoj, kiuj respondas al simplaj nacilingvaj vortoj (ekz-e: patrolando): se oni ne daŭre kutimiĝis percepti rekte la simplan ideon tra la malsimpla formo, la spirito ĝin mallerte analizos en ĝiajn elementojn, k tial ne ricevos la drastan imagbildon. kiu tiel gravas en la poezio.

La tria kaŭzo, la plej grava, estas la tre ofta uzado de vortoj formitaj per *mal*, *ne* aŭ *sen* por signifi la kontraŭojn. Tio ĉi malutilas la poezion, ne ĉar ili estas ne sufiĉe elvokantaj, sed ĉar ili estas kontraŭsence elvokantaj. Efektive, se ni rememoras la klasifikon de la vortoj laŭ ilia elvokiveco, ni vidas, ke ĝi estas despli malforta, ju pli abstraktaj ili estas; nu, plej abstraktaj vortoj estas la gramatikaj iloj, la »morfemoj«; kiel morfemo, la negacio estas tute sena je poezia valoro. Ne rimarkinte tion, kelkaj poetoj faris verajn kontraŭsencojn; por ke la leganto sentu la malon de koncerna impreso, ne sufiĉas kunmeti negacion kun la vortoj, kiuj ĝin esprimas; ĉar oni ne forigas tiel la evitendan impreson: oni elvokas la imagbildon, dum oni kredas ĝin forpeli. Dezirante priskribi grizan vintran tagon, Grabowsky skribis:

La tago malvarma, malgaja, sensuna...

verso taŭga por doni la impreson de sunplena somertago; tiun bildon la uzo de *mal* ne forigas de la spirito de la leganto (mi nun ne parolas pri la malĝusta uzo de la vokalkoloro: vd. §. 39). Tiuj malvortoj estas vera plago por la poezio — k ne nur por la poezio: pensu pri la sekvoj, kiujn havus miskompreno de poraŭtomobila surskribo »Turnu maldekstren!«.

El tiuj tri kaŭzoj oni povas esperi, ke la du unuaj iom post iom malaperos, laŭ ke Esp-o estos pli diskonata. Efektive, ĝia uzado por pli teknikaj uzoj devigos ĝin precizigi la tro konfuzajn terminojn. Jam antaŭ niaj okuloj ni vidis apud la fundamenta »fosilo« stariĝi en la 4a Aldono »pioĉo« k »ŝpato«. Apud la fundamenta »murmuri« naskiĝis en la 3a Aldono »flustri«, k Zamenhof uzis krome oficialigindan »su-

*Antaŭparolo kaj unu ĉapitro. El la »*Parnasa Gvidlibro*« de Kalocsay kaj Waringhien.

suri«. Apud la fundamenta »bleki« la 1a Aldono metis »miaŭi«, la 2a »grumbli«, la 4a »kluki«: plie Zamenhof uzis »grunti« k »kveri«, k oni komencas renkonti »heni« k »ululi«. Certe, ke la evoluo ne ĉesos. Same, kiam Esp-o estos lernanta jam de unuagradaj lernejoj, la infanoj kutimiĝos nomi rekte la objektojn per ilia esp-a nomo, ne plu pasante tra sia patra lingvo, k Esp-o akiros tiam multe pli grandan elvokiveoon.

Kontraŭe, ne estas ia ajn ŝanco, ke oni iam tute forlasos la tiel genie elpensitan, tiel oportunan sistemon de la mal-vortoj: la ekonomio en la lingvo estas tro grava por esperi modifon. Nur por kelkaj ĉefaj ideoj, oni iom post iom kreis apud la mal-formo alian simplan. Jam de la komenco de la lingvo oni diris »forgesi« k ne »malmemori« »gajni« k ne »malperdi«, »komenci« k ne »malfini«, »hieraŭ« k ne »malmorgaŭ«, kvankam tiuj kunmetitaĵoj estus tiel logikaj kiel »malfermi« aŭ »malsupre«. Je ĉiu evoluetapo oni povas noti tiajn konkerojn: en la Fundamento »falsa« anstataŭas la antaŭan »malvera«; en la 1a Aldono »fiksa« vanigas la ĝistiaman »senmova«, k »naiva« — »senartifika«; en la 2a »stulta« (= malsprita), en la 3a »aflikti« (= malĝojigi), »efemera« (= maldaŭra), en la 4a »kalva« (= senhara) estas atestoj pri la sama tendenco; kelkaj aliaj atendas ankoraŭ oficialigon («kompleksa« uzita de Zamenhof anst. »malsimpla«), k oni povas eĉ supozi, ke, ĉe granda vastiĝo de la esp-a turismo, oni pro la supre aluditaj kaŭzoj akceptos »sinistre« k »infre« apud »maldekstre« k »malsupre«. Sed tia kreado restos ĉiam fragmenta en nia lingvo, k ve.ŝajne neniam ĝeneraliĝos. La poetoj, kiuj bezonas tuj drastan vortaron, devos helpi al si mem. K tio estas ebla: preskaŭ en ĉiu lingvo la poezio, se ĝi ne kreis por si apartan lingvon, kiel faris la helena, almenaŭ rezervis al si uzon aŭ kreon de specialaj vortoj: ni pensu nur pri la francaj »courroux, onde, penser« apud la prozaj vortoj »colère, eau, pensée«, la italaj »lumi, vanni, natali, augelli« apud la prozaj »occhi, ali, nascenza, ucelli«, la anglaj »steed, brine, gale, mead, main, bosom, wrath, brow« apud »horse, sea, wind, meadow, sea, heart, anger, forehead« ktp. Kial Esp-o, kiu imitas tiujn lingvojn sur aliaj kampoj, ne imitus ilin sur tiu ĉi? Kial, kontraŭ la prozaj vortoj »malgaja, malvarma, mallonga, malrapida, malfermi«, ne starus poeziaj terminoj, signitaj, kiel tiaj, en la vortaroj »trista, frida. kurta, lanta, aperti«? Mi deziras, ke pri ĉi tio estiĝu nenia miskompreno. Ni neniel intencas ŝanĝi aŭ forigi ian ajn radikon de la Fundamento, kiun ni severe gardas k observas; ni volas simple sekvi la vojon montritan al ni de Zamenhof mem, k de la kompetentaj kompilintoj de la 4 Oficialaj Aldonoj, proponante apud la ordinara formo, alian akcesoran k specialan por la poezio. Tio estos nur daŭrigo de la ĝisnuna evoluo, ne revolucio.

La konkludo de tiuj kelkaj rimarkoj estas do favora. Mi ne volas diri, ke de nun Esp-o povas rivali kun ia nacilingvo: 50 jara praktikado, eĉ en la epoko de l' elektro, ne povas egalvalori miljaran prilaboradon. Sed kiam oni, kiel mi faris, tralegis preskaŭ la tutan esp-an literaturon de la »Neĝa Blovado« ĝis »En Okcidento nenio nova«, oni vidas tre klare, ke la postmilitaj verkoj prezentas tre gravan antaŭenpaŝon k lingvoprogreson.*) La teknikajn problemojn de versfarado ni povas do sentime alpaŝi, konsciante, ke nia laboro ne estos vana batado de vento, sed ebligos novan ekfloradon de nia kara esp-a poezio.

Mi ne povas fini tiun antaŭparolon sen rememorigi la nomojn de miaj antaŭantoj, Sroj Cart, Parizot, Vaillant — k precipe sen danki Sron Kalocsay, al kies valoraj konsiloj mi multe ŝuldas. Restas nun al mi deziri, laŭ la antikva formulo, ke tiuj, kiuj legos tiun skizon, sentu tiom da plezuro, kiom mi ĝuis, skribante ĝin.

* Oni tamen ne miros, se mi citos kiel eble plej ofte versojn de Zamenhof: konscienca studo de liaj verkoj estas tiel necesa por firme fondi metrikon, kiel por kompili vortaron aŭ ellabori gramatikon.

## AFORISMOJ

— *Kiam mi konsideris, kiom da diferencaj opinioj pri unu afero povas ekzisti, el kiuj ĉiu trovas defendanton inter la scienculoj, kaj ke nur unu sola el ili povas esti vera, tiam mi konvinkiĝis: Ĉio, kio estas nur verŝajna, estas verŝajne malĝusta!* Descartes

— *Kiam ni profesoroj estas necertaj kaj ŝanceliĝaj pri iu procedo, ni komencas nian tezon per »kiel oni scias«.* (Fizikisto) W. Dove

— *Ni estas ĉiuj sufiĉe fortaj por elporti la mizeron de l' proksimulo.* La Rochefoucauld

— *Kiel nia irado estas nur falado ĉiam retenata, la vivado de nia korpo estas nur mortado konstante retenata, morto ĉiam prokrastata. Tamen ni daŭrigas nian vivadon kun multe da intereso kaj zorgo kiel eble plej longe, same kiel oni blovŝvetigas sapvezikon kiel eble plej longe kaj grande, kvankam oni certe scias, ke ĝi estas krevonta.* Schopenhauer

— *Homo, kiu faras amdeklaron kun malvastaj pupiloj, hipokritas.*)* C. I. Schleich

— *Kiam oni trovas stilon naturan, oni estas tute mirigita kaj ravita, ĉar oni supozis aŭtoron kaj trovas homon.* Pascal

— *Ankaŭ la plej honesta homo, precize esplorinte laŭ la leĝoj ĉiujn siajn agojn kaj pensojn, trovos, ke li en sia vivo minimume dekfoje meritis esti pendigata.* Montaigne

— *Ĉiu enestas en sia konscio kiel en sia haŭto kaj vivas senpere nur en tiu: tial ne estas eble tre helpi lin de ekstere. Sur scenejo unu ludas princon, alia konsiliston, tria serviston, aŭ soldaton, aŭ generalon. Sed tiuj ĉi diferencoj ekzistas nur en la eksteraĵo; en la interno, kiel kerno de tia aperaĵo estas ĉe ĉiuj la sama: bedaŭrinda komediisto, kun siaj sufero kaj mizero. Same estas en la vivo.* Schopenhauer

**(Walter Lippmann)**

*) Ĉar fortaj emocioj vastigas la pupilojn.

La skando de la ritmo k la aranĝo de la rimoj, kiujn mi ĝis nun studis, ne devas esti la sola zorgo de l' poeto: li devas atenti ankaŭ la harmonion, t. e. la agordon de la konsonantoj k vokaloj interne de la verso. Antaŭ ol entrepreni tiun studon, estas bona memorigi, ke pro la akcenta strukturo de Esp-o, ni okupiĝos nur pri la konsonantoj k vokaloj de la akcentaj silaboj: tiuj de la senakcentaj ne estas per si mem sufiĉe rimarkeblaj por fari efekton, ili povas nur plifortigi la harmonion de la akcentaj.

Ripeton de sama aŭ simila konsonanto oni nomas aliteracio. Kiel mi diris supre, ĝi estis esenca elemento de pragermanaj versoj. K. Kalocsay imitis tiun sistemon en sia »Kongresa Runo«:

Vokas voĉ' de Väinemöinen,
Vibras vok' en vaga vento
Kaj ĝin muĝas malproksimaj
Montoj, maroj murmurantaj ...

Tiu aliteracio, kiel oni vidas, anstataŭas la rimon. Sed en la rimaj versoj, la aliteracio, malpli ofta, ludas akcesoran rolon. Ĝi servas precipe por pentri la naturajn bruojn, la movojn k la sentojn. Cetere oni devas ĉiam memori, ke la sonoj estas esprimivaj nur okaze, k sugestas ion nur se la en ili entenita ideo akordas kun tia sugesto: la ripeto de U estas elvokiva en »susuro«, sed ne en »uzuro«; tiu de K estas sugesta en »klaki« k »kraki« sed ne en »kaki« aŭ »makako«. Aliflanke, la respondo inter sonoj k sentoj estas certa, sed ne logike difinebla: oni do ne devas serĉi en tiu kampo matematikan precizon.

La dentaloj (dt) k guturaloj (gk) esprimas ĝenerale la obstinon, persiston:

Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan ... (Z)

La verdan standardon tre alte ni tenos ... (Z)

k ankaŭ simple la emocion:

... Nun mi plene sentas
La tutan terurecon de l' danĝero. (If)

La guturaloj, miksitaj kun R, pentras la krudajn, sovaĝajn bruojn:

Raŭkaj korvoj ĉirkaŭgrakas ... (T. Jung)

Ŝtona mur' kun tondra krak'
Krevu sub la peza hak'! (B. Rifling)

La likvidoj (lr)k nazaloj (mn) donas impreson pri mildo, karesemo:

Al brusto la mia, ha, ĝi min doloras,
Almetu maneton, amata knabino ... (FK)

Nun, kun flu' pli mola ol river' trankvila ... (K)

Ha, legi longe el oku'a helo
Kvietan ravon .... (K)

La lipaj frikativoj (fv) esprimas fizike mildan k sonoran blovon aŭ fluon:

Sur flugiloj de facila vento ... (Z)

Kiel vento la blovanta,
Ili flugis for ... (FK)

Freŝa parfum' eliris el la asfodeltufoj,
La blovoj de la nokto ekflirtis sur Galgala ..

Sed ili povas esprimi ankaŭ multajn sentojn, la ĝojeksciton:

Printempo volas veki vin per vibre febra kiso .. (K)

Kaj vian familion vi ornamos
Per novaj, freŝaj floroj de la vivo ... (If)

la forton:

La viro kun la fera vol', la filo ... (If)

la funebron:

Floro falis ankoraŭ! Sekiĝis herbero kaj mortis,
Velkis pro vintra la frosto ĝia verdanta folio .. (FK)

La ripeton de sama aŭ simila vokalo oni nomas asonanco. Laŭ sia esprimiveco, la vokaloj grupiĝas en tri grupoj: la *klaraj* (I, E), la *malklaraj* (O, U) k la *meza* (A). Kvankam ilia esprimiveco estas malpli facile difinebla ol tiu de konsonantoj, oni povas diri, ke la klaraj, precipe I, servas por esprimi la malgajon, plendon, melankolion:

... Pleje nun min via ĉarm' altiras,
Ravita mi priskribas vin, ĉar mi je vi sopiras .. (Z)

Mia mizero, mia mizero,
Ĉu mi vin finos iam suferi? (FK)

Sed griza jam iĝis ĉe miaj tempioj
La nigra harar' . . . (K)

La malklaraj esprimas surdajn sonojn (kiel en la vortoj: tondro, ronki, murmuro, zumi ktp) aŭ timigajn impresojn:

Noktuo jen ululis sur Forumo .. (M. Lukaŝ)

Morgaŭ uragano kun hurlanta muĝo ... (K)

Ĉiu tomb' malfermis buŝon kun murmuro .. (K)

A miksita de E k O servas kontraŭe por signi sonorajn, ĝojajn sentojn:

Ho, ardu la koro en flamo,
Ĝin hardu la fajro de amo
Por granda kaj sankta fervor',
kaj sonu la voko tra l' mondo,
Ja vane, sen kora respondo,
Jam certe ne sonos ĝi for! (K)

Antaŭ ol forlasi la studon pri la vokaloj, ni devas rimarkigi la harmoniefektojn, naskitaj de la simetria aranĝo de la samklasaj vokaloj (EI - OU) en la akcentaj silaboj. Tiu ĉi versmuziko, kontraste kun la sonimito, ne estas esprimiva k ne dependas de la esprimita ideo. Cetere, por ke la harmonio de la vokalgrupoj estu perceptebla, ĝi devas respondi al la aranĝo de la piedoj ĉiuflanke de la cezuro. Jen kelkaj mallongaj indikoj pri tiu tre riĉa materio.

# Trioble tri minutoj

## Intervjuo pri AELA

»Nun post UEA, ICK, KR, LKK — ankoraŭ unu mistera organizaĵo!« mi kriis kun indigno, kiam mi legis prospekton de AELA. »Fulmotondro! Kion ili volas? Monon? Kompreneble. Kion ili donas? Librojn. Ah — librojn! Jen alia afero. Ni rigardu. AELA volas doni al siaj membroj librojn, librojn kaj ankoraŭfoje librojn. Bone. La prezo? La kostoj? En tiu ĉi momento mi ekprenas mian kapon, miaj okuloj vastiĝas kiel aŭtoradoj, mi elkrias: »Bleier, vi bankrotos! Vi freneziĝis! Vi ruinigos vin mem, la eldonejon kaj nin kompatindajn verkistojn!!«

Rigardu! Programo de AELA por 1932: 6 libroj, preskaŭ sume 2000 paĝoj, inter ili originalaj kaj tradukitaj romanoj, riĉe ilustrita libro pri pentrarto, Hungara Antologio kaj — Enciklopedio de Esperanto, ĉiuj libroj kune en la valoro de sv. fr. 55.— riceveblaj por (nur!) 13 sv. fr. 50 centimoj.

Blufo? Aprila ŝerco? Simpla preseraro?... Mi kuregas al la telefona aparato. Mi devas averti, protesti en la nomo de la malsatantaj verkistoj...

»Hallo! Interurban centron!« Procedo enuiga. »Jes, 380—84!« Ekscitite mi atendas ĉe la aparato. Fine sonorigo.

»Hallo! Kiu tie?...«

Malproksima voĉo respondas:

»Hallo! Bleier!«

»Bonan! Ĉi tie, ne miru, Forge! Aŭskultu, mi estas tute ekscitita. Mi ĵus legis pri via AELA. Prezoj neeblaj.«

Min interrompas voĉo tute natura, neniom surprizita, kvazaŭ okazus tute ĉiutaga afero:

»Trankviliĝu! Ĉio estas en ordo. La afero estas simpla. Ĝis nun la Esperantaj libroj estis multekostaj. Tial ili vendiĝis en pli kaj pli malmultaj ekzempleroj. Sekve, ili devis fariĝi ankoraŭ pli multekostaj. Sekve ili vendiĝis en ankoraŭ pli malmultaj ekzempleroj. Jen la vera »peka cirklo«, en kiu komencis jam tute sufokiĝi la Esperanta literaturo. Nun, kion ni volas fari? Turni la direkton en la cirklo. Doni malmultekostajn librojn, sekve vendi pli multajn ekzemplerojn, sekve ankoraŭ pli malaltigi la prezojn, sekve vendi ankoraŭ pli multajn ekzemplerojn. El la »peka cirklo« ni volas fari »virtan cirklon«.«

»Bonegaj ideoj!« mi konsentas, »Sed ĉu vi ne timas, ke la libristoj unuanime-unumane vin ŝtonumos?«

»Ne, ĉar ili nepre rekonos pli aŭ malpli frue, ke la malkara libro neniam malutilis al la libristoj. *Ĝi ja kutimigas la homojn legi.*«

»Vi pravas! Estas fakto ke ekzistas miloj da Esperantistoj kiuj avidas aĉeti librojn, sed pro la krizo ne povas elspezi tiom da mono. Sed ĝuste tiuj krizaj tempoj — ĉu vi ne timas ilin?«

»Krizaj tempoj? Ili ĝuste favoras nian AELA. Ĉar kion la Esperantistoj faros sen AELA?...«

»Hallo! Tri minutoj pasis!« interrompas mistera voĉo.

»Ankoraŭ tri minutojn!« mi krias. »Vi estas terura optimisto!«

»Mi dankas la komplimenton! La plano de nia EALA volas venki la krizon. Neniu havas monon, almenaŭ ne multan. Kontraŭ tiu malagrabla fakto oni povas batali nur per malaltaj prezoj. La ĝisnunaj prezoj, inter la nunaj cirkonstancoj, kondukus neeviteble al la ĉesigo de ĉia eldonagado, ĉar la libroj nehelpeble ŝimiĝus en la magazeno. Sed la kvaronigo, eĉ kvinonigo de ĉi tiuj prezoj povos savi la situacion. Precipe, ĉar oni ja povos pagi ankaŭ en partoj. Pripensu ke la membrojn de la AELA ŝarĝas monate malpli ol 1.5 sv. fr. do tage malpli ol 5 centimoj. Kaj por tiu sumo ili havos jare ses ampleksajn librojn, kaj krome ankaŭ recenzgazeton, kiu raportos vigle pri nia tuta literatura vivo.«

»Kion vi diras!« mi demandas surprizite. »Ankoraŭ recenzgazeton? Ne, tio estas tro, tio ne volas eniri mian kapon!«

---

La akcentvokaloj povas interrespondi duope:

Ni ĝin atingos per la potenco — i i-e e
Kaj nin ne timigas la noktaj fantomoj — i i-o o
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro — a a-o o
Aŭtuno nebula! Arbar' nudiĝanta! — u u-a a

Ili povas alterni:

Tiam atendas nin rekompenco — i e-i e
Al vi iris jam oferoj — a i-a e
Nur rekte kuraĝe kaj ne flankiĝante — e a-e a
La Forto mistera de l' mondo nin benos — o e-o e

aŭ ringe sin respondi:

Se donas Di' al vi favoron — o i-i o
Forte ni staru, brave laboru — o a-a o
Al Vi ni ne venas kun kredo nacia — i e-e i
La verdan standardon tre alte ni tenos — e a-a e
Floradas ankoraŭ la floroj en valo — a o-o a

(ĉiuj Z, krom la 4a FK k lasta: K)

En la versoj de malpli simetria ritmo prezentiĝas la sama harmonio, sed laŭ formoj pli malsimplaj; cetere oni devas atenti nur la efektive prononcatajn akcentojn (vd § 10):

Kvinjamboj:

Por mI nenIam tIon mi dezIris
AnImo lIa bEla k libEra
Ne mAnkas Al mi bEno de l' ĉiElo
LibEre spIri nE signIfas vIvi
Ŝi dOnu vEnkon, glOron kaj riĉEcon (If)
Jen mIlda Ombr' allOgas vIn ripOzi
Al brUst' klinIĝu kaj mi vIn ventUmos
CollOnga vIv' admOnas nIn rapIdi (K)

Aleksandroj:

La nOmo, mi memOras, sonOre, dOlĉe sOnas...
LilIojn de l' anImo kaj rOzojn de la kOro
Kaj mIa fantazIo kiel la vEloj ŝvElas
PupIloj viaj tAmen albrIlis, divenAtaj
La vIbraj violOnoj post mOntoj moldeklIvaj (K)

Sufiĉos tiuj kelkaj analizoj por montri la sekvotan vojon: ili pruvos ankaŭ, mi esperas, ke nia esp-a poezio penvaloras ne nur suprajan k neglektan tralegadon, sed ja la studon k' kritikan esploron.

»Ĉu ne inde aniĝi? Ĉu oni ne povas esperi, ke tiel oni tranaĝos la krizon? Nia ŝipo certe estas bone ekipita, havas elektitajn ŝipanojn, prenis bonan direkton . . .«

»Bone, bone —« mi diras nervoze, »Sed se oni ne havas eĉ kvin centimojn tage?«

»Hallo! la dua triminuto pasis!« malagrablas ree la mistera voĉo.

»Ankoraŭ tri!« mi insistas kiel ebriulo, kiu mendas la trian botelon.

»Jes, ankoraŭ tri!« eĥas alia drinkemulo ĉe la transa fino de la drato. »Kion vi diris? Se oni ne havas«

»— se oni ne havas tiujn 5 centimojn!«

»Kiujn centimojn?«

»Nu tiujn diablajn 5 centimojn tage por esti membro de AELA?! . . .« mi krias ekscitite, ĉar mi volas elprofiti la lastajn tri minutojn.

»Nu, povas ja kuniĝi du personoj po 2.5 centimoj tage, aŭ tri personoj po 1.66 centimoj, ili povas kune legi kaj poste inter si dividi aŭ lotumi la librojn.«

»Mi komprenas.«

»Tial ankaŭ la programo estas tiel varia! Ĉiu trovos konvenan verkon por si! Jam la 640 paĝa interesega Enciklopedio de Esperanto valoras pli, ol la tuta sumo, kiun oni pagas por ĉiuj libroj!«

»Bone, bone, bonege!«

»Kion bezonas Esperanto? Librojn! Pli ol iam ajn! Por la lingvo, por la movado, por la verkistoj! Librojn, por kiuj estas inde lerni la lingvon!« ekscitiĝas la voĉo ĉe la transa fino de la drato. »Ni povus diri sen fanfaronado: entrepreno tiel grava kaj utila por nia lingvo kaj movado, ke ĉiu esperantisto devas ĝin subteni! Sed ni tute ne volas voki al ia »esperantista oferemo«, kiun ni tre alte taksas, sed je kiu ni jam delonge ĉesis kalkuli. Prefere ni povus diri, ke ni ne volas ricevi donacon, ni volas *doni* donacon. Sed ankaŭ tion ni ne diras.«

»Momenton, haltu, ankoraŭ unu demandon!!« mi krias.

»Ĉi tie ne temas pri donaco, sed pri ambaŭflanka reciproka gajno, sur la bazo de prudenta kaj reala kalkulado.«

»Unu gravan demandon: kiel vi imagas al vi la aferon kun la verkista . . .«

»Ni konstruas aerkastelon el ŝtono kaj ŝtalo kaj invitas loĝi la esperantistojn por la plej malalta luprezo! . . .«

»Haltu, poeto! Nur unu demando: la verkista honorario!?!«

»Tri minutoj pasis!« krias la Fata Voĉo.

»Ĝis revido en Parizo!« la alia.

»He, he, hallo, ĉu la honorario same estos kvinonigata?? . . .«

Responde la telefono sonoris en miajn orelojn kaj eĥe ripetiĝas la bela frazo »Ni konstruas aerkastelon el ŝtono kaj ŝtalo kaj invitas loĝi la Esperantistojn por la plej malalta luprezo . . .«

. . . . Post unu horo alvenis telegramo. Mi ŝire malfermis ĝin. Miaj manoj tremis, kiam mi legis la tekston:

> 1000 membroj por AELA jam alighis stop malgrau prezredukto ni decidis duobligi verkistan honorarion
>
> *L. M.*

Post tiu ĉi telegramo mi estis kortuŝita. En tiu ĉi momento mi konfesis, ke tiu ĉi AELA estas la plej mistera organizaĵo de Esperantujo, ke ĝi estas la plej grandioza entrepreno de la dudeka jarcento . . . !

*Jean Forge.*

---

# MIA ANGUCO

**— JULIO BAGHY —**

## En Varsovio

*Varsovio . . . Dense neĝas. La senfortiĝinta vintro faras ligon kun la marta vento por ĵeti sian koleron al miaj vangoj. La moderna pilgrimanto rifuĝas en la elektran veturilon kaj tiel proksimiĝas al la tombejo, en kiu ripozas postlasita korpo de koro, vivanta eĉ nun inter ni. La batetado de tiu ĉi nevidebla koro estas la sola, kio muzikas pri espero en la hodiaŭa renversita mondo. La profunde sincera kredo de tiu ĉi koro lulas mian animon en piecon . . . La unuan fojon antaŭ 22 jaroj mi ekaŭdis ĝian vokan voĉon. Tiom da konvinka fido estis en ĝia voĉo, ke mia revpelanta juneco memvole fariĝis ĝia sklavo. La sorĉan melodion de tiu ĉi koro mi aŭskultis kun la entuziasmo de la dudekjaruloj . . . ĝia voĉo resonis en mia animo dum la mortvoma tondrado de la kanonoj, ĝia kredo kuraĝigis min dum la animmuelaj jaroj de longa militkaptiteco kaj la melodioj de tiu ĉi koro karesas nun mian homan vivon, ŝiritan kaj ĉifonitan, dum mi rigardas rigide senlarme en la ĥaoson, en kiu baraktas mia tuta familio: la homaro.*

*Varsovio . . . La pordego de la juda tombejo oscedas al ni. En mia animo tremetas emocio. Mi preferus esti sola. Mi dezirus plori, ploregi. Mi volus envortigi la revojn kaj seniluziiĝojn de dudekdu jaroj kaj malfermi mian tutan animon antaŭ la tombo, en kiu kuŝas polviĝanta, malvarma korpo . . . Majstro, mia amata Majstro, pardonu al mi la mutecon de miaj lipoj. Ĉio kaj ĉiu ĝenas min ĉirkaŭ via tombo . . . El inter la tomboŝtonoj la impostprenantoj de la pio kaj pietato, la pagataj kaj dungeblaj preĝantoj fiksas sian malsatan rigardon al mi. Ho, kiel dolore! Ĉu fremda buŝo povus diri tion, kion mi sentas ĉe via tombo? Ĉu ekzistas tia elokventa preĝanto, kiu povus doni flugilojn al miaj pensoj? Tia ne ekzistas, mia vivantkora Majstro.*

*Pardonu al mi, ke mi venis kun malplenaj manoj, ke miaj lipoj ne murmuras preĝon, ke miaj okuloj senlarme fiksiĝas al via tomboŝtono, ke starante en la densa neĝado mi pensas pri tio, ke tamen estus bone kaj dece dungi unu el la spionantaj preĝistoj . . . ho, ne pro la preĝo mem, sed pro tiu peceto da pano, kiun li povos aĉeti per la groŝoj. La mizerplugita vizaĝo de la Vivo subpremas la pian emocion kaj ekveas en mi la Homo, tiu homo, kiun antaŭ 22 jaroj vekis el dormo la espermuzika melodio de via koro.*

*Majstro, mi hontas pri mia muteco ĉe via tombo. Ho, kiel mi dezirus preĝi al la Mistera Forto. Jes, preĝi, sed ne kredperdinte, ne kun mortinta espero en mia animo. Mi dezirus preĝi tiel, kiel antaŭ longaj jaroj, kiam por mi la Homo estis promeso kaj ne ruiniĝinta prudento. Mi ne povas preĝi, Majstro. La infana kredo mortis en mi kaj la scio donis nenion.*

*Mi ne preĝas. La danko de mia animo senvorte, senlarme, sed kun neforŝirebla amo ĉirkaŭprenas vian tombon. En tiu ĉi ĉirkaŭpreno enestas, vivas varmo de tiu fajro, kiun la dolĉa melodio de via koro pri la homa Homo flagrigis en mi. El la iama flagranta fajro restis nur fajrero, sed ĝin mi povas danki sole al vi. Ĉe tiu ĉi palpebrumanta fajrero mi varmigas mian frostotremantan animon, la vivon de tiu ĉi fajrero mi nutras kaj el ties varmo mi donas al tiuj, kiuj malvarmas, tremas pro frosto dum la vintro de la Vivo. Kaj mi ne estas sola. Hodiaŭ jam centmiloj da flagrantaj kormeĉoj brulas kaj lumas kaj ĉiu ricevis sian lumon, sian varmon de via koro. Majstro mia, mi dankas al vi ĉi tiun lumon je la nomo de tiuj, kiuj venos post ni kaj kiuj vidos tion, kion sole vi vidis en via profeta inspiriteco . . . Ripozu pace post laboro. La semaĵo jam ekfloriĝis kaj promesas abundan rikolton.*

. . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Varsovio... La filinoj de la Majstro honoris min kaj ili malfermis la pordon de la memoraĵoj antaŭ mi. Mia rigardo reve migras sur iliaj trajtoj. Ĉe kies vizaĝo respeguliĝas lia milda mieno? Mi atentas pri la voĉo de la orfinoj. En la voĉo vibras la ritmo de animo. Al kiu el ili la sorto donacis pli el la patraj riĉaĵoj? Neeble scii. Ili ambaŭ estas egale komplezemaj kaj egale modestaj. Nur en la temperamentoj estas diferenco. Ŝajnas al mi, ke la pli juna, f-ino Lidja Zamenhof, havas pli reveman naturon kaj en ŝi viglas pli la batalemo por belaj ideoj, ol en ŝia fratino Sofia, kiu impresas kiel la ekvilibrita boneco kaj mastrina zorgemo. Senceremonie, senpoze ili montras al mi sian hejmon kaj ilia parolo ne havas eĉ nuancon de ia oficiala patoso, kiam ili klarigas, informas pri la postlasitaj objektoj de ilia patro. Kvazaŭ ili ne estus liaj filinoj. Jen, jen! Ĝuste tiu ĉi spontaneeco pruvas, ke en ili ambaŭ vivas plu la patra animo. Karaj, varmkoraj samideaninoj, kiuj ĉiuminute rememorigas pri la modesteco de la Majstro: »Mi ne estas majstro, sed egalranga batalanto de la ideo.«

Sed mi... mi fariĝas sklavo de la impreso, kiun la vido de la memoraĵoj vekas en mi. Mia rigardo longe ripozas sur la skribotablo, sur kiu pretiĝis je vivo nia lingvo kaj mi karesas la klavaron de la malnova skribmaŝino, super kiu laborante klinis la foririnto. Por longa momento haltigas min la kolorperdinta kanapo, sur kiu lia laca koro fordormis. Medaloj, insignoj, memorobjektoj, diplomoj kaj riĉa biblioteko de la Majstro donas ian muzean atmosferon al la loĝejo.

Mi dezirus vidi lian manskribon kaj... kaj dank' al la komplezemo de la du fratinoj mi vidis tiajn manuskriptojn de Zamenhof, pri kies ekzisto tre malmultaj scias. Mi petas permeson por kopii kelkajn liniojn el ili. Volonte ili plenumas mian deziron kaj iom emociite mi foliumadas.

Jen kajero. Mi legas: Lingvo universala f. e. gramatiko e verbio laul trema ridakco del anno 1881, Varsovo (Kajpassa i Augusto del anno 1881.)

Jen plena gramatiko kun vertaro kaj ekzercoj, kun kelkaj tradukoj. Ne multaj scias pri tiu ĉi lingvoprojekto. Ni scias nur pri Lingwe Uniwersale, kies naskiĝon festis la junaj gimnazianoj en 1878 kaj pri la nuna Lingvo Internacia. Dum la unua reforma periodo Zamenhof faris novan projekton, kiu feliĉe malaperis post la publikigo de la specimena teksto. Tre verŝajne, ĝi eĉ ne estis plene prilaborita. Sed nun antaŭ mi kuŝas kompleta gramatiko, pri kies ekzisto mi ne sciis.

Mi foliumadas. Kelkaj linioj de rakonto, bone konata en nia lingvo, proponas sin por kopio: La umbo (Esp. La ombro)

»Il kalaj guroj la ŝemmo rajiŝé alia prekalo el di no. La homoj faktidzé tute buraj, e il plej kalaj guroj po eĉ (jenaj vortoj trastrekitaj: de prek bruliga) ŝtel bruligado del ŝemmo faktidzé negroj...

Mi foliumadas plu. Jen tre konata poemo de Heine. Mi kopias la tuton laŭ la originala ortografio.

BALLADDO
(He Heine)

redzidaŭ (Tiu ĉi vorto trastrekite)
Mo bella princino il sonto vidá
Ko zuoj malseŝaj e palaj
Sul dillo, sul verda no koe sidá
Il armoj amizaj e kalaj.

»La kron' de ta padro fio pu mo esté,
La ora, la redza ra sello!
La skepro diantiza, — rol mo ne volé,
Tol mem koj volé mo, ma bella«

»Fo et ne estebla, ŝo pallu a mo
Kor et i la tombo kuŝé mo
E koj i la nokto vioné mo a to,
Kor tol fe prekale amé mo!«

Hemza

Jen titolo de alia dika kajero: 1881. Verbozo Russa — universala. Mia rigardo avide kuras sur la linioj de postlasita, sed neniam komunikita letero. Ĝia titolo: Pri la »novaj vortoj« Nefermita letero al unu amiko. La propramana malpermeso de Zamenhof enpoŝigas mian fontanplumon. Perkrajone li skribis sur la unuan paĝon: Ne publikigota.

Pro la neforgeseble bela horo mi esprimas dankon al la du fratinoj kaj adiaŭinte mi ekiras al la hejmo de s-ro Feliks Zamenhof, al la frato de la Majstro. Lia gastamo donis afable al mi ripozejon por la du tagoj, kiujn mi intencis pasigi en la urbo.

Varsovio... Sola mi vagadas tra la stratoj de la malnova kvartalo. Parto de la historia pasinteco reviviĝas en mia fantazio... Vigle, gaje tintadas la sonoriloj de la elektraj veturiloj... Jen bela vasta parko. La brua trafiko de la liberiĝinta pola ĉefurbo distras min. La pensoj silentas en mi... Iu esperantlingve salutas min kaj petas informojn. Estas travojaĝanta germano. Li interesiĝas pri la loko de la tombejo, kie Zamenhof ripozas. La saman tagon li vojaĝos pro komercaj af:roj al Riga.

Li foriras kaj en mia kapo venas penso: kiom centoj da eksterlandaj gesamideanoj vizitis jam ĉi tiun urbon, kiom malmulte da ili havis la okazon vidi la relikvojn de la komenco, la relikvojn, kiujn nur la filina amo gardas hodiaŭ por la esperantista mondo. Tiuj ĉi relikvoj havas ja inspiran forton. Estus pli d•ce, se ili estus videblaj por ĉiu. Estus bone havi, sur iu placo de Varsovio, Zamenhof-Domon, modestan muzeon. Tio estus la plej bela Zamenhof-monumento. La vojaĝanto kun respekto, la pilgrimanto kun profunda emocio povus paŝadi en la laborĉambro, instalita laŭ historia fideleco. Li povus admiri la riĉan bibliotekon, la centojn da memorobjektoj, la elmodiĝintan skribmaŝinon, kiu donis flugilojn al tiom da idealaj pensoj, la malnovajn manuskriptojn, per kiu la plej idealista praktikulo semis pacamon, komprenon en la homajn korojn ĉie en la mondo.

Zamenhof-domo en Varsovio. La efektivigo de la ideo ne estus tiel malfacila kiel oni pensas. La urbo mem povas esti nur fiera pri la homo, kiu kun sankta entuziasmo kaj spitante al la tuta armeo de skeptikuloj kaj mokemuloj komencis feri sian pioniran laboron kaj kiu sukcesis ne sole montri, sed finfari novan vojon por la kultursopiraj homoj. La urbo Varsovio povus ne sole protekti, sed eĉ iniciati la planon, kiu vekus ĝeneralan simpation en ĉiu lando de la tero. Per la honorigo de Zamenhof la urbo Varsovio honorus ankaŭ sin mem. Ĝi starigus muzeovaloran monumenton por tiu filo de la pola lando, kies ideo kaj laboro donacis tiun frukton al la homaro, kiu vekis la admiron kaj respekton en ĉiu nacio. Esperanto estas tiu admirata produktis floro, kiun la humo, saturita de larmoj kaj sango, de la iama mallibera Polujo. La urbo Varsovio mem povus efektivigi ĝin per donaca gesto kaj la monumentstariga amo de la la tutmonda esperantistaro zorgus pri la inda eksteraĵo, sed... Ho, kiom da »sed« krozas en la ĥaoso de la hodiaŭo! En ĝi ĉio havas sian eblecon, nur ne la danka pietato, kiu deziras honori la Homon en la homo... Tamen iam alvenos la tempo, kiam pri la relikvoj kaj pri la homo — pri kiuj kun distingita respekto pensas centmiloj sur la tero — ankaŭ liaj propraj sampatrujanoj estos fieraj... Ni atendu la tagiĝon de la homa komprenemo.

# DISKUTO

## Korekto de korekto

La lasta numero de Literatura Mondo ĝojigis min per agrabla plezuro kaj pligrandigis la modestan trezoraron de mia scio; mi eksciis, ke lerta aŭtoro povas trovi rimon eĉ por mia malfacile elparolebla nomo, kiu cetere

ne estas tro inda por la rimigo. Do, unue mi sendas amikan dankon al s-ano Nekrasov, kiu bonvolis dediĉi al mia modesta persono plurajn versojn en sia vere ne ordinare bela, majstra poemo, aperinta en la lasta numero de L. M. kun la titolo: Letero al Leo Belmont. Nun mi petas lin, bonvole akceptu mian amikan kaj afablan manpremon pro la bela poemo, kies kelkaj partoj nur el personaj vidpunktoj ne gajnis mian plaĉon.

Samtempe mi devas respondi al s-ano Leo Belmont, kiu protestas kontraŭ mia recenzo, aperinta en la Literatura Mondo. (1931. N-ro 10.)

Por ke mi pruvu, ke mia recenzo ne subtaksis tiun heroan laboron kaj la rezulton kiun la verko de s-ano Nekrasov signifas, mi citas nur mallongajn frazojn el la recenzo:

»Lia rimtrova preteco estas granda, lia teknika aparato estas preskaŭ perfekta. Kaj admirindaj estas liaj kuraĝo kaj persisto... Malgraŭ ĉiuj miaj riproĉoj mi rigardas la tradukinton eminenta lertulo de la Esperanta verso ktp. ktp.

Mi tute malfacile povas kompreni kiamaniere oni povas paroli pri »grava ofendo« koncerne recenzon, kiu enhavas tiajn frazojn. Aliflanke estas faktoj, nome: mi rimarkis, ke la traduko tamen ne kontentigas ĉiam mian poezian senton kaj se mi estus erarinta, nun mi konfesus volonte mian kulpon, ĉar nenio estas pli malproksima de mia naturo, ol senmotive kaŭzi doloron al tiaj personoj, kiuj multfoje pruvis sian eminentan talenton, eĉ se ili loĝas en ŝtato, kies bazo ne estas kapitalismo. (Pri tiu ĉi temo poste.) Mia kritiko neniam intencas bruligi, sekigi, dezertigi la humon, mia celo estas ĉiam fekundigi ĝin. S-ano Belmont konstatas, ke ekzistas nur du plenaj tradukoj de Onegin, »kiuj transdonas la tutan gracion, tutan ĉarmon, tutan lertecon de la strofo Onegina, konservanta la melodion de la originalo: »lia traduko pola kaj la esperanta de Nekrasov. Plezure mi sciigas al s-ro Belmont, ke ekzistas ankoraŭ traduko, kun la samaj eminentaj kvalitoj, en la hungara lingvo, kiun mi povas plenrajte aserti laŭ la opinioj de aŭtoritatoj komprenantaj ankaŭ la rusan, ankaŭ la hungaran lingvon kaj plenrajte mi povas aserti ĝin pro tio, ĉar ne temas pri mia propra traduko. (Bedaŭrinde!)

Sed nun mi devas paroli pri la diferenco, ekzistanta inter la hungara traduko kaj la esperanta interpreto. La hungara Anjegin estas ĉie same legebla kaj ĝuebla, eĉ finlegebla dum unu sido, — la Esperanto — ne. La facila, *reala*, tute natura lingvo de la hungara traduko estas ĝenerale pli memkomprenebla legaĵo, ol la Esperanta, kiun oni povas kelkloke kompreni nur malfacile kaj ne sammomente; la lingvo de la Esperanta traduko montras la serĉadon de grandtalenta homo, kies vojo gvidas supren kaj se mi atentigis lin pri la mankoj, kiuj laŭ mi ekzistas, ne pensu s-ano Nekrasov, ke min direktas ia nigra sento, eĉ... Nun estus facile al mi, citadi partojn de la traduko por konvinki la publikon, ke la traduko ne estas bona, sed tiam mi estus blinda, aŭ malhonesta, ĉar vere s-ano Nekrasov, la supreniranta, talenta verkisto, ne tion meritas kaj ne tion ricevis de mi. Mi devas konstati, ke mi mem spertis jam en mia vivo, ke kritiko puŝis, aŭ puŝetis mian sentemon, aŭ almenaŭ tion mi konstatis dolore, ke oni indiferente preterpasis miajn plej elinternajn bildojn. (inter miaj lastaj noveloj. estis kelkaj, pri kiuj mi pensis, ke oni prikomprenos ilin; tamen, malgraŭ la ĝenerale belaj recenzoj, neniu rimarkis ilin.) Tamen mi ne povas ribeli kontraŭ la kritiko, ĉar mi scias, ke mi devas atendi la maturiĝon de mia propra *kritiko*. Kial mi parolas pri mi mem? Ankaŭ tio havas motivon. S-ano Nekrasov vidas en mi rigidokulan boaon, kiu volonte manĝus ĉiutage rusajn ŝtatanojn. La pensasociacio venigis al mi miajn novelojn kaj fabelojn, kiuj ĝenerale estas larmoj pro kaj por tiuj homoj, kies mizero estas la plej granda doloro de mia vivo. S-ano Nekrasov akuzas min en sia poemo pri etburĝeco (certe li ne intencis flati mni), pri politika malobjektiveco kaj resume pri stulteco. Mi ne povas koleri, ĉar mi estas pli komprenema homo, ol li kaj mi sendas amikan manprenon kaj koran gratulon al li, ĉar li asertis per lia belega poemo, ke la esperoj, pri kiuj mi parolis en mia atakita recenzo, jam realiĝas kaj kun tiuj strofoj, kiuj koncernas la difektojn de mia modesta persono, — malgraŭ ĉiu homa vanteco, — mi ĉiam ŝatos tiun ĉi fenomenon de la sincera sento. Mi petas s-anon Nekrasov, kredu al mi, ke en mia mano, neniam dum mia vivo estis venenita ponardo. Kaj tial mi bonvole avertas lin, ke per tio, ke li nomis min Zoilo, li donis al mi ege tentan okazon, diri, ke li ne estas Homero. Tio tamen ne signifas, ke li ne estas talenta tradukisto.

*Francisko Szilágyi.*



# OBSERVO

Opinio de JULES ROMAINS pri Esperanto:

Miaj multaj vojaĝoj en diversaj landoj min konvinkis pri la neceso de internacia artefarita lingvo, speciale kreita por tiu celo.

Mi kredas, ke Esperanto havas ĉiujn kvalitojn kiujn bezonas tia lingvo.

Mi kredas, ke la registaroj helpus al interkompreniĝo de popoloj kaj al la tutmonda paco, se ili enkondukus devige Esperanton en ĉiujn lernejojn, kondiĉe ke la necesaj horoj estu prenataj ne el la studo de vivantaj aŭ klasikaj lingvoj, sed EL TIU DE LA NACIA HISTORIO.

P. YSERN-ALIÉ

Klasifiki artiston, jen facila afero. Oni malfermas la keston de la etiketoj, eltiras unu el ili kaj fiksas ĝin apud lia nomo. Sed tio estas danĝera, se oni volas esti justa. Tiel danĝera kiel, en tiu ĉi okazo, diri »Ysern estas hispana«. Ĉar tia klasifiko en unu rason elvokas imagon pri la klasikaj pentristoj de lia lando kaj situigas lin sur la paŝvojo de ilia skolo-, vero relativa nur tra la italaj kaj francaj skoloj en kiuj Ysern perfektigis siajn studojn.

La vera klasifiko de artisto estas, kiu situigas lin en lian nomon, en lian propran personecon. Vere ĝi estas la sola, kiu povas interesi nin kaj meriti la penon ĝin atingi.

Ysern estas Ysern; liaj verkoj estas »ysernaj«. Ĉu li pentras francajn dancistinojn, ĉu pejzaĝojn de sia lando, li ne bezonas subskribi. Lia subskribo troviĝas en ĉiu tuŝo de la penikoj.

En liaj verkoj, la temo, kiun objektive tamen li respektas, estas la malpli grava afero. La vera grava afero por li estas la lumo, la koloro. Ysern vivas por kaj pro la koloro. Li estas koloristo.

Multaj jaroj jam fluis, ve! Ni estis tre junaj. Okaze ni troviĝis en la for kaj alfluo de ondoj de popola brua demonstracio. Noktis, pluvis, la lumaj anonciloj briladis

sur la malseka tero kaj sur la profiloj de la malsekaj trakriantoj. La polico atakis. Mi memoras ke mi ege kuris kun aliaj amikoj, kiuj ne forlasis min en tiu glora, kvazaŭ Olimpa provo. Kiam ni atingis lokon, kiu ŝajnis al ni sufiĉe malproksima de la batoj, ni haltis. Sed Ysern ne estis kun ni. Kiam ree ni lin renkontis kaj intencis gratuli lin pro lia kuraĝo, li diris, ankoraŭ iom pala:

— »Ne, ne gratulu min; mi sufiĉe timis, sed la koloro de la spektaklo estis tiel bela ke mi tute ne povis forkuri.«

En la katalunaj pejzaĝoj, la majstro atingas nekompareblan perfektecon. En la katalunaj pejzaĝoj, kaj en tiuj de la insulo Majorko, kiu pro lingvo, gento kaj koloro estas peco de Katalunujo, riĉa ŝtono alŝirita el Pirineo kaj fiksita en la blua juvelo de Nia Maro.

En la hispana pentrista movado, Ysern estas figuro perfekte limigita kaj aparta.

Ysern, laŭ propra naturo tre malparolema, konas perfekte kvar lingvojn lernitajn dum siaj vojaĝoj de studo tra la mondo; li estas entuziasma partiano de lingvo internacia kaj akiris ekkonojn de Esperanto ĉe unu el miaj kursoj. Plurfoje li ĉeestis kunvenojn de la pariza Grupo.

Se muziko estas arto por blinduloj, pentrado estas arto de mutuloj. Rubens eĉ estis diplomato, ĉar diplomatio estas la arto nenion diri. Tio klarigas, kial diplomatoj iradas senĝene tra la diverseco de lingvoj kaj ne premas ilin la bezono de lingvo internacia. Nenio estas pli internacia ol diri nenion!

Ĉar Ysern estas malmulte parolema kaj plie li estas pentristo, lia entuziasmo por Esperanto fariĝas eĉ pli laŭdinda.

Se li estus verkisto kaj manipulus la lingvon internacian kiel la kolorojn, kiajn belajn kaj originalajn verkojn li povus al ni doni! Fred *Pujula.*

EKSPOZICIO en la Salon dr Tuilleries estas fama en la tuta mondo. Estas revo de ĉiu eksterlanda pentristo eniri ĝin. Povi enpenetri kaj — pendigi tie sian bildon. Siatempe vere nur majstroverko povis sukcesi ricevi la necesan permeson post serioza studo. La lastajn jarojn enfiltris ankaŭ mezbonaj talentoj; Sed ĉu simile ne okazas en la plej aristokrataj proletaj salonoj? Ankaŭ tie oni ofte vidas vizaĝojn, kiuj ne devus tie troviĝi.

Ĉi-jare 600 nomoj kun 2000 bildoj prezentiĝis antaŭ la publiko. La skulptaro estas bone reprezentita. Jen Marmoro de *Paul Manaut;* el bildoj ni notu: bona nudulino de *Eisenschitz,* nudulino sur sablo de *kvapil;* multe da nudaĵo ĉi-jare, certe sub influo de la krizo... Jen simpatiaj skizoj kaj provincaj pejzaĝoj de Darel. Roland Oudot reprenas la eternan temon de »afrodito«; li iluminis la scenon per preciza kaj fantazia lumaĵo, kvazaŭ revon de interplaneda balo. La dimanĉaj ciklistoj de *Labat* estas valora bildo kaj bone subrigardis la dimanĉan kutimon, kiu cetere ĉie estas simila, eĉ tie, kie oni ne »ciklas«, nur — piediras man' en mano... *Takanori O-gniss* montras al ni kun gusto kaj kun simpatio malnovajn domaĉojn, kiuj en lia prezento fariĝas interesaj dometoj. *S. G. K.*

JAMES JOYCE KAJ LIA »DUBLINERS.«

Eksterordinare grandaj verkistoj kunportas sian apartan lingvon. Vortoj, kiuj perdis ĉiun viglecon de vivo, vortoj paliĝintaj, verkintaj subite ricevas novan aromon, novan kolorigon en iliaj libroj, ilia malnova senco ricevas alian perspektivon profundigitan de l' nova nuanco. La historio de la lingvoj konsistas el senĉesaj rigidiĝoj, ŝtoniĝoj kaj senĉesaj renaskiĝoj: ĉiu literatura genio estas samtempe lingva genio.

La horizonto de la angla lingvo atingis mondampleksan perspektivon: ĝi ludas gvidan rolon de la norda poluso ĝis Cap Horn, en ĉiuj mondpartoj. Tiun ĉi spiritan imperion tute ne influas eventualaj krizoj de la politika inperio: kiel la latina lingvo restis interkroĉiga komprenilo ankaŭ post la disfalo de l' romano imperio, tiel post eventuala atomiziĝo de Granda Britlando ankaŭ la angla lingvo vivus sur tiu ĉi giganta teritorio ankoraŭ longtempe, ĝis fine la dialektiĝo mortigus ĝin. Kaj estas interesa fenomeno, ke dum plena florado de tia mondlingvo fremduloj transprenas la kulton de la lingvo. Tiel okazis ĉe la latina kaj ankaŭ ĉe la angla, kies modernaj plej grandaj majstroj estas la skota Walter Scott kaj Shaw, la hebrea Disraeli, la kelta Wells, la pola Joseph Conrad, la armena Michael Arlen, la malpursangaj amerikanoj kaj la irlanda James Joyce. Tiuj ĉi fremddevenaj verkistoj donis al la angla lingvo sian nekredeblan fleksteblecon, espriman forton, universecon. Kaj de Shakespeare la angla lingvo ne havis tian produktivan revoluciulon, kia la dublina James Joyce.

Joyce kreis tute novan anglan lingvon, nun ankoraŭ fremdecan, nun ankoraŭ mokatan. Nun oni eldonas vortradon, ĉiun intelektan profundon de tiuj ĉi lingvoj li parolas kaj skribas dekok lingvojn: ĉiun sentimentan vibradon, ĉiun intelektan profundon de tiuj ĉi lingvoj li akumulis en siaj libroj, por ke li direktu la internan okulon de la leganto en profundojn ĝis nun neimageblajn de pensoj, intuicioj kaj konjektoj.

Joyce estas revoluciulo ne nur en la lingvo, sed ankaŭ en sia originala verkista vidmaniero. Kion novan li portis ĉi rilate? Oni povus respondi proksimume jene: Joyce portis la atomizon, la dispolvigon de eventoj, frazoj, pensoj, sentoj, vortoj kaj per tio li kreis tute novan *humoran* literaturan valoron. Sed kompreneble tiu ĉi frazo diras same nenion pri li, kiel oni vane volas karakterizi lian stilon al iu, kiu ne legis liajn librojn. Prefere ni vidu la temojn de lia unua proza verko, de la »Dubliners«, kiu ankoraŭ nur ĝerme montras la pli postan reformatoron, la Joyce-komencanto nepre ĝin devas unue legi, por ke li povu aliri liajn Ulysses kaj Work in progress.

Tiu ĉi volumo estas kolekto de dekkvin noveloj. Miniaturportretoj: la freneza pastro inter siaj fratinoj; la nekonata *flagelanta* viro inter la studentoj; la senespera unua amo de la studento al rajdistino; en malluma cirko, post la fermhoro; la orfino ĉenita al sia trista hejmo, kiu en la lasta momento ne kuraĝas riski la fuĝon, la kartludo de kvar diversrasaj junuloj; la ĵurnalisto, kiu kovas poetajn sonĝojn, kaj kiun ĉiam rekaptas la prozo de l' vivo; la senkora oficestro, kiu en sia hejmo elŝprucas sian furoron; la bonmorala homo, kiu pro nura moralo rifuzas la amon de edziniĝinta virino, post kio la virino kutimiĝas al drinkado; la historio de kristnaska vespero, dum kiu la okazaĵoj ere forfalas antaŭ niaj okuloj kiel la petaloj de l' rozo, ĝis fine aperas la nostalgia memoro de la unua, kaŝita amo de l' edzino, kiun ŝi ankoraŭ ne konfesis al sia edzo, nun ŝi konfesas, sed la konfeso finiĝas per sinmortigo... k. t. p.

La unua eldono de la »Dubliners« kaŭzis grandan sensacion: nekonatulo aĉetis ĉiujn ekzemplerojn de la libro kaj bruligis ilin, nur unu li sendis al la aŭtoro! Nu, la indigno de la dublinanoj estis iom komprenebla: Dublin estas malgranda urbo, kie ĉiu povis nomi tiun aŭ alian figuron, kiun la verkisto pripentris en sia libro. Ĉar Joyce faris jenon: li priskribis, kion li vidis, per la plej kruela homkarakterizado de la naturalista skolo, kvankam jam en tiu ĉi libro sin anoncas la transsubstanciga kapablo de la pli posta Joyce, per kiu li projekcias en la senfinon kaj distilas je eternaj homaj nekvalifikeblajoj la etajn malpuraĵojn de la ĉiutaga vivo.

Post la apero de la libro Joyce ne povis plu resti en Dublin. Li devis elmigri, komence li loĝis en Pola, Trieste, poste en Parizo. Nun li estas 50 jara, preskaŭ blinda. *Louis Brun.*

GEORG KAISER: ES IST GENUG! (SUFICE!) La artisto de malvastaj vortoj, duvortaj frazoj kaj rapide ekbrilantaj dialogoj, kiu montris al ni, kiel estas eble sur dueno da loko esprimi duoblon, tiu ĉi artisto nun verkis

regulan romanon. Romanon, kies amplekso estas tricent kvardek kvin paĝoj, dense plenpresitaj.

La tuta romano estas monologo. *Isa*, la amata edzino, subite mortas. Restas la edzo kaj la kvinjara filineto, *Doris*. La edzo furoras kaj sin konsumas. Sed subite li ekatentas: en la voĉo de sia filineto li opinias rekoni la voĉon de l' edzino. Li ekhavas fantazian penson: la edzino ne mortis, ŝi vivas plu en la filino. Li do amos *Isa'n* en la filino. Ĉi tio estas lia rajto, eĉ devo. Sed kiel? Post dek du jaroj *Doris* fariĝos fraŭlino. Tiam ili devos denove renkontiĝi. Sed jam ne kiel patro kaj filino. Sed kiel viro kaj virino.

Ĝis tiam li devos malaperi. Li ludos akcidenton: multaj pensas memmortigon. En alia parto de l' mondo, en la domo de malnova amiko li ekhejmas. Kaj malrapide pasas la dekdu jaroj. Alvenas la tago de l' hejmeniro. Ili renkontiĝas. Doris jam estas plenkreskinta knabino. Ŝi tute similas sian patrinon. Forta, ŝajne nekontraŭstarebla amo ekflagras inter ili. Post mallonga tempo ili jam fiksas la tagon de l' geedziĝo.

Sed ... en *Doris* vivas subkonscia timo al la viro veninta el nekonata lando. Kaj tiu ĉi timo foje eksplodas el ŝi. Io flustras al ŝi, ke la viro jam havas edzinon. Kaj ŝi timas ke iun tagon aperos tiu ĉi alia virino, kaj tiu alia virino ne meritas, ke li estu malfidela ...

Li rifuĝas, ree al la lando de glacioj. Kaj li sentas kaj scias, ke li transfalis grandan krizon de sia vivo dum tiuj ĉi tagoj. Sed li venkis. Li ne devas honti antaŭ la homoj, antaŭ la memoro de sia edzino — kaj antaŭ si mem.

Jen la enhavo de la unuaj kvindek kaj lastaj kvindek paĝoj. Inter ili la historio de la dek du jaroj, pasigitaj fremdlande, estas propre alia romano, multe pli seninteresa, ol la unua. Ĉar Kaiser ne scias — mi preskaŭ havas la senton ke li eĉ volas — porti la rolantojn de tiu ĉi dua historio pli proksimen al la leganto. Tiuj ĉi homoj ne interesas nin. Iu germana kritikisto skribis pri tiu ĉi romano, ke licas legi nur la komencon kaj finon. Nepre troigo kaj malpravo. Ĉar ankaŭ en la intera parto plurloke la stilo de Kaiser leviĝas en neverŝajnajn subtilaĵojn. Pri la mondo de l' glacioj mi ne vidis ĝis nun pli ĉarman fotografaĵon.

Ne estas grava la leĝo, kiam la vivo parolas, kiam la vivo postulas siajn rajtojn: la heroo komencas kun tiu ĉi penso sian dekdu jaran memvolan kaptitecon. Kaj kiam fine li rekonas, ke tamen estis vana ĉio: kvazaŭ la vivo kapitulacus antaŭ la ordonoj, skulptitaj en ŝtonon, de la leĝo. Sed tiu ĉi kapitulaco estas nur ŝajna. Ĉar ĉe Kaiser ne estas venkinto kaj ne estas venkito. Kiam sub la efiko de la sinanoncantaj duboj de *Doris* la rekonsciiĝinta viro decidigas sin, ke li donas denove gravan turnon al sia vivo: propre oni ne povas paroli pri venko aŭ fiasko. La leĝo konsideras la ne deskribitajn regulojn de l' vivo, kaj la vivo rekonas, ke eĉ en la ŝajne kaprica senrilateco de ĝiaj epizodoj tenas ordon ia sistemeco sendependa de ĉio kaj de ĉiu.

Georg Kaiser jam atingis multe da laŭtaj laŭdoj kaj preskaŭ same tiom da bruaj kontraŭdiroj, dum sia dramverkista kariero. Ankaŭ tiu ĉi lia unua romano defiligos nun la duoblan armeon de liaj adeptoj kaj kontraŭloj. Tamen tiom certas: la *Es ist genug!* estas kreaĵo de verkisto. Kaj eĉ de tia verkisto, kiu formas per certa mano ankaŭ la multe pli fleksiĝeman kaj flekseblan materion de l' romano. *K. B.*

PRI LA TENDENCOJ DE MODERNA LITERATURO EN JAPANUJO. En la kadro de mallonga artikolo estas neeble pritrakti la tutan kampon de literatura produktado en Japanujo. Sed ĉar la beletristiko bone esprimas la manifestiĝon de la nacia karaktero, ni flankenlasos filozofian kaj sciencan branĉojn ĉi tie. Ni ankaŭ devas flankenlasi la humoran literaturon pro la simpla kaŭzo, ke ĝi preskaŭ ne ekzistas en Japanujo — en la eŭropa senco. Ni ne devas kredi, ke Japanoj estas seriozegaj homoj, kiuj ne ŝatas ridadi. Kontraŭe, en nenia lando mi vidis tiom da gaja rideto kiel ĝuste en Japanujo. Sed la fakto mem de ilia gajeco montras, ke ili bezonas malpli da arta gajigilo kaj turnas sin tute nature al la tragedio.

Post la limigo de nia esploro, ni konsideros unue la vulgaran literaturon. Ĝi aperas sur la paĝoj de ilustritaj gazetoj popularaj kaj sur ekranoj de provincaj kinemejoj. Detektivoj, aventuristoj, vojaĝistoj infektas la japanan popolan imagon tute same kiel en aliaj »civilizotaj« (jes, »O«) landoj per mikroboj de stulteco. Ni ne bezonas paroli pri tiu kategorio de skribaĵoj, oni jam bone konas ĝin ĉie. Sed apud tiu ĉi literaturo por kuiristinoj ekzistas en Japanujo la kategorio nomata »kengeki«. Ĝi konsistas el historiaj aventuraj rakontoj pri bataloj inter »samurai« (nobelaj soldatoj) kaj rabistoj. Sur milionoj da paĝoj da malmultekosta papero kaj sur miloj da ekranoj de kinemejoj aperas antaŭ la okuloj de entuziasmaj sekvantoj senfina serio de skermadoj. La heroo ĝenerale batalas sola, per nura ventumilo, kontraŭ amaso de banditoj armitaj de sabroj. Estas notinde, ke laŭ la tradicioj de japana kavalireco, kontraŭ fiuloj nobelulo ne devas tiri la glavon. Li uzas en tia okazo feran ventumilon. Kvankam en la rakontoj la heroo eliras tiajn batalojn ĉiam senvundita kaj venkinta, oni ne devas kredi, ke ili estas pure imagita heroaĵo. Laŭ atesto de japana amiko eĉ hodiaŭ ekzistas personoj, kiuj tre lerte batalas per fera ventumilo kontraŭ glavoj. La popolo japana adoras glavojn kaj kiel oni scias la industrio de glavfarado estas la plej nobla en la lando. Tio klarigas la entuziasmon de »kengeki« legantoj ... kaj rigardantoj.

En kinemejoj japanaj mi renkontis por la unua fojo »kliariganton«, kiu sidanta apud la ekrano klarigas la okazaĵojn sur la filmo. Titol-tekstoj ankaŭ estas projekciitaj, tute same kiel en Eŭropo, tamen klarigo estas samtempe donata. Tiu ĉi kutimo venas de la pasinteco, kiam al ĉiu persono sur la filmo korespondis parolanto apud la ekrano. Krom tio diversaj klarigistoj resumis la enhavon kaj instruon de la filmo antaŭ, meze kaj post la reprezentado. La nuna klarigisto estas restaĵo de tiuj personoj. Oni vidas do, ke en Japanujo la parolanta filmo ekzistas de la komenco.

Mi devas pardonpeti pro mia flankenreliĝo, sed mi kredas, ke kinematografo estas alia formo de literaturo kaj meritas specialan atenton. Nun ni venas al pli arta skolo de nacio-historiaj verkistoj, el kiu rimarkindaj estas Misou Naoki kaj Shin Hasegawa. La unua verkis tre valorenhavan teatraĵon »Nankoku Taiheiki«, kiu temas pri la paca periodo de la Suda Provinco kaj priskribas tiun historian epokon kun rimarkinda fideleco.

La serioza literaturo respegulas la psikologion de la nacio, kvankam la spegul-bildo estas malpli fidela ol la optika. Personeco de la aŭtoroj, limigiteco de la legantoj kaj temoj kaj multaj aliaj faktoroj deformas la bildon ricevitan. Tamen, la sola rimedo por eksterulo ekkoni la nacian karakteron de iu lando estas studadi ĝian literaturon. Tio validas ankaŭ por Japanujo. La ĉefaj temoj de la modernaj romanoj estas la luktado inter moderna kaj tradicia mondkomprenoj kaj la mil problemoj de la seksa vivo. Pli ol en iu alia lando la unua temo estas grava en Japanujo. Oni bone scias, ke antaŭ centjaro la lando estis hermetike fermita al la ekstera mondo. La enkonduko de okcidenta civilizo okazis laŭ dekreto de la fama Imperiestro Meiji kaj estis energie kaj rapide plenumata. Ĉar la Mezepoko estas nur cent jarojn malantaŭe, la konfliktoj estiĝantaj inter la junaj generacioj kaj la maljunaj estas multe pli akraj ol en Eŭropo. Rilate al la temoj de seksaj kompleksoj ni devas rimarki, ke la propra atmosfero de Japanujo estas multe pli kvieta ol tiu de Eŭropo en tia rilato. Kvankam sub la influo de enportataj ideoj la atmosfero fariĝas nuntempe pli kaj pli »freuda«, Keyserling, la fama germana filozofo deklaris (Vojaĝlibro de Filozofo) ke inter japanaj prostituinoj regas la sama trankvila kaj bona atmosfero kiel en burĝaj familioj de Eŭropo. Kaj li aldonas, ke la etoso de deca balo en Eŭropo estas neimageble malĉasta laŭ japanaj normoj ... »La Kelnerino« de Kazuo Hirotsu estas ekzemplo de la enkonduko de seksaj temoj en Japanujon.

Ĝi temas pri la vivo de kelnerino, profesio kiu en Japanujo estas ofte ligata al prostituo. Ne nur pro la seksa intereso sed ankaŭ pro la fakto, ke por la unua fojo la vivo de ekstere laboranta virino estas traktata, la publiko avide legis tiun ĉi verkon.

Ne nur en Japanujo sed ĉie oni konstatas, ke la plejparto de literaturaj verkoj traktas la problemojn de mezaĝaj personoj kaj gejunuloj. Oni ŝajne ignoras la aron de gemaljunuloj kaj ankaŭ la infanojn. Tio estas ĉar la verkistoj ĝenerale rememoras siajn proprajn problemojn de seksa sperto kaj ili ankaŭ bone scias, ke tiaj aferoj interesas la grandan nombron de la legantoj. Kia domaĝo tamen, ke la vivo de la pli aĝaj personoj restas nekonata kaj ankaŭ tiu de la infanoj restas neesplorata. Estas ja vere ke infana psikologio estas malfacila. Sed, ĉu malfacilaĵoj kaj komercaj konsideroj devas por ĉiam malhelpi la plivastiĝon de konoj? Bedaŭrinde ankaŭ en Japanujo oni konstatas la supre cititajn mankojn. La materialo jam ekzistas, sur la paĝoj de la ĉiutagaj jurnaloj ni legas mil tragediojn inter infanoj, sed la artisto, kiu ilin resumus en arta formo, ne ankoraŭ alvenis. Samkiel nia Julio Baghy traktis la problemojn de geadoleskuloj en »Printempo en Aŭtuno« la unua japana literaturisto, kiu utiligos la problemaron de geinfanoj, akiros certe grandan famon...

Nun ni venas al moderna poezio. Antaŭ ĉio ni devas mencii la produktadon de mallongaj poemoj, karakterizaj por Japanujo. Tiujn 31 silabajn poemetojn oni nomas *waka* kaj pli moderne *tanka* kaj ili reprezentas la maksimumon de enhavo en minimuma amplekso. La plej lertaj modernaj kulturantoj de tiu ĉi skolo estas S-roj Onisabro Deguĉi kaj Jaso Saiĵo.

Kvankam ekzistas granda aro de bonaj libroj verkitaj de »proletaj« aŭtoroj, ni povas flankenlasi ilin en tiu ĉi artikolo, ĉar ili estas en la servo de speciaĵaj, nome »klasbatalaj« ideoj. Ili ne zorgas pri analizo de karaktero, pri konfliktoj de sentimentoj kaj pri delikataj priskriboj. Forjetante la konvenciojn de literaturo por klasbatalaj motivoj, la plejparte intelektulaj gvidantoj de proleta literaturo metas sin ekster la teritorio de ĝenerala literatura kritiko.

Nur kelkajn vortojn nun pri la evoluo de la japana literatura lingvo. Oni bone scias, ke ekzistas grandega diferenco inter la parolata kaj inter la skribata lingvoj en Japanujo. Preskaŭ temas tie ĉi pri du apartaj lingvoj, en la senco de la itala kaj franca ekzemple. Ĝenerale oni konstatas simpligon de la stilo en popularaj jurnaloj kaj libroj. Ne nur ili uzas malpli da ĉinaj ideografoj ol antaŭe sed ankaŭ klarigas la signifon de multaj el ili per apudmetitaj notoj en »hiragana« (alfabeta sistemo). Tamen, en la altklasaj verkoj kaj jurnaloj, tiaj klarigaj signoj mankas. Bedaŭrinde la »Romaji« movado ne faras kontentigajn progresojn kaj apud la kelkaj miloj de ĉinaj ĝenerale uzataj oni ankaŭ utiligas du sistemojn de alfabeta skribado: »katakana« kaj »hiragana«.

*Jozefo Major, Kameoka.*

---

**Neologismoj**

en tiu ĉi numero, ne troveblaj en la Plena Vortaro de S. A. T.:

*arondismento:* Pariza kvartalo
*ascendi:* supreniri
*easto:* oriento kiel geografia direkto
*gvati:* kaŝobservi, ŝtelobservi
*padeli:* marŝi malfacile, ŝmacante en koto
*pranci:* stariĝi sur la postaj piedoj
*senso:* sentorgano
*uesto:* okcidento kiel geografia direkto
*trista:* malĝoja

---

# RECENZO



LUDOVIKO TOTSCHE: *De paĝo al paĝo.* Literaturaj profiloj. Eldonis Literatura Mondo.

Al korsaro,
Korsaron atakante, ne prosperas al faro,

diris malnova franca poeto; same, sendube, al kritikisto kritikiston kritikante. K tamen estus nejuste prisilenti tian verkon, kiel la libro de L. Totsche, »De paĝo al paĝo«, kiu prezentas al ni, por la unua fojo en nia lingvo, kleran k prudentan skizon de esp-a kritiko. Mi diras: en nia lingvo, ĉar aperis jam en la angla, havinda libro de Sturmer »Esp-o Litterature«, kiu entenas sagacajn konsiderojn pri multaj verkistoj del postmilita epoko; sed la koncizeco, kiun trudas al siaj recenzistoj la brita gazeto, en kiu aperis tiuj artikoloj, ne ebligis al Sturmer profundigon de liaj juĝoj. Male L. Totsche tute libere malvolvis sian penson, k liveras al ni ellaboritan materion. Li studas en ĉi tiu volumo, kiun, mi esperas, sekvos aliaj, dekunu aŭtorojn, naŭ sinteze, Bodó, Dresen, Engholm, Forge, Hohlov, Robinson, Schwartz, Sturmer k Szilágyi, k du detale, Baghy k Kalocsay. Tiu nombrado sufiĉas por montri, ke temas reale pri panoramo de nia aktuala originala literaturo (solan escepton li faris favore al la Cikonikalifo de Bodó). Ĝi vere ne estas kompleta, ĉar nenia homa verko estas tia, — sed la esencon ĝi prezentas al ni k laŭ tre lerta maniero. Totsche efektive sentis la danĝeron proponi al la esp-a legantaro, kiu tute ne kutimiĝis al tiaj solidaj nutraĵoj, tro seriozan, teknikan sciencaĵon, k li ruze intermiksis siajn juĝojn per loge elektitaj citaĵoj: li donis al kelkaj el siaj studoj la formon de dialogo, al aliaj tiun de konversacio kun la leganto, — unuvorte la teksto estas nenie abstrakteca aŭ filozofaĉa, sed oni ĝuas senpene la fluantan, elegantan stilon, en kiu ne mankas delikataj aŭ subtilaj esprimoj (»mondo, teksita el sonĝoj k revadoj« — »akre konturitaj pensoj« — »kristale evoluinta lingvo« — »vivjesanta filozofio« ktp). (I) (NOTO. Ĉar mi volas tute pedante ludi mian rolon, mi notos tamen du eraretojn: pĝ 66 *Prothea* devas esti *Protea;* pĝ 73, en la frazo »*kiu* ajn nacia literaturo povus envii Esp-on«, la relativa pronomo estas malĝuste uzata anstataŭ la nedifina, malkorekto, kiu kvankam plurfoje trovebla ĉe Zamenhof, estas tamen nepre evitinda.) Sed plej bela stilo ne multe valoras, se ĝi vestas mistrafajn pensojn. Nu, la kritiko de Totsche estas ĉiam tre bongusta, kio estas despli miriga, ke li estas ankoraŭ juna. Kun tre lerta fingro li dissekcas la viktimojn, preskaŭ sendolore, indikante al ni la belaĵojn, sed ankaŭ tute sincere la mankojn. K niaj gazetrecenzoj estal tiel putraj de komplezemego k blinda entuziasmo, ke tiu simpla, honesta juĝado ŝajnas al ni mirige saniga, kvazaŭ freŝa aerondo.

Neniam ekz-e mi vidis pli ĝustan, pli justan taksadon de la verkoj de Baghy: la kvalitoj — lingva harmonio, lirika impeto, humura satiremo — same kiel la malkvalitoj — malpreciza bombasto, romantikaĉa sentimentaleco, nebula filozofiado — estas akurate notitaj k difinitaj. Same pri la esenca rolo de »Streĉita Kordo« en la verkaro de Kalocsay, k, en tiu libro, pri la senpara valoro del grandaj versliberaj poemoj del *Ebria Ekvatoro.* Pri ĉiuj tiuj punktoj liaj sentencoj pruvas akrevidan, larĝidean spiriton, kies influo en nia literaturo estos certe grava.

Ne ĉie tamen mi konsentas kun li. Pri la »Por recenzo« de Sturmer, mi havas pli bonan opinion ol li, trovante en tiu skizo modelon de modernstila rakonto. Totsche riproĉas, ke »la romano abrupte finiĝas sen vera fino, kvazaŭ tranĉite per tondilo«. Sed oni ne povas postuli ankaŭ de Proust aŭ Joyce klasikan komponadon:

tiel abrupta k eĉ pli mallogika ŝajnus al li la grandvalora romano de A. Gide, »La monfalsistoj«. Cetere, mi trovas en »Por recenzo« sukplenajn rimarkojn, detalriĉajn pentraĵojn de la moderna Londona vivo, kiuj faras el tiu verko unu el la plej rimarkindaj en nia literaturo, la sola kritiko, kiun mi havas por fari, estas la sufiĉe granda nombro de anglismoj en la stilo.

Same, mi ne trovas en »Anni k Montmartre« la profundan »filozofion de saĝa kompreno k trankviliĝinta rezigno«, kiun tie malkovras L. Totsche. Eble, ĉar li ne konas la samtemajn francajn romanojn de Francis Carco (Mia Ulo), La Fouchardière (La Hundino) ktp. La vera originaleco del verko ne kuŝas tie, sed, laŭ mia opinio, en la provo al kreado de familiara lingvo k en la bildokrea, drastimaga stilo. La unua punkto estas vere tre grava por nia literaturo: oni sentas tion precipe, se oni legas tradukojn, kiel »En okcidento nenio nova«, en kiuj la senfamiliareco de la lingvo estas sufere sentebla. La dua estas la vera forto de Schwartz. Paĝoj, kiel la priskribo de la nokta Montmartre (»Sur la Place Blanche la eterna vico de taksioj — obstinaj formikoj — pacience boras sian vojon tra moviĝanta kaoso. Radon ĉe rado ili tremas, sekvas, puŝas, bruas k malbonodoras..«) aŭ tiu de la grandaj bulvardoj (»Anni rigardis la ĉiam renoviĝantan ĉenon de veturiloj — aŭtobusoj, kiuj sur siaj ses radoj aspektis kiel avidaj drakegoj, taksioj, privataj aŭtomobiloj pli aŭ malpli luksaj, ĉaroj ĉiuformaj, fiakroj antaŭmilitaj, kiuj preterpasis kun graveco de historiaj dokumentoj, unuvorte ĉiuspecaj veturiloj, kiuj glitis k glitis inter la knedantaj pugnoj del urbego, kiel perloj de rozario inter tremetantaj fingroj de eterne preĝanta bigotulino... «) estas sufiĉaj pruvoj pri tiu rara talento elvoki tutan scenon per vivaj k solidaj vorteltrovoj. Tiu skribmaniero estis eble influita de modernaj verkistoj, kiel P. Morand aŭ J. Romains, sed tute ne, kiel supozas Totsche, de A. France: estas inter li k Schwartz neniu komuna punkto, nek laŭ la proza stilo, nek laŭ la poezia vervo, kiu rememorigas prefere la kanzonistojn M. Donnay aŭ R. Ponchon.

Alia erara komparo estas tiu, kiun faras Totsche inter Baghy k Hugo (pĝ 19): sendube, ĉe Hugo ofte renkontiĝas sonora k malplena retorikaĵo, sed ne pli ol en la aliaj romantikuloj; male, per la akreco de sia vidkapablo, per la precizegeco de sia vortaro, per la elvokiveco de sia ĉiam perfekta stilo, li neniel estas komparebla kun Baghy. Se oni volus finfine trovi al li analogion en la franca literaturo, nur ĉe Lamartine aŭ Laprade oni trovus ĝin. Sed, krom la okazo, en kiu oni klare vidas parencecon inter du verkistoj, ekz-e inter Poe k Baŭdelaire, Hugo k Carducci, mi opinias evitenda la serĉon al tiaj komparoj, ĉiam lamaj k nejustaj.

Tamen mi ne volus doni la impreson, ke en la libro de Totsche multas tiaj eraroj: nur la malo estas vera, k la atento, kun kiu mi diskutis liajn juĝojn, pruvas la altan valoron, kiun mi rekonas en tiu kritiklibro: ĝi estos tre utila por vastigi tra la esp-a publiko, ĝustajn ideojn pri nia moderna literatura movado, kiu estas tro ofte aŭ nekonata, aŭ ignorata. Ne apartenas al mi kritiki naciajn esp-ajn societojn, sed, en kelkaj el ili, oni havas tro ofte la impreson, ke tie, kie taŭgus kalkulisto, oni prefere elektas kiel diris Figaro danciston — aŭ flugiston. Ĉi tiu verko rememorigu al ili, ke ekzistas aliaj valoroj krom monaj, k aliaj paperoj krom obligaciaj. En la tempo del reformisma krizo, nur la tiama literaturo, kvankam malriĉa k humila, savis Esp-on de disfalo; mi firme kredas, ke nur la pli k pli vasta malvolviĝo de la nuna baldaŭ estigos triumfon de nia lingvo. G. WARINGHIEN.

BOLESLAV PRUS: La vizio. La veŝto. El la pola: *Lidja Zamenhof*. Esperanta Novelbiblioteko. Eldonejo: N. Szapiro, Warszawa. 38 paĝoj.

Du noveloj interese rakontitaj, precipe la dua impresas kortuŝe per la larme ĉarma ruzo, per kiu du kompatindaj estaĵoj volas ŝpari la doloron kiel eble plej longe unu al la alia. Eĉ se temo kaj templekto ŝajnas al mi iom malnovtempaj, la noveloj certe malkaŝas grandan verkiston, kvankam lia talento, kompreneble, ne povas disvolviĝi en ĉi tiuj mallongaj pecoj tiom, kiom en la grandioza »La Faraono.«

La traduko estas bona: flua, facila, fleksiĝema Esperanto. *Ludoviko Totsche.*

PANTELEJMON ROMANOV: La mistero. Unu horo. El la rusa: *Isaj Dratwer*. Esperanta Novelbiblioteko. Eldonejo: N. Szapiro. Warszawa. 32 paĝoj.

Ambaŭ noveloj temas pri ama epizodo en la vivo de virino, ili montras akravidan psikologon kaj majstran rakontiston.

Sur la kovrilo la eldonejo anoncas, ke la serio volas diskonigi »imitindan stilon esperantan«. Nu, la stilo de ĉi tiu traduko certe ne estas malbona. Sed se jam temas pri imitindeco, mi ne povas prisilenti, ke en la libro mi trovis tiajn frazojn: »la senton de tiu ĉi ial kortuŝinta ŝin frata renkontiĝo«, »kiel moviĝas rapide malantaŭen plej brilaj post mallumo de l' kampoj elektraj lumoj de fabrikejoj« ktp. Mi rekonas, ke kelkfoje la slava vortordo povas interese variigi la Esperantan stilon, mi rekonas, ke pro la gramatika strukturo de la lingvo (la substantivo akordiĝas nombre kaj kaze kun sia adjektivo) tiu ĉi disĵetado de frazeroj ne naskas miskomprenon, tamen, mi devas konfesi, ke legi tutan libron verkitan en tiu ĉi dialekto estigas al mi kapdoloron. *L. Totsche*

GVIDLIBRETO TRA KORTRIJK—BELGLANDO. (Eld. Esperanto-Grupo, Kortrijk; 20 p.)

Atentinda, plaĉa eldono. *Szilágyi*

»SAT«-JARLIBRO, 1932. (138 p.

Multaj datoj, zorgemaj klarigoj pri la gvidantaro, sekcioj, societoj, adresoj, statutaro ktp. *Szilágyi*

MINNESKRIFT MED ANLEDNING AV ESPERANTORÖRELSENS I GEFLE 25 ARS JUBILEUM. (Eld. Esp. Föreningen i Gefle; 20 p.)

Jubilea, bele eldonita kajero de la brava Gefle-a societo. *Szilágyi*

*Diversaĵoj:*

*La Universitata Ligo Kontraŭ la Japana Invado* fondita ĉe la Kuo Min Universitato en Canton dissendis akran, tre interesan proteston kontraŭ la japanoj. La folio estas ricevebla senpage ĉe la supre nomita Ligo.

La *Centra Presejo Esperantista* Paris V-e 33 rue Lacepède, eldonis tre belan kaj interesan flugfolion okaze de sia 25-jara jubileo. En la flugfolio ĝi vicigas grandan aron da verkistoj kaj verkoj, kiujn konatigis dum tiu longa tempo la konata presejo.

*La 5-a Jugoslava Kongreso* eldonis tre belan dukoloran afiŝon porkongresan.

*La gazeto de la flandra turista societo,* ampleksanta pli ol 110,000 membrojn, daŭre presas kurson. Ni gratulas al la Flandra Ligo Esperantista pro la bonega rezulto.

*Prospektojn eldonis lastatempe:*

*Ministerio por Komerco kaj Trafiko de Aŭstrio.* La tre belan prospekton kun du aliaj sendas por unu respondkupono la Int. Esperanto Muzeo, WIEN I. Neue Burg.

*La Internacia Labora Organizaĵo,* GENÈVE, okaze de la deklara datreveno de ĝia fondiĝo. La tre detala prospekto enhavas ĉiun sciindaĵon pri tiu grava institucio kaj estas havebla senpage de ĝi.

*La Sveda Gimnastika Instituto* pri siaj someraj gimnastikaj kursoj en Lund.

Ĉiuj tri prospektoj estas bonegaj propagandiloj por Esperanto ĝuste per tio, ke ili celas per esp-o konatigi gravajn instituciojn.

---

**Nia numero, bedaŭrinde, estas tre malriĉa de bildoj. Eble niaj legantoj pardonos tion: pro malfaciloj, kaŭzitaj de la mondmalsano, ni ne povis ĝustatempe elsavi niajn kliŝojn el la labirintoj de la doganoficejo. Ni donos ilin en la sekva numero, raportonta pri la kongreso.**

# REVUO DE REVUOJ

LA NOVA EPOKO. En la dua numero ni mencias unualoke la bonegan tradukon de Weinhengst: T Hood: La kanto pri la ĉemizo. Viktoro Ekström verkis novelon, kies energia tendencemo pariĝas kun impresa rakontpovo. El la tradukoj alte elstaras »La betono« represita el la »Paŝoj de la Jarkvino«, kiu kun nerezistebla impeto prezentas al ni la malhelpojn kaj heroajn laborluktojn de la »socialisma konstruado«. La numeron kompletigas »Sur la ekrano«, »Paĝo de Filozofio«, »Scienco«. En la rubriko »Lingvoscienco« Waringhien komencas artikolon pri neologismoj, traktante la temon tre klarvide kaj freŝe, parte el tute novaj kaj interesaj vidpunktoj. La Recenzoj estas detalaj kaj, precipe el lingva vidpunkto, konsciencaj. La reviviĝo de la revuo certe estas gajno por nia lingvo.

LA NOVA ETAPO. La unua numero havas sur la titolpaĝo la portreton de Ludwig Renn, kiu mondfamiĝis sin per sia romano: Der Krieg (La milito). Ke tia verkisto aliĝis al Esperanto kaj eĉ verkis mem Esperante en la revuo, tion certe ĝoje salutas ĉiu esperantisto. Mencinda estas la studo de Nekrasov pri Bulthuis, tre interesa kaj bone skribita artikolo, kiu, tamen, konsideras preskaŭ ekskluzive la socialan observmanieron de Bulthuis. Nu, kun la sama observmaniero oni ja povas esti tute senvalora verkistaĉo, sed ankaŭ la pleej granda verkisto de la mondo. La poemo de Miĥalski estas tre verva, ĉi tiu talentulo senĉese evoluas. Wüster klarigas la diferencojn inter sufiksoj kaj radikoj. Nu, laŭ mia opinio, ĉi tiuj diferencoj ja ekzistas, (same kiel tiuj malkovritaj de Minor), sed same ne tiel esencaj kaj gravaj, ke oni povus sur ili bazi fundamentan diferencigon. *C. Ock.*

AL LA NOVA ETAPO. Sub tiu ĉi titolo ĵus aperis verketo ĉe eldonejo Ekrelo tiom interesa kaj grava ke mi volus citi la tuton. Sed mi diru koncize ke ĝi prezentas la vidpunkton de la sovetiaj adeptoj de Esperanto al la lingvo internacia nuna kaj estonta, vidpunkton ege sagacan kaj atentindan.

En la rezolucio de la lingva komisiono de SEU de 28.6.31 oni legas: »la Lingva Komisiono estas kontraŭa al ĉiuj nekonsekvencaj, precipe grandskalaj kaj mase koncentritaj eksperimentoj kun Esperanto, kiuj, sen la necesa laŭtempa aproba verdikto de la amasoj, povus konduki al tre danĝera splitiĝo kaj disdialektiĝo de la lingvo«. En posta artikolo E. Drezen skribas: »Ni ne estas reformemaj rilate al la lingvo. Ni tute ne intencas preferi idon, occidental aŭ novial, pro iliaj laŭŝajnaj, laŭformaj perfektajoj ... de tiu vidpunkto pravas idistoj, nomante nin »lingvaj ortodoksuloj«.

»Ni ankaŭ ne estas konservativuloj, fundamentistoj rilate al la lingvo. Ni tute ne intencas limigi nian lingvouzadon nur per formoj troviĝantaj en la Oficiala fundamenta vortaro kaj en ĝiaj aldonoj. Konforme al niaj bezonoj kaj al la eventualaj ebloj ni tute libere iras ekster la limoj de la Fundamento. Ni tute konscie pretas esti pliperfektigistoj de la lingvo, ni pretas senhezite ĝin akomodi al ĉiuj sentataj bezonoj kaj necesoj. De tiu vidpunkto pravas la vere-ortodoksaj fundamentistoj, kies ordinaraj bezonoj estas kontentigeblaj per la enhavo de la Fundamento, nomante nin »lingvaj reformemuloj« ... la ŝanĝojn trudas la vivo kaj la sociaj bezonoj. Elimini sin kaj la lingvon de tiuj bezonoj povas nur homoj, kiuj kulturas iun apartan sekton kaj menson, izolitan de la alia mondo.« Bonege ! ! !

Kaj el la jam aludita rezolucio: »la Lingva Komisiono firme opinias esperanton nur transira, evoluonta ŝtupo al la estonta monda helpa lingvo kaj ties pli posta evoluo al la sola, komuna lingvo de la senklasa, sennacia kaj senŝtata socio«.

Pri la Lingva Komitato: »estas sperto ne sole de la Lingva Komisiono de SEU, ke la komplika, malvigla plenumaparato de la centraj esperantaj lingvo- institucioj, dank' al sia strukturo, bezonanta internajn kaj eksterajn reformojn, ne kapablas iri sampaŝe kun la tempo, precipe en konsidero kun la progresoj kaj evolue de la proleta klaso.«

Unu artikolo, de l' iama poeziemulo N. Hohlov, lerte tuŝas la fakton, ke en Esperanto malmultaj personoj kapablas nomi sian metion, sian maŝinon, la labormetodojn de l' ĉiutaga laboro. Mi mem ofte jam aludis al la fakto ke Esperanto estas lingvo trokulturita kaj ne sufiĉe praktika, kaj pri tio mi forte pensis kiam antaŭ kelka tempo mi elektis prelegi en Londona Esperanto-Klubo pri mia ĉiutaga metio, anstataŭ pri la literaturo aŭ la vojaĝado. Kun amara rideto mi konsciiĝis, ke mi, kiu multe laboris por la kulturo de nia lingvo, ne povas nomi en ĝi la plej simplajn aferojn de mia ĉiutaga metio okupinta min dum dek-kvin jaroj. Kaj simile povus konstati multaj okcidenteŭropaj esperantistoj prilaborinte la kulturan flankon de Esperanto. *K. R. C. S.*

# Invito

**al la**

## Literatura Vespero de Verkistoj

**arangâta de „Literatura Mondo"**
**okaze de la Pariza Kongreso**
**la 2-an de aŭgusto, vespere je la 8 horoj ½,**
**en la granda teatro de la Kongresejo**



PROGRAMO

1. Esperanto-himno.
2. Salutparolado de Kolomano Kalocsay.
3. Teo Jung prelegas novelon.
4. *Ludoviko Lazaro Zamenhof sur filmo.*
5. Kolomano Kalocsay deklamas el *Eterna Bukedo* kaj *Streĉita Kordo.*
6. Esperanto, la lingvo de literaturistoj: parolado de Jean Forge.

*Paŭzo*

7. Kolomano Kalocsay prelegas alvenintajn salutleterojn de verkistoj kaj prezentas ilin al la publiko.
8. Nikolao Hovorka deklamas sian poemon.
9. Miĥaelo Sárossy kantas hungarajn kaj originalajn Esperantajn kantojn.
10. S. Grenkamp-Kornfeld prezentas novelon.
11. Julio Baghy interpretas I. Lejzerowicz kaj L. N. Newell.

Dum la tuta prezentado konferas Raymond Schwartz.



Rajtas eniri ĉiu interesiĝanto, kiu aĉetis la specialan francan numeron de *Literatura Mondo* por 9 frankoj, aŭ alian numeron de *Literatura Mondo* por 7 frankoj.

Abonantoj de *Literatura Mondo* ricevas la enirrajtigilon post aĉeto de iu ajn libro en la valoro de 5 frankoj el la eldonajoj de *Literatura Mondo.*

Novaj abonantoj ricevas la enirrajtigilon sen la kroma pago.

La necesaj enirrajtigiloj estas riceveblaj ĉe la speciala kongresa stando de *Literatura Mondo* aŭ antaŭ la prezentado.



*Literatura Mondo* informas ĉiujn interesiĝantojn, ke ĉe la kongresa stando dejoros s-ro V. Bleier, administrando de *Literatura Mondo*, rajtigita por ĉiuj aferoj.

